pri la aferoj kiujn ŝi povus renkonti — la Deodandoj, la pelgrejnoj, la ĉasvagantaj erboj (kreituloj miksitaj el besto, viro kaj demono), la gidoj, kiuj saltas dudek futojn trans la grundo kaj alkroĉas sin al sia viktimo.

T'sajs pluiris senatakite, kaj baldaŭ atingis la randon de la arbaro. La grundo leviĝis kaj la arboj maldensiĝis, kaj T'sajs elvenis por alfronti senliman malluman etendejon. Jen Stepo Modavno, loko historieca, etendejo kio spertis la tretadon de multaj piedoj kaj sorbis multan sangon. Je unu fifama murdegado, Golikun Kodek la Konkeristo jam amase elpelinta la civitanojn de du grandaj urboj, G'Vasno and Baŭtiko, kunstriktis ilin en cirklon tri mejlojn larĝan, grade kunpuŝis ilin pli strikte, strike, strikte, panikigis ilin al la mezo inter siaj long-brakaj, subhomaj soldatoj, ĝis je fine li sukcesis krei verme moviĝantan monteton, mil futojn altan, piramidon el plorkrieganta karno. Oni diras, ke Golikun Kodek studis dek minutojn pri sia monumento, poste turniĝis kaj rajdis sian saltantan rajdbeston returne al la lando Lajdenuro de kie li estis veninta.

La fantomoj de antikvaj popoloj estis jam fadintaj kaj dissolviĝintaj kaj Stepo Modavno estis malpli sufoka ol la arbaro. Arbustoj kreskis kiel makulaĵoj sur la grundo. Linio el rokaj krutejoj ĉe la horizonto stabis akre kontraŭ la iomete purpura post-lumeto. T'sajs elektis sian vojon trans la herbaĵo, trankviligita ke la ĉielo malplenis supere. Post kelkaj minutoj ŝi alvenis vojon el malnovega plataĵo, fendhava kaj rompita, flankita de longfosaĵo kie lumaj stelformaj floroj kreskis. Vento venis suspirante de sur la stepo por malsekigeti al ŝi la vizaĝon. Nenia ŝirmejo videblis, kaj la vento flagrigis ŝian mantelon malvarme.

Rapideco de piedoj, falado de formoj, kaj T'sajs ekestis baraktanta kontraŭ malmolaj alkroĉantaj manoj. Ŝi batalis por ekteni sian rapiron, sed ŝiaj brakoj firme kaptiĝis.

Unu estigis lumon per frapo, ekbruligis torĉon, por ekzameni sian gajnaĵon. T'sajs vidis tri barbohavajn, cikatrigitajn viraĉojn de la stepo; ili portis grizajn surtutojn, makulitajn pro kotoj kaj malpuraĵo.

"Ho, estas bela junulino!" diris unu, firigardanta.

"Mi serĉos ŝin por arĝento," diris alia kaj frotis per la manoj kun fia intimeco surtute la korpon de T'sajs. Li trovis la sakon da juveloj, kaj verŝis ilin en la manplaton, fluaĵo el cent-kolora fajreco. "Atentu ĉi tiujn! La riĉaĵo de princoj!"

“Aŭ de sorĉistoj!” diris alia. Kaj pro subita dubo ili malstriktigis sian tenadon. Sed tamen ŝi ne povis etendi ĝis sia rapiro.

“Kiu vi estas, virino de la nokto?” demandis unu kun iom da respekto. “Sorĉistino, ke vi havas tiajn juvelojn, kaj marŝas sola Stepon Modavnon?”

T’sajs havis nek lertecon nek sperton por ke ŝi improvizu malveraĵon.

“Mi estas nenia sorĉistino! Liberigu min, vi fiodoraj bestoj!”

“Ĉu nenia sorĉistino? Kia speco de virino vi estas? De kie vi venis?”

“Mi estas T’sajs, el Embeljono,” ŝi kriis kolere. “Pandelumo kreis min, kaj mi serĉas amon kaj belon ĉe Tero. Nun faligu viajn manojn, ĉar mi volas laŭiri mian vojon!”

La unua kanajlo ete ridis. “Ho, ho! Serĉante amon kaj belon! Vi jam sukcesis je iom da via serĉado, knabino — ĉar malgraŭ tio ke ni kunuloj ne estas beluloj, ja certe, Tagmun pro esti kovrita de krustoj kaj Lasard al kiu mankas kaj dentoj kaj oreloj — tamen ni havas tiom multe da amo kiom vi povas deziri! Ĉu prave, kunuloj?”

Kaj malgraŭ la hororigitaj kriegoj de T’sajs, ili trenis ŝin trans la stepo al ŝtona dometo.

Ili eniris, kaj unu estigis muĝan fajron, dum du apartigis la rapiron de T’sajs kaj ĝin ĵetis en angulon. Ili ŝlosis la pordon per granda fera ŝlosilo, kaj liberigis ŝin. Ŝi eksaltis por sia rapiro, sed puŝbato sendis ŝin al la malpuregan plankon.

“Lasu ke tio kvietigu vin, kat-diablino!” anhelis Tagmun. “Decas ke vi feliĉu,” kaj ili renovigis sian interparoladaĉon. “Agnoskite, ke ni ne estas beluloj, tamen ni prezentos al vi ĉiom da amo kiom vi povas deziri.”

T’sajs kaŭris en angulo. “Mi ne scias tion, kio estas amo,” ŝi anhelis. “Ĉiaokaze, mi deziras neniom da via!”

“Ĉu eble?” ili ridaĉis. “Ĉu ja ankoraŭ virge?” Kaj T’sajs aŭskultis kun okuloj vitriĝantaj dum ili komencis pridiri en fiaj detaloj sian koncepton pri amo.

T'sajs risortis el sia angulo kun freneza rapido, piedbatante, martelante siajn pugnojn al la step-viroj. Kaj kiam ŝi estis forĵetita en angulon, kontuzitan kaj duon-mortanta, la viroj elportis kaskon de medo, por sinfortigi kontraŭ sia venonta plezuro.

Nun ili lotis por decidi pri kiu unuavice ĝuu la knabinon. La afero decidiĝis, kaj tuj komencis disputo, du akuzantaj ke li kiu gajnis iel trompis. Koleraj vortoj plilaŭtiĝis, kaj dum T'sajs rigardis, douon-konscia pro hororo preter ajna koncepto de normala menso, ili tiel interbatalis kiel virbovoj en stato seksarda, kun grandaj blasfemoj, fortegaj batoj. T'sajs rampis al sia rapiro, kaj tuj kiam ĝi sentis ŝian tuŝon, ĝi leviĝis en la aeron kiel birdo. Ĝi alpuŝis sin inter la batalon, trenante T'sajson malantaŭe. La tri kriis raspe, la ŝtalo flagre ekbriladis — enen, elen, pretervideble rapida. Krioj, muĝoj — kaj tri dise pozantaj korpoj sur la tersurfaca planko, malferm-buŝaj korpoj. T'sajs trovis la ŝlosilon, malŝlosis la pordon, forkuris freneze tra la nokta mallumo.

Ŝi kuris trans la malhela kaj venta stepo, trans la vojo, stumblis en la flankfosaĵon, trenis sin supren ĝis la malvarma rando kaj falis sur la genuojn… Jen Tero! Ŝi rememoris Embeljonon, loko kie la plej malbonaj aĵoj estis floroj kaj papililoj. Ŝi rememoris pri kiel tiuj ĉi instigis al ŝi malamon.

Embeljono estis perdita, forlasita. Kaj T'sajs ploris.

Susurado inter la erikoj atentigis ŝin. Ŝokite ŝi levis la kapon, aŭskultis. Kia nova fisurprizo por ofendi al ŝi la menson? La malbonintencaj sonoj pluis, simile al zorgaj paŝofaloj. Ŝi serĉis la mallumon en teruro.

Nigra figuro ŝtele eniris ŝian vidkampon, silente paŝetante laŭ la fosaĵo. Per la lumo de lampiroj ŝi vidis lin — Deodando vagis el la arbaro, senhara hom-estaĵo kun braĝe nigra haŭto, bela vizaĝo, malbeligita kaj demonigita per du dentegoj brilantaj longe, akre kaj blanke malsupren super la lipo. Ĝi vestiĝis per leda jungilaraĵo, kaj ĝiaj longaj fendtruaj okuloj fikis malsate je T'sajs. Li eksaltis al ŝi kun jubilea krio.

T'sajs eskapis stumble, falis, puŝe ekstarigis sin. Kriegante, ŝi forkuris trans la stepo, senatente pri gratantaj uleksoj, vundantaj dornoj. La Deodando saltkuris poste, ellasanta nenaturajn muĝojn.

Trans stepo, herbaĵo, monteto, dornejo kaj rivereto, trans la mallumaj sovaĝejoj daŭris la ĉaso, la knabino kuregante kun okuloj alrigardantaj nenion, la ĉasanto eligante siajn sopirajn muĝojn.

Malklara formo, lumaĵo aperis je la antaŭo — kabana dometo. T'sajs, la spirado pene plora, ŝancelis al la pordlimo. La pordo kompate eblis puŝiĝi. Ŝi enfalis, fermegis la pordon, faligis la trabon. La Deodanda pezeco alfrapis kontraŭ tiun barilon.

La pordo estis dika, la fenestroj malgrandaj kaj surkrucitaj per fero. Ŝi sekuris. Ŝi faletis sur la genuojn, spiro raspa en gorĝo, kaj malrapide fadis en senkonsciecon…

La viro kiu loĝis en la kabano leviĝis de sia sidejo ĉe la fajro, alta, larĝa je ŝultroj, moviĝanta kun kurioze malrapida paŝado. Eblis ke li estis juna viro, sed neniu povus certiĝi, ĉar kovre super lia vizaĝo kaj kapo pendis nigra kapuĉa tolo. Malantaŭ la porokulaj tranĉtruoj estis stabilaj bluaj okuloj.

La viro venis por stari super T'sajs, kiu kuŝis kvazaŭ pupo sur la ruĝa brika planko. Li kaŭris, levis la malrigidan formon, kaj portis ŝin al dika remburita benko apud la fajro. Li deprenis ŝiajn sandalojn, ŝian tremantan rapiron, ŝian malsekegan mantelon. Li portis ungventon kaj aplikis ĝin al ŝiaj dornvundoj kaj kontuzoj. Li volvis ŝin en mola flanela blankedo, surkusenigis ŝian kapon, kaj certiĝinta ke ŝi komfortis, refoje sidigis sin apud la fajro.

La Deodando ekstera estis atendinta, kaj estis rigardinta tra la fere barita fenestro. Nun ĝi alfrapis la pordon.

“Kiu estas?” vokis la viro en la nigra kapuĉo, torde turniĝanta.

“Mi deziras tiun kiu eniris. Mi malsatas por ŝia karno,” diris la mola voĉo de la Deodando.

La viro en la kapuĉo parolis akre.

“Iru, antaŭ ol mi eldiros sorĉon por bruligi vin per fajro. Neniam revenu!”

“Mi iras,” diris la Deodando, ĉar li multe timis magion, kaj foriris en la nokton.

Kaj la viro turniĝis kaj sidiĝis por rigardadi en la fajron.



T'sajs sensis varmetan, fortodoran likvaĵon en la buŝo kaj malfermis la okulojn. Genuante apud ŝi estis alta viro, nigre kapuĉita. Unu brako subtenis ŝiajn ŝultrojn kaj kapon, alia tenis arĝentan kuleron al ŝia buŝo.

T'sajs kliniĝis time for. "Kivetu," diris la viro. "Nenio minacos vin." Malrapide, dubeme, ŝi trankviliĝis kaj kuŝis senmove.

Ruĝa sunlumo verŝis internen tra la fenestroj, kaj la dometo varmetis. Ĝiaj muroj paneliĝis per ora ligno, kun fretaĵoj farbitaj per ruĝo kaj bluo kaj bruno laŭ cirklo ĉe la plafono. Nun la viro portis pluan brogaĵon de la fajro, panon el la ŝranko, kaj metis ilin antaŭ ŝi. Post momenta hezito, T'sajs manĝis.

Rememoro subite venis al ŝi; ŝi tremis, rigardis terure ĉirkaŭ la ĉambro. La viro atentis pri ŝia strikta vizaĝo. Li kurbiĝis kaj metis manon ĉe ŝia kapo. T'sajs kuŝis kviete, duone en terurega anticipo.

"Vi estas sekura ĉi tie," diris la viro. "Timu nenion."

T'sajs spertis malfokusiĝon. Ŝiaj palpebroj fariĝis pezaj. Ŝi dormis.

Kiam ŝi vekiĝis la dometo malplenis, kaj la brun-karmezina sunlumo striis kline internen tra fenestro transĉambra. Ŝi streĉis la brakojn, intermetis manon sub la kapon, kaj kuŝadis pensante. Tiu ĉi viro en nigra kapuĉo, kiu li estas? Ĉu li malbonas? Ĉio alia de Tero preteris komprenon. Tamen, li estis farinta nenion al ŝi dolorigan… Ŝi ekvidis siajn vestojn sur la planko. Ŝi leviĝis de la lit-seĝo kaj vestis sin. Ŝi iris al la pordo kaj puŝis ĝin malferme. Antaŭ ŝi etendiĝis la stepo, fadiĝante malproksimen trans la sub-klineco de la horizonto. Je ŝia maldekstro pintis elstaraĵo el rokaj krutaĵoj, nigra ombreco kaj trokolore ruĝaj ŝtonoj. Dekstre etendiĝis la nigra rando de la arbaro.

Ĉu tio ĉi estas bela? T'sajs primeditis. Ŝia tordita cerbo vidis malhelecon en la sinsekveco de la stepo, tranĉan akrecon je krutaĵoj, kaj en la arbaro — teruron.

Ĉu tio ĉi estas belo? Respondo al ŝi mankis, ŝi turnis kline la kapon, rigardis tra kunpremitaj palpebroj. Ŝi aŭdis piedpaŝojn, saltis ekturniĝe, larĝ-okula,

atendanta ion ajn. Estis li de la nigra kapuĉo, kaj T'sajs kliniĝis malantaŭen kontraŭ la pordo-framo.

Ŝi rigardis lin alveni, alta kaj forta, malrapida je paŝado. Kial li portas la kapuĉon? Ĉu li hontas pro la vizaĝo? Ŝi povis kompreni iom pri tio, ĉar ŝi mem trovis la homan vizaĝon mallogan — objekto el akvecaj okuloj, malsekaj malplaĉaj aperturoj, spongecaj elkreskaĵoj.

Li haltis antaŭ ŝi. "Ĉu vi malsatas?"

T'sajs konsideris. "Jes."

"Do ni manĝu."

Li eniris la dometon, kirlis vivige la fajron, kaj surstangetis viandon. T'sajs staris sendecide en la fojno. Ŝi ĉiam antaŭe servis sin mem. Ŝi sentis maltrankvilecon: kuna agado estis ideo kiun ŝi jam ne renkontis.

La viro baldaŭ leviĝis, kaj ili iris sidi por manĝi ĉe lia tablo.

"Rakontu al mi pri vi mem," li diris post kelkaj momentoj. Do T'sajs, kiu neniam lernis kiel esti alia ol senarta, diris al li sian rakonton, jene:

"Mi estas T'sajs. Mi venis al Tero de Embeljono, kie la magiisto Pandelumo kreis min."

"Embeljono? Kie estas Embeljono? Kaj kiu estas Pandelumo?"

"Kie Embeljono?" ŝi rediris konfuzite. "Ĝi estas en loko kio ne estas Tero. Ĝi ne tre grandas, kaj lumoj el multaj koloroj venas el la ĉielo. Pandelumo loĝas ĉe Embeljono. Li estas la plej granda sorĉisto vivanta — tiel li min diras."

"Aa," la viro diris. "Eble mi komprenas…"

"Pandelumo kreis min," daŭrigis T'sajs, "sed io estis misa en la desegna modelo." Kaj T'sajs rigardegis en la fajron. "Mi vidas la mondon kiel malhelan lokon el hororaĵoj; ĉiuj sonoj al mi estas tro akraj, ĉiuj vivantaj estuloj estas abomenindaj, laŭ malsamaj gradoj — aĵoj el limakeca movado kaj interna malpuregeco. Dum la unua duono de mia vivo mi pensis nur pri premi subpiede,

dispremi, detrui. Mi konis nenion krom malamo. Iam mi renkontis mian fratinon T'sajn, kiu samas je mi sed sen la difekto. Ŝi diris al mi pri amo kaj belo kaj feliĉo — kaj mi venis al Tero serĉante ĉi tiujn."

La funebre seriozaj okuloj studis ŝin.

"Ĉu vi trovis ilin?"

"Ĝis nun," diris T'sajs per voĉo perdita en pensoj, "Mi trovis nur tiajn fiaĵojn kiajn mi neniam antaŭe renkontis eĉ dum terur-sonĝoj." Malrapide ŝi rakontis al li pri siaj aventuroj.

"Kompatinda kreitulino," li diris kaj refoje okupiĝis pri studi ŝin.

"Mi pensas ke mi min mortigu," diris T'sajs, per la sama voĉo de pens-foresteco, "ĉar tio kion mi deziras estas senlime perdita." Kaj la viro, rigardanta, vidis kiel la ruĝa posttagmeza suno koloriĝis kupre je haŭto, atentis priobservis la malstriktan nigran hararon, la longajn pensoplenajn okulojn. Li tremis pri la ideo, ke ĉi tiu kreitulino estu perdita inter la polvo de la forgestitaj duilionoj de Tero.

"Ne!" li diris akre. T'sajs ekrigardis lin kun surprizo. Certe, la vivo onia apartenas al oni mem, por trakti laŭ la propra volo.

"Ĉu vi trovis nenion sur Tero," li demandis, "kion vi bedaŭrus forlasi?"

T'sajs kunpremis la brovojn. "Mi povas pensi pri nenio — krom se eble ĝi estu la paco de tiu ĉi dometo."

La viro ridis. "Do tiu ĉi estos via hejmo, por tiom longe kiom ajn vi deziros, kaj mi provos montri al vi ke la mondo foje bonas — kvankam fakte — " lia voĉo ŝanĝiĝis " — mi ne estas trovinta ĝin tiel."

"Rakontu al mi," diris T'sajs, "kio estas via nomo? Kial vi portas la kapuĉon?"

"Mia nomo? Edur," li diris en voĉo subite acerba. "Edur estas sufiĉe da ĝi. Mi portas la maskon pro la plej malbonfaregema virino el Askolajs — Askolajs, Almerio kaj Kaŭĉikŭo — la tuta mondo. Ŝi refaris mian vizaĝon tiel ke mi ne povas toleri la propran aspekton."

Li trankviliĝis, lace ridis. “Ne plu bezoniĝas kolero nun.”

“Ĉu ŝi vivas ankoraŭ?”

“Jes, ŝi vivas, kaj sendube ankoraŭ faras malbonegon sur ĉiu kiun ŝi renkontas.” Li sidis rigardanta en la fajron. “Iam mi sciis nenion pri tio. Ŝi estis juna, bela, ŝarĝita de mil bonodoroj kaj ĉarma ludemo. Mi loĝis apud la maro — en blanka kampdometo inter poploj. Trans Haveno Tenebroso la Kabo de Malĝoja Rememoro etendis en la oceano, kaj kiam sunsubiro faris ruĝa la ĉielon kaj nigraj la montojn, la kabo ŝajne dormis sur la akvo kiel unu el la praaj ter-dioj… Mian tutan vivon mi loĝadis tie, kaj tiel kontentis kiel oni povas dum la mortanta Tero elĝiras siajn finajn malmultajn turniĝojn.

“Iun matenon mi suprenrigardis de miaj stel-mapoj kaj vidis Ĝavejn-on paŝantan tra la portalo. Ŝi estis tiel juna kaj svelta kiel vi. Ŝia hararo estis mirinde ruĝa, kaj individuaj haroj falis antaŭ ŝiaj ŝultroj. Ŝi estis ege bela, kaj — en sia blanka robo — pura kaj senkulpa.

“Mi amis ŝin, kaj ŝi diris ke ŝi amis min. Kaj ŝi donis al mi bandon el nigra metalo por porti. En mia blindeco mi fiksis ĝin al la pojno, neniel rekonanta ĝin por la abmonena runo kio ĝi estis. Kaj semajnoj da granda ĝojego pasis. Sed baldaŭ mi trovis, ke Ĝavejn estis iu kun mallumaj urĝoj tiaj kiaj la amo de homa viro neniam povus satigi. Kaj iun meznokton mi trovis ŝin ĉirkaŭbrakita de nigra nuda demono, kaj la vido trudis al mi la menson.

“Mi forstaris fisurprizita. Mi mem ne vidiĝis, kaj mi malrapide foriris. Je la mateno ŝi venis kurante trans la teraso ridetanta kaj feliĉa, kiel infano. ‘Foriru de mi,’ mi diris al ŝi. ‘Vi abomenindas preter kalkulebleco.’ Ŝi diris vorton kaj la runo sur mia brako min sklavigis. La menso mia restis propra, sed la korpo apartenis al ŝi, devigita obei ŝiajn vortojn.

“Kaj ŝi devigis, ke mi rakontu tion kion mi vidis, kaj ŝi ĝojaĉis kaj mokis. Kaj ŝi devigis min al abomenindegaj humiligadoj, kaj elvokis aĵulojn el Kalu, el Favun, el Ĝeldred, por moki kaj fiuzi mian korpon. Ŝi devigis, ke mi observu ŝian ludadon kun tiuj aĵuloj, kaj kiam mi identigis tiun kiu naŭzigis min plejege, per magio ŝi donis al mi ties vizaĝon, la vizaĝo kiun mi portas nun.”

“Ĉu tiaj virinoj povas ekzisti?” miris T’sajs.

“Ja tiel.” La sombraj bluaj okuloj studis ŝin atente. “Finfine iun nokton dum la demonoj rulĵetis min trans la krutaĵoj malantaŭ la montetoj, silika roko tiris la runon de sur la brako. Kaj mi liberiĝis; Mi kantetis sorĉon kio ekflugigis la aĵojn kriegantajn tra la ĉielo, kaj retretis al la kampodometo.

“Kaj mi renkontis Ĝavejnon ruĝharan en la granda halo, kaj ŝiaj okuloj esprimis malvarmete kaj senkulpe. Mi eltiris mian tranĉilon por stabi al ŝi la gorĝon, sed ŝi diris, ‘Haltiĝu! Mortigu min kaj vi por ĉiam portos vian demonan vizaĝon, ĉar mi sola scias pri kiel ĝin ŝanĝi.’ Poste ŝi kuris indiferente feliĉa el la dometo, kaj mi, senkapabla toleri pluan vidadon de tiu loko, venis al la stepo. Kaj ĉiam mi serĉas ŝin, por regajni la vizaĝon.”

“Kie estas ŝi nun?” demandis T’sajs, kies malfacilaĵoj ŝajnis malgrandaj kompare al tiuj de Edur.

“Je morgaŭa nokto, mi scias pri kie ŝin trovi. Estos la nokto Nigra Sabato — la nokto dediĉita al la malbono ek de la naskiĝo de Tero.”

“Kaj ĉu vi ĉeestos tiun festivalon?”

“Ne kiel celebranto — malgraŭ fakte,” diris Edur kun ĉagreno, “sen mia kapuĉo mi estus unu el la aĵuloj kiuj ĉeestas, kaj pasus sen priatento.”

T’sajs tremis kaj premis sin kontraŭ la muron. Edur vidis la geston kaj suspiris.

Alia ideo leviĝis en ŝi. “Post ĉiom da malbono kion vi jam suferadis, ĉu ankoraŭ en la mondo trovas vi belon?”

“Ja certe,” diris Edur. “Vidu pri kiel etendiĝas la stepo, malplena kaj pura, el mirinde subtilaj koloroj. Vidu pri kiel la krutaĵoj leviĝas grandmaniere, kvazaŭ la spino de la mondo. Kaj vi,” li rigardadis ŝian vizaĝon, “vi havas belon preteran ol ĉio.”

“Preter Ĝavejnon?” demandis T’sajs, kaj rigardis esprimante konfuzon tiam kiam Edur ridis.

“Ja preter Ĝavejnon,” li informis ŝin certige.

La cerbo de T'sajs' ekpensis laŭ nova direkto.

"Kaj Ĝavejn, ĉu vi volas venĝi vin kontraŭ ŝi?"

"Ne," respondis Edur, okuloj rigardantaj for trans la stepo. "Kio estas venĝo? Mi zorgas nenion pri tio. Baldaŭ, kiam la suno estingiĝos, homoj kune rigardados en la eternan nokton, kaj ĉiuj mortos, kaj Tero portos sian historion, siajn ruinojn, la montojn eroditajn por fariĝi nuraj rondaĵoj — ĉiuj en senliman mallumon. Pro kio venĝo?"

Post nelonge ili eliris la dometon kaj vagis trans la stepo, Edur provante montri al ŝi belecon — la malrapida rivero Skaŭm fluanta inter verdaj junkoj, nuboj sorbantaj la malfortan sunlumon super la krutaĵoj, birdo ŝvebanta laŭ cirklo sur etenditaj flugiloj, la larĝa fumeca disetendiĝo de Modavna Stepo. Kaj T'sajs strebis ĉiam devigi la cerbon, ke ĝi vidu tiujn ĉi belecojn, kaj ĉiam ŝi malsukcesis. Sed ŝi jam lernis limigi la sovaĝan koleron kion la vidaĵoj de la mondo antaŭe instigis al ŝi. Kaj ŝia bezono pri mortigado malgrandiĝis, kaj ŝia vizaĝo malstriktiĝadis el sia daŭra firmeco.

Do ili vagadis plu, ĉiu perdita en propraj pensoj. Kaj ili rigardis la malgajan gloron de la sunsubiro, kaj ili vidis la malrapidajn blankajn stelojn supreniri la ĉielon.

"Ĉu ne belas la steloj?" flustris Edur tra sia nigra kapuĉo. "Ili havas nomojn pli malunajn ol la homaro."

Kaj T'sajs, trovante nur mornecon en la sunsubiro, kaj pensante la stelojn nur etaj sparkoj en sensignifaj ordoj ne povis respondi.

"Certas, ke du pli misfortunaj homoj nenie ekzistas," ŝi suspiris.

Edur diris nenion. Ili paŝadis en silento. Subite li ektenis al ŝi la brakon kaj tiris ŝin grunden inter uleksoj. Tri grandaj formoj pasis flugilumante trans la krepuska ĉiellumo. "Pelgrejnoj!"

Ili flugis proksime supere — gargojlaj estuloj, kun flugiloj knarantaj kiel rustaj haspoj. T'sajs spertis ekvidon de mola ledeca korpo, granda hakilforma beko, ĉien-serĉantaj okuloj en plene sulkita vizaĝo. Ŝi ŝrumpis kontraŭ Eduron. La pelgrejno

flugilumis trans la arbaro.

Edur ridis acerbe. “Vi ŝrumpas for de la vizaĝo de pelgrejno. La aspekto kion mi portas forflugigus eĉ la pelgrejnoj mem.”

La sekvan matenon li kondukis ŝin en la arbaron, kie la arboj donis sensaĵon pri Embeljono. Ili revenis al la dometo je la frua posttagmezo, kaj Edur apartiĝis por studi siajn librojn.

“Neniel estas mi magiisto,” li diris al ŝi bedaŭre. “Mi konas kelkajn simplajn sorĉojn. Tamen mi sorĉas fojfoje, kio eble gardos min kontraŭ danĝero ĉinokte.”

“Ĉinokte?” T’sajs demandis necerte, ĉar ŝi forgesis.

“Ĉinokte estos la Nigra Sabato, kaj mi devos iri por trovi Ĝavejnon.”

“Mi volas iri kun vi,” diris T’sajs. “Mi volas spekti la Nigran Sabaton, kaj ankaŭ Ĝavejnon.”

Edur certigis ŝin ke la vidaĵoj kaj sonoj hororos al ŝi kaj turmentos al ŝi la cerbon. T’sajs persistis, kaj Edur finfine permesis ke ŝi sekvu lin tiam, kiam du horojn postsunsubire li ekiris for laŭ la direkto je la krutaĵoj.

Trans la erikejoj, supren trans disfendemaj rokelstaraĵoj, Edur elektis vojon tra la mallumo, kun T’sajs prezentanta sveltan ombron malantaŭan. En nigran fendejon, supren laŭ ŝtona ŝtuparo, eltranĉita en la nememorebla prapasinteco, kaj elen sur la klifa supro, kun Modavna Stepo kiel nigra maro sube de ili.

Nun Edur gestis al T’sajs pri granda singardemo. Ili ŝteliris tra spaco inter du ture altaj rokegoj; kaŝite en la ombro, ili stude rigardadis la kunvenon suban.

Ili subenrigardis al amfiteatro lumigita per du brile bruantaj fajroj. En la mezo leviĝis diska platformo el ŝtono, alta kiel viro. Ĉirkaŭ la frajo, ĉirkaŭ la platformo, kvardek figuroj, vestitaj per grizaj monaĥaj kapuĉhavaj roboj, ŝvite onde ĝiradis, iliaj vizaĝoj ne videblaj.

T’sajs sentis aŭguran ekmalvarmiĝon. Ŝi rigardis al Edur dube.

“Eĉ ĉi tie estas belo,” li flustris. “Stranga kaj groteska, tamen vidaĵo por sorĉi

la menson.” T’sajs rigardis denove kun iometa kompreno. Pli da robo- kaj kapuĉo-portantaj figuroj nun sinuadis antaŭ la fajroj; de kie ili venis T’sajs ne estis observinta. Evidentis ke la festivalo ĵus komencis, ke la celebrantoj nur antaŭvokadis siajn pasiojn.

Ili danc-marŝis, pied-trenis, plektiĝis mezen kaj elen, kaj baldaŭ komencis dampe ĉantadi.

La ondado kaj gestado fariĝis febra, la mantele vestitaj figuroj kunpremis sin pli proksime ĉirkaŭ la patformo. Kaj nun unu saltis sur la platformon kaj demetis sian robon — mez-aĝan sorĉistinon havanta malalt-dikan korpon kun granda larĝa vizaĝo. Ŝi havis ekstaz-esprimajn brilero-plenajn okulojn, grandaj korperoj pumpantaj en senĉesa idiota movado. Buŝo malferma, lango elstara, rigida nigra hararo kiel uleks-arbusto, falanta de flanko al flanko antaŭ ŝia vizaĝo kiam ŝi skuis la kapon, ŝi dancis lascivan flanke moviĝan dancon en la lumo de la fajroj, rigardante ruzesprime al la kunvenularo. La ĉantado de la kapriolantaj figuroj sube de ŝi ŝvelis por fariĝi naŭza ĥoro, kaj superkape malhelaj formoj aperis, surteriĝantaj kun malica memfido.

La homamaso komencis gliti el siaj roboj, tiel malkovrante ĉiujn manierojn de viroj kaj virinoj, maljunaj kaj junaj — orang-hararaj sorĉistinoj el la Monto Kobalta; arbaraj sorĉistoj el Askolajs; blank-barbaj magiistoj de la Lando Malgaja, kun babilantaj etaj sukuboj. Kaj tiu vestita en lukse bela silko estis Princo Datul Omaŭt de Kanasparo, la urbo de falintaj kolonoj trans la Golfo Melantuno. Alia kreitulo de skvamoj kaj elstare rigardegaj okuloj devenis el la lacert-homoj ĉe la nudaj montetoj de Suda Almerio. Kaj jen tiuj du knabinoj, neniam apartaj, estis Saponedoj, la preskaŭ-elmortinta raso el la nordaj tundroj. La sveltaj mallum-okulaj uloj estis nekrofaĝoj el la Lando de la Falanta Muro. Kaj la sonĝem-okula sorĉistino kun bluaj haroj — ŝi loĝas ĉe la Kabo de Malĝoja Rememoro kaj atendas nokte sur la strando por iu kiu venas el la maro.

Kaj dum la malalt-dika sorĉistino kun nigra malorda hararo kaj svingiĝantaj mamoj dancadis, la komuniiĝantoj fariĝis ekzaltitaj, levis la brakojn, tordis la korpojn, pantomimis pri ĉiom da fiecoj kaj perversecoj kiujn ili povis elpensi.

Krom unu — kvieta figuro ankoraŭ volvita en sia mantelo, moviĝanta malrapide tra la saturnaliaĵoj kun mirinda gracieco. Nun ŝi paŝis supren sur la platformon, lasis la mantelon fali for de la korpo, kaj Ĝavejn staris montrata en

alkroĉema robo el nebulaĵo, kuntirita ĉirkaŭ la talio, freŝa kaj ĉasta kiel mara salŝpruco. Brilantaj ruĝaj haroj falis sur la ŝultroj kiel rivereto, kaj buklaj hararoj pendis sur la mamoj. Ŝiaj grandaj grizaj okuloj esprimis modeste, frageca buŝo iomete malferma, ŝi rigardis ien kaj tien inter la amaso. Ili vokis kaj virkoke blekis, kaj Ĝavejn, kun tantaliga malrapido, movis sian korpon.

Ĝavejn dancis. Ŝi levis la brakojn, sinue mallevis ilin, tordante la korpon sur sveltaj blankaj gamboj… Ĝavejn dancis, ŝia vizaĝo brilanta kun la plej sengardaj pasioj. Malhela formo malleviĝis de supere, bela duon-homo, kaj li kunigis sian korpon al tiu de Ĝavejn en fantasta ĉirkaŭbrako. Kaj la amaso suba kriis, saltis, ruliĝis, memĵetis, kune partoprenis rapidan klimakson de siaj antaŭaj burleskaĵoj.

De inter la krutaĵoj T'sajs rigardis, la menso afliktita de intenseco tia kian neniu normala cerbo povus kompreni. Sed — je stranga paradokso — la vidaĵo kaj sono fascinis ŝin, etendiĝis suben je ŝia menstordiĝo, tuŝis la mallumajn kordojn kiuj latentas en ĉiuj homoj. Edur subenrigardis al ŝi, okuloj brilantaj blu-fajre, kaj ŝi rigardadis responde en tumulto da kontraŭaj emocioj. Lia esprimo spasmis kaj li turnis sin for; post longe ŝi turniĝis rigardi la orgion suban — drogo-sonĝo, ondaĵo el sovaĝa karno en flagra fajrolumo. Preskaŭ-palpebla aŭro sendiĝis supren, tordiĝo de spaco plektita el diversaj malvirtoj. Kaj la demonoj falflugis kiel birdoj, surteriĝante kaj partoprentante la deliran agadon. Abomenan vizaĝon post vizaĝo vidis T'sajs, kaj ĉiu brulvundis al ŝi la cerbon ĝis ŝi pensis ke ŝi devus kriegi kaj morti — vidaĵoj el rigardaĉaj okuloj, vezikaj vangoj, halucine frenezaj korpoj, nigraj vizaĝoj kun spika nazo, esprimoj ofendegaj al pripenso, skvermaj, saltetantaj, rampantaj, la vomaĵo el demon-landoj. Kaj unu havis nazon kiel tri-falda blanka vermo, buŝon kiu estis putra makula kavaĵo, makulaj vangegoj kaj nigra misforma frunto; la tuta ulaĵo estanta objekto el vomigo kaj hororo. Al tiu direktis Edur la rigardon de T'sajs. Ŝi vidis kaj ŝiaj muskoloj kramfis. "Jen," diris Edur en kaŝa voĉo, "jen estas vizaĝo kiu spegulas tiun sub tiu ĉi kapuĉo." Kaj T'sajs, rigardegante al la nigra kaŝilo de Edur, ŝrumpis malantaŭen.

Li ridis malforte, amare… Post momento T'sajs etendis kaj tuŝis lian brakon. "Edur."

Li turniĝis ree al ŝi. "Jes?"

"Mia cerbo difektas. Mi malamas ĉion kion mi vidas. Mi ne povas regi la timojn. Tamen tio kio kuŝas sube de mia cerbo — mia sango, mia kopro, mia

spirito — tio kiu estas mi mem amas vin, vian memon kiu subas de la masko.”

Edur studis la blankan vizaĝon kun strebega intenseco. “Kiel vi povas ami kiam samtempe vi malamas?”

“Mi vin malamas kun la malamo kion mi havas por la tuta mondo; mi vin amas per emocio kion nenio alia instigas.”

Edur turniĝis for. “Ni konsistas el stranga paro…”

La agito, la ĝemsonaj interkuniĝoj de karno kaj duon-karno kvietiĝis. Alta viro en konusa ĉapelo aperis sur la platformo. Li klinigis malantaŭen la kapon, elvokis sorĉdiron al la ĉielo, plektis run-signojn en la aero per la brakoj. Kaj dum li ĉantis, alte supere komencis aperi giganta ondanta figuro, alta, pli alta ol la plej altaj arboj, pli alta ol la ĉielo. Ĝi formiĝis malrapide, verdaj nebuloj faldiĝantaj kaj malfaldiĝantaj, kaj baldaŭ la aspekto klariĝis — ondanta formo de virino, bela, serioza, majesta. La figuro malrapide stabiliĝis, lumanta per ekster-tera verda lumo. Ŝi ŝajne havis orajn harojn, bukle suprenplektitajn laŭ modo de la pretermemora pasinteco, kaj ŝiaj vestoj estis tiaj de la prauloj.

La magiisto kiu estis alvokinta ŝin kriis, ekzultis, laŭtege parolis vastajn ventajn mokojn kiuj sonoris preter la krutaĵoj.

“Ŝi vivas!” murmuris T’sajs ŝokita. “Ŝi movas! Kiu ŝi estas?”

“Estas Etodea, diino de la kompato, el tempo dum kiam la suno ankaŭ flavis,” diris Edur.

La magiisto ĵete etendis sian brakon kaj granda fulmo el purpura fajro flugis supren tra la ĉielo kaj ŝprucis kontraŭ la malklaran formon. La kalma vizaĝo tordiĝis en dolorego, kaj la rigardantaj demonoj, sorĉistinoj kaj nekrofaĝoj elvokis sian ĝojon. La magiisto sur la platformo eketendis la brakon refoje kaj fulmo post fulmo da purpura fajro ekĵetiĝis supren por vundi la kaptitan diinon. La hup-sonoj kaj ĝojkrioj de tiuj proksimaj al la fajro estis teruraj por la aŭdo.

Poste soniĝis klara fora voksono de klariono, tranĉante akre tra la ekzultado. La agitintoj ekhaltiĝis senspire atentaj.

La klariono, muzika kaj brilsona, sonis refoje, plilaŭte, sono fremda al tiu ĉi

loko. Kaj nun, alsupriĝanta la krutaĵojn kiel rompiĝanta marondo, alkuregis trupego da verde vestitaj viroj, moviĝanta kun fantasta volego.

"Valdarjo!" kriis la magiisto sur la platformo, kaj la verda figuro de Etodea ondiĝis kaj malaperis.

Paniko viŝiĝis tra la amfiteatro. Estis raŭkaj krioj, ĉirkaŭsvarmo de intertaj korpoj, nubiĝo da leviĝantaj formoj kiam la demonoj celis flugi. Kelke da sorĉistoj staris kuraĝe por ĉanti sorĉojn de fajro, dissolvo, kaj paralizigo kontraŭ la atako, sed ĉeestis forta kontraŭa magio, kaj la invadantoj saltis senvunditaj en la amfiteatron, sursaltigante la platformon. Iliaj glavoj leviĝis kaj falis, hakantaj, tranĉantaj, stabantaj sen kompato aŭ deteno.

"La Verda Legio de Valdarjo de Justa," flustris Edur. "Vidu, jen li staras!" Li indikis al sombra nigre vestita figuro ĉe la supro de la montetara kresto, rigardanta ĉion kun sovaĝa plaĉiĝo.

Nek eskapis la demonoj. Dum kiam ili flugilumis tra la nokto, grandaj birdoj rajdataj de viroj falflugis malsupren el la mallumo. Kaj tiuj ĉi portis tubojn kiuj ŝprucigis konusojn da erodega lumo, kaj la demonoj kiuj proksimis ties kampojn eligis terurajn kriegojn kaj ekfalis grunden, kie ili eksplodis en nigran polvon.

Kelkaj sorĉistoj eskapis al la krutaĵoj, por eke turniĝi kaj sinkaŝi inter la ombroj. T'sajs kaj Edur aŭdis rampegadon kaj anheladon de sube. Panike suprengrimpanta la rokojn estis tiu kiun Edur venis por serĉi — Ĝavejn, ŝiaj ruĝaj haroj fluantaj malantaŭen de ŝia senmakula juna vizaĝo. Edur eksaltis, kaptis ŝin, krampis ŝin inter fortaj brakoj.

"Venu," li diris al T'sajs, kaj portante la baraktantan figuron, li marŝis for tra la ombroj.

Post ioma tempo ili pasis malsupren kaj sur la stepon, la tumulto fadis en la malproksimeco. Edur starige demetis la virinon, malbindis al ŝi la buŝon. Ŝi ekvidis por la unua fojo tiun kiu estis ŝin kaptinta. La furiozo elĉerpiĝis de ŝia esprimo kaj tra la mallumo rideto ekvideblis. Ŝi kombis siajn ruĝajn harojn per la fingroj, ĝustigis la harojn por fali malantaŭ la ŝultroj, tutatempe rigardante al Edur. T'sajs vagis proksimen, kaj Ĝavejn turnis al ŝi taksan rigardon.

Ŝi ridis. “Do, Edur, vi malfidelis je mi; vi trovis novan amatinon.”

“Ŝi estas nenia koncerno via,” diris Edur.

“Sendu ŝin for,” diris Ĝavejn, “kaj mi amos vin refoje. Ĉu vi memoras pri kiel vi min kisis unuafoje sub la poploj, sur la teraso de via kampara dometo?”

Edur eligis abruptan akran ridon. “Ekzistas nur unu afero kion mi postulas de vi, kaj tio estas mi vizaĝo.”

Kaj Ĝavejn mokis lin. “Via vizaĝo? Kio misas pri tio kion vi nun portas? Vi pli taŭgas je ĝi; kaj preter ĉiu okazo, via antaŭa vizaĝo perdiĝis.”

“Perdiĝis? Kiel?”

“Li kiu portis ĝin estis eksplodigita ĉi tiun nokton fare de la Verda Legio, estu ke Kraan konservu iliajn vivantajn cerbojn en acido!”

Edur turnis siajn bluajn okulojn al la krutaĵoj.

“Pro tio via aspekto nun estas polvo, nigra polvo,” Edur, en neregebla kolerego, paŝis antaŭen kaj batis al la dolĉe impertinenta vizaĝo. Sed Ĝavejn faris rapidan malantaŭan paŝon.

“Singardu, Edur, krom se mi mistraktu vin per magio. Eblas ke vi poste iru lambe marŝanta kaj saltanta kun korpo taŭga je via vizaĝo. Kaj via bela malhelharara knabino estus ludilo por demonoj.”

Edur regis sin kaj faris paŝon retroan, liaj okuloj bruletantaj.

“Ankaŭ mi havas magion, kaj eĉ sen tio mi vin batus silentige per la pugno antaŭ ol vi povus eldiri la unuan kadron de via sorĉo.”

“Ho, pri tio ni atendu,” kriis Ĝavejn, saltete dancanta for. “Ĉar mi havas sorĉeton de mirinda simpleco.” Dum Edur al ŝi eksaltis ŝi jam parolis sorĉeton. Edur eke haltiĝis mezpaŝe, liaj brakoj falis ambaŭflanke sen ajna volo, kaj li fariĝis estulo sen volo, ĉiom da lia volo ĉerpita per la parazite suĉa magio.

Sed Ĝavejn staris en precize la sama pozo, kaj ŝiaj grizaj okuloj rigardadis

senesprime. Nur T'sajs estis libera — ĉar T'sajs portis la runon de Pandelumo kiu reflektis magion retroen al tiu kiu ĝin sendis.

Ŝi staris konfuze en la malluma nokto, la du senmovaj figuroj starantaj kvazaŭ somnambuloj antaŭ ŝi. Ŝi kuris al Edur, tiris al ties brako. Li rigardis ŝin kun malatentaj okuloj.

"Edur! Kio misas je vi?" Kaj Edur, ĉar lia volo estis paralizita, tiel ke li devigiĝis respondi ĉiujn demandojn kaj obei ĉiujn ordonojn, respondis al ŝi.

"La sorĉistino parolis sorĉon kiu lasis min sen volo. Pro tio mi ne povas movi aŭ paroli sen ordono."

"Kion mi faru? Kiel mi savu vin?" enketis la maltrankviligita knabino. Kaj, kvankam Edur estis sen volo, li ankoraŭ tenis sian penson kaj pasion. Li povis doni al ŝi tian informon kian ŝi petis, kaj nenion plu.

"Vi devas ordoni min al agado kio venkos la sorĉistinon."

"Sed kiel mi sciu pri tiu ĉi agado?"

"Vi demandos kaj mi vin respondos."

"Nu, ĉu ne estus pli efike se mi ordonus, ke vi agu laŭ la direktoj de via propra cerbo?"

"Jes."

"Do faru tiel; agu en ĉiaj cirkonstancoj tiel kiel Edur mem estus aganta."

Jene en la mallumo de nokto la sorĉo de Ĝavejn la sorĉistino estis ĉirkaŭirita kaj nuligita. Edur regajnis la volon kaj kondutis laŭ sia normalaj inklinoj. Li alproksimiĝis al la senmova Gavejn.

"Ĉu vi timas min nun, sorĉistino?"

"Jes," diris Ĝavejn. "Mi ja timas vin."

"Ĉu veras, ke la vizaĝo kiun vi ŝtelis de mi nun estas nigra polvo?"

“Via vizaĝo estas en la nigra polvo de la eksplodigita demono.”

La bluaj okuloj rigardis ŝin senmove tra la longtruoj de la kapuĉo.

“Kiel mi regajnu ĝin?”

“Tio estas fortega magio, etendi en la pasintecon; kaj nun via vizaĝo estas pasintecaĵo. Magio pli forta ol la mia bezoniĝas, magio pli forta ol tio kion la sorĉistoj de Tero kaj demon-mondoj posedas. Mi scias pri nur du kiu fortas sufiĉe por fari muldon de la pasinteco. Unu nomiĝas Pandelumo, kiu loĝas en mult-kolora lando — ”

“Embeljono,” murmuris T’sajs.

“ — sed la sorĉdiro por vojaĝi al tiu ĉi lando forgesiĝis. Krome estas iu alia, kiu estas nenia sorĉisto, kiu scias nenian magion. Por rehavi vian vizaĝon, vi devas peti ĝin de unu el tiuj ĉi,” kaj Ĝavejn haltis, la demando de Edur jam respondita.

“Kiu estas la aliulo?” li demandis.

“Mi ne scias lian nomon. Antaŭ longe en la pasinteco, longe preter pensebleco, tiel diras la legendo, raso el justa popolo vivis en lando orienta de la Montaro Maŭrenrona, trans la Lando de la Falanta Muro, apud la bordo de grandega maro. Ili konstruis urbon el turpintoj kaj malaltaj vitraj kupoloj, kaj loĝadis kun multa kontenteco. Al tiu ĉi popolo dio mankis, kaj post iom ili sentis bezonon por unu kiun ili povu adori. Do ili konstruis lumbrilan templon el oro, vitro kaj granito, larĝan kiel la Rivero Skaŭm’ kie ĝi trafluas la Valon de Gravuritaj Tomboj, same grandan laŭ ĝia longo, kaj pli altan ol la arboj de la nordo. Kaj ĉi tiu popolo el honestaj homoj amasiĝis en la templo, kaj ĉiuj eksendis fortegan preĝon, adoran alvokon, kaj, tiel diras la legendo, dio muldita el la volego de tiu ĉi popolo ekestiĝis, kaj li estis el iliaj kvalitoj, dia ulo de absoluta justeco.

“La urbo eventuale disfalis, la templo fariĝis vitraj pecetoj kaj splitaĵoj, la popolo malaperis. Sed la dio ankoraŭ restas, fiksita por ĉiam ĉe la loko kie ties popolo lin adoradis. Kaj tiu ĉi dio havas povon preter magio. Al ĉiu kiu lin alfrontas, la dio elvolas kaj justo ekestiĝas. Pro tio malmultaj kuraĝas porti siajn vizaĝojn antaŭ tiu ĉi dio.”

“Do al tiu ĉi dio ni iros,” diris Edur kun makabra plezuro. “Ni tri, kaj ni tri alfrontos justecon.”

Ili reiris trans la stepo al la kabano de Edur, kaj li serĉis siajn librojn por trovi metodon kio transportos ilin al la praa loko. Vane; li havis nenian tian magion por komandi. Li turniĝis al Ĝavejn.

“Ĉu vi scias pri magio kapabla porti nin al tiu ĉi praa dio?”

“Jes.”

“Kio estas tiu ĉi magio?”

“Mi vokos tri flugilhavajn estulojn el la Feraj Montoj, kaj ili portos nin.”

Edur akre rigardis la blankan vizaĝon de Ĝavejn.

“Kian rekompencon ili postulas?”

“Ili mortigas tiujn kiujn ili portas.”

“Aĥ, sorĉistino,” eksklamis Edur, “eĉ kun via volo drogita viaj respondoj honestas trompe, vi provas malbonfari al ni.” Li staris ture super la belega fiaĵo de ruĝaj haroj kaj malsekaj lipoj. “Kiel ni vojaĝu al la dio senvundite kaj neatakite?”

“Vi devas meti la flugilhavajn estulojn sub bindiĝo.”

“Voku la aĵulojn,” Edur ordonis, “kaj metu ilin sub la bindiĝo; kaj bindu ilin per ĉiom da sorĉaĵoj kiom vi scias.”

Ĝavejn vokis la kreitulojn; ili surteriĝis per klapmovaj grandaj ledecaj flugiloj. Ŝi bindis ilin sub kontrakto de sekureco, kaj ili ĝemetis kaj stampis pro desapontiĝo.

La tri pozigis sin por rajdi, kaj la kreituloj portis ilin rapide tra la nokta aero, kio jam odoris je mateno.

Orienten, senĉese orienten. Sunleviĝis, kaj la malhela ruĝa suno balonumis malrapide supren en la malluman ĉielon. La nigra Montaro Maŭrenrona pasis sube;

kaj la nebula Lando de la Falanta Muro forlasiĝis malantaŭen. Sude estis la dezertoj de Almerio, kaj antikva mar-plafono postplenigita de ĝangalo; je nordo, la sovaĝaj arbaroj.

Dum tute la tago ili flugadis, super polvaj malplenejoj, sekaj klifoj, plua grandega montaro, kaj ĵus kiam venis sunsubiro ili malrapide glitis suben super verda parkego.

Antaŭe lumis multbrilera maro. La flugilhavaj aĵuloj surteriĝis ĉe larĝa strando, kaj Ĝavejn bindis ilin je movmalkapabolo por atendi ilian reiron.

La strando, la arbaro malantaŭa, je ambaŭ mankis ajna signo pri la mirinda urbo antikva. Sed je duono da mejlo marflanke leviĝis kelkaj rompitaj kolonoj.

"La maro venis," Edur murmuris. "La urbo sinkis."

Li vadis maren. La maro estis kalma kaj neprofunda. T'sajs kaj Ĝavejn sekvis. Kun la akvo ĉirkaŭ iliaj talioj, kaj krepusko malheliĝanta en la ĉielo, ili trairis la rompitajn kolonojn de la antikva templo.

Sombre medita etoso plenigis la lokon, senpasia, supermonda, el senlimaj volo kaj potenco.

Edur staris ĉe la mezo de la malnovega templo.

"Dio el la pasinteco!" li vokegis. "Mi ne scias pri kiel vi nomiĝas, aŭ mi vokus vin per la nomo. Ni tri venis de fora lando orienta por peti justecon de vi. Se vi aŭdas kaj administros al ni ĉiuj nian meritaĵon, komuniku per signo!"

Malalttona sibleca voĉo venis el la aero: "Mi aŭdas kaj donos al ĉiu sian meritaĵon." Kaj ĉiu vidis vidaĵon de ora ses-braka figuro kun ronda, kalma vizaĝo, sidanta senpasie en la navo de la giganta templo.

"Al mi senigiĝs la vizaĝo," diris Edur. "Se vi juĝas min merita, redonu la vizaĝon kiun mi antaŭe portis."

La dio de la vidaĵo etendis siajn ses brakojn.

"Mi serĉis vian menson. Justeco estos farata. Vi rajtas demeti vian kapuĉon."

Malrapide, Edur deprenis sian maskon. Li metis manon al la vizaĝo. Ĝi estis lia propra.

T'sajs alrigardis lin senemocie. "Edur!" ŝi anhelis. "Mia cerbo estas senmanka! — *Mi vidas la mondon!*"

"Al ĉiu kiu venas, justo fariĝas," diris la sibileca voĉo.

Ili aŭdis ĝemon. Ili turnis kaj rigardis al Ĝavejn. Kie la belega vizaĝo, la franga buŝo, la senmakula haŭto?

Ŝia nazo estis tri-falda skvermanta aĉaĵo, ŝia buŝo estis putriĝanta malkulaĵo. Ŝi havis pendantaj makulaj vangegoj kaj pinta nigra frunto. La sola restaĵo simila je Ĝavejn estis la longaj ruĝaj haroj pendantaj trans la ŝultroj.

"Al ĉiu kiu venas, justo fariĝas," diris la voĉo, kaj la vidaĵo templa fadis, kaj refoje la malvarmeta akvo de la krepuska maro ondetadis al iliaj talioj, kaj la rompitaj kolonoj klinis nigraj kontraŭ la ĉielo.

Ili reiris malrapide al la flugilhavaj estuloj.

Edur turniĝis al Ĝavejn. "Iru," li ordonis. "Flugu reire al via kaŝloĝejo. Kiam la suno subiros je morgaŭ, liberigu vin de la sorĉaĵo. Neniam maltrankviligu nin estontece, ĉar mi havas magion kiu avertus min kaj eksplodigus vin se vi proksimiĝus."

Kaj Ĝavejn senvorte suriris sian nigran kreitulon kaj flugilumis for tra la nokto.

Edur turniĝis al T'sajs, kaj ektenis ŝian manon. Li rigardadis malsupren al ŝia klinita blanka vizaĝo, en la okulojn brilantajn kun tia febra feliĉego ke ili ŝajnis bruli. Li kliniĝis kaj kisis al ŝi la frunton; poste, kune, manon en mano, ili aliris siajn malpacience atendantajn flugilhavajn kreitulojn, kaj tiel flugis revene al Askolajs.



# Liejn la Vojiranto

Tra la malhela arbaro venis Liejn la Vojiranto, marŝante laŭ la ombroplenaj maldensejoj kun kapriola, malpez-pieda paŝado. Li fajfis, li kantis, li montris sian animan ĝojon. Ĉirkaŭ fingro li girigis etan prilaboritan bronzan cirklaĵon gravuritan per angulaj densaj skribaĵoj, nun nigre makulitaj.

Per tre ega bonŝanco li ĝin estis trovinta, ĉirkaŭ-tenanta radikon de antikva taksuso. Ĝin liber-tranĉante, li ekvidis skribaĵojn sur la interna faco — krudaj fortaj simboloj, sendube la sorĉilaro de potenca antikva runo… Plej saĝe estus, ke li portu ĝin al magiisto, ke ĝi estu testata pri sorĉeco.

Liejn grimace ridetis. Argumentoj kontraŭis tian elekton. Foje ŝajnis kvazaŭ ĉiuj vivantaj estuloj konspiras por lin ĉagrenigi. Nur ĉi matene, la spic-vendisto — kian tumulton li faris mortante! Kiel senzorge li estis ŝsprucinta sangon sur la virkok-krestajn ŝuojn de Liejn! Tamen, pensis Liejn, ĉiu malplaĉaĵo kunportis rekompencon. Elfosante la tombon li trovis la bronzan ringon.

Kaj la animstato de Liejn tiam suprenflugis; li ridis en pura ĝojo. Li eksaltis, saltadis. Lia verda mantelo flagradis malantaŭ li, la ruĝa plumo en lia kapo briletis kaj pulsis… Sed tamen — Liejn malrapidigis sian paŝadon — li estis neniom pli proksima al solvo de la mistero de la magio, se magion la ringo posedis.

*Eksperimentu,* jen la vorto!

Li haltis kie la ruben-kolora sunlumo oblikvis malsupren sen obstaklo de alta foliaro, ekzamenis la ringon, sekvis la simbolojn per fingra ungo. Li trarigardis. Estis filmo apenaŭ videbla, flagreto? Li tenis ĝin je braka distanco. Klare, ĝi estis kroneto. Li detiris sian ĉapelon, metis la cirklon sur sian brovon, suprenruligis siajn grandajn orajn okulojn… Strange. Ĝi glitis malsupren ĝis liaj oreloj. Ĝi kliniĝis antaŭen preter liaj okuloj. Mallumo. Panike Liejn ĝin unge detiris… Bonza ringo, diametre granda je larĝo de mano. Strange.

Li provis refoje. Ĝi glitis malsupren ĉirkaŭ lia kapo, liaj ŝultroj. Lia kapo estis en la mallumo de stranga aparta spaco. Rigardante malsupren, li vidis, ke la bordo

de ekstera lumo malleviĝis kun la ringo.

Malrapide malsupren… Nun ĝi ĉirkaŭis liajn maleolojn — kaj en subita paniko, Liejn ektiris la ringon supren de ĉirkaŭ lia korpo, eniris palpebrumante la brun-ruĝan lumon de la arbaro.

Li vidis blu-blankan, verd-blankan flagradon kontraŭ la foliaro. Estis Tŭik-viro, rajdanta libelon, kun lumo flagre rebrile flagranta de sur la libelaj flugiloj.

Liejn alvokis akre, “Jen, sinjoro! Jen, sinjoro!”

La Tŭik-viro direktis sian rajdbeston por ke pi sidiĝu sur branĉeto. “Nu, Liejn, kion vi deziras?”

“Rigardu nun, kaj memoru tion kion vi vidos.” Liejn tiris sur si la ringon ĉe kape, malsuprenigis ĝin ĝis la piedoj, levis ĝin retroe supren. Li suprenrigardis la Tŭik-viron, kiu maĉadis folion. “Kaj kion vi vidis?”

“Mi vidis, ke Liejn malaperis de vivula rigard-kapablo — escepte de la ruĝaj kurbaj pintoj de liaj ŝuoj. Ĉio cetere estis tia kia aero.”

“Ha!” Kriis Liejn. “Pensu pri tio! Ĉu vi iam ajn vidis samaĵon?”

La Tŭik-viro demandis senzorge, “Ĉu vi havas salon? Mi volas havi salon.”

Liejn haltigis abrupte sian jubiladon, alrigardis detale la Tŭik-viron.

“Kiajn novaĵojn vi portas al mi?”

“Tri érboj mortigis Floreĝiz-on la Sonĝ-konstruiston, kaj rompis ĉiujn liajn bobelojn. La aero super la domego estis kolora dum multaj minutoj pro la disflugantaj fragmentoj.”

“Unu gramon.”

“Lordo Kandajv la Ora konstruis boategon el gravurita mó-ligno, alta je dek mezuroj, kaj ĝi flosas sur la Rivero Skaŭm’ cele al la ŝipkurado, plena de valoraĵoj.”

“Du gramojn.”

“Ora sorĉistino nomata Léta venis por vivi sur Herbejo Tambro. Ŝi estas kvieta kaj tre bela.”

“Tri gramojn.”

“Sufiĉe,” diris la Tŭik-viro, kaj kliniĝis antaŭen por rigardi dum Liejn pesis la salon en eta pesilo. Li pakis ĝin en etaj pend-poŝoj ambaŭflanke de la ripo-surfaca torako, ekflugigis la insekton aeren kaj abrupte forflugis tra la arbaraj volboj.

Fojon plu Liejn provis sian bronzan ringon, kaj ĉi foje tiris ĝin tute preter siaj piedoj, elpaŝis ĝin kaj suprenportis la ringon en la malumon tenante ĝin apud si mem. Kia mire bonega sekurejo! Truo kies enirejo povus esti kaŝata ene de la truo mem! Oni tiru malsupren la ringon ĝis siaj piedoj, enpaŝu, retiru ĝin supren ĉirkaŭ la korpo kaj eliru denove en la arbaron kun malgranda bronza ringo en sia mano.

“Ho! kaj nun mi foriru al Herbejo Tambro por vidi la belan oran sorĉistinon.”

Ŝia dometo estis simpla konstruaĵo el interplektitaj fragmitoj — malalta duonsfero kun du rondaj fenestroj kaj malalta pordo. Li ekvidis, ke Léta estis ĉe la lageto, nud-gamba inter la akvo-fragmitoj, ĉasante ranojn por sia vepermanĝo. Blanka kitela robo estis suprenfiksita strikte ĉirkaŭ ŝiaj kruroj; rigide senmove ŝi staris kaj la malhela akvosurfaco ondetis en cirkloj for de ŝiaj nedikaj genuoj.

Ŝi belis pli ol Liejn estus povinta imagi, kvazaŭ unu el la disigitaj bobeloj de Floreĝiz estus rompinta surakve ĉi tie. Ŝia haŭto estis pala kremo kirlite ora, ŝia hararo el ia pli densa oro. Ŝiaj okuloj estis tiaj, kiaj tiuj de Liejn mem, grandaj oraj globoj, kaj la ŝiaj estis larĝe apartaj, iomete klinitaj.

Liejn alpaŝis kaj starigis sin ĉe la ter-akva bordo. Ŝi suprenrigardis timetigita, ŝia matur-frukta buŝo duone malferma.

“Vidu, ora sorĉistino, jen Liejn. Li venis por bonvenigi vin al Tambro; kaj li ofertas al vi sian amikecon, sian amon…”

Léta kliniĝis suben, kuleris manplenon da ŝlimo el la ter-akva bordo kaj surĵetis ĝin al lia vizaĝo.

Kriante la plej violentajn blasfemojn, Liejn viŝis purige siajn okulojn, sed la pordo jam frape fermiĝis.

Liejn paŝis al la pordo, pugne martelegis sur ĝi.

“Malfermu kaj montru vian sorĉistinan vizaĝon, aŭ mi bruligos la dometon!”

La pordo malfermiĝis, kaj la junulino elrigardis, ridanta. “Kion nun?”

Liejn eniris la dometon kaj sin ĵetis al la virineto, sed dudek maldikaj stangoj al li akcelis, dudek pintoj pikantaj al lia brusto. Li haltis, brovoj levitaj, buŝo nervoze movetiĝanta.

“Masupreniĝu, ŝtaloj,” diris Léta. La tranĉiloj ekforiris de vido. “Tiel facile mi povus celi vian vivpovon,” diris Léta, “se mi estus volinta.”

Liejn malridetis kaj frotis sian mentonon kvazaŭ pensanta. “Vi komprenas,” li diris konvinkcele, “kiel stultas la konduto kiun vi faras. Liejn estas timita de tiuj kiuj timas timon, amata de tiuj kiuj amas amon. Kaj vi — ” liaj okuoloj aprezis la oran gloron de ŝia korpo “ — vi tiom maturas kiom dolĉa frukto, vi amemas, vi briletadas kaj tremblas pro ampleno. Vi plaĉas al Liejn, kaj li spezos multan varmetecon sur vi.”

“Ne, ne,” diris Léta, kun malrapida rideto. “Vi tro hastas.”

Liejn alrigardis ŝin kun surprizo. “Ĉu vere?”

“Mi estas Léta,” diris ŝi. “Mi estas ĉio kion vi diris. Mi fermentas, mi brulas, mi bolas. Malgraŭ tio mi povas havi nenian amanton krom tiu kiu estis al mi servinta. Li devas esti brava, rapida, ruza.”

“Mi estas li,” diris Liejn. Li mordadis sian lipon. “Ne kutime estas tiel ĉi. Mi malŝategas tiun ĉi sendecidemon.” Li antaŭiris je unu paŝo. “Venu, lasu ke ni — ”

Ŝi retropaŝis for. “Ne, ne. Vi forgesas. Kiel vi estis min servinta, kiel vi estis gajninta la rajton pretendi mian amon?”

“Absurdeco!” tondris Liejn. “Rigardu min! Atentu mian perfektan gracon, la belecon de miaj formo kaj vizaĝo, miaj grandaj okuloj, tiom oraj kiom la viaj, miaj

memevidentaj volo kaj povo… Estas vi kiu pli dece servus al mi. Mi insistas ke estu tiel.” Li malleviĝis por sidiĝi sur malalta klinseĝo. “Virino, donu al mi vinon.”

Ŝi kapneis. “En mia eta kupola domo ne eblas ke oni min perfortu. Eble ekstere, sur Herbejo Tambro — sed interne ĉi tie, inter miaj bluaj kaj ruĝaj kvastoj, kun dudek tranĉiloj el ŝtalo atendantaj mian vokon, vi devas obei min. Do elektu. Aŭ leviĝu kaj iru, por neniam reveni, aŭ konsentu ke vi min servos per unu eta misio, kaj poste havu min kaj ĉiom mian aman ardon.”

Liejn sidadis rekte kaj rigide. Stranga estulino, la ora sorĉistino. Sed, ja vere, ŝi valoris je iom da ekzerco, kaj li ŝin devigus pagi kontraŭ ŝia impertinenteco.

“Nu, akceptite,” li diris milde. “Mi vin servos. Kion vi deziras? Juvelojn? Mi povas sufoki vin en perloj, blindigu vin per diamantoj. Mi havas du smeraldojn tiom grandaj kiom via pugno, kaj ili similas al verdaj oceanoj, en kiuj la rigardo kaptiĝas kaj vagas senilime inter vertikalaj verdaj prismoj…”

“Ne, neniuj juveloj — ”

“Iun malamikon, eble. Ah, tiel simple. Liejn mortigos por vi dek homojn. Du paŝojn antaŭen, glavpuŝon — *tiel*!” Li antaŭsaltis. “Kaj spiritoj ekiros plenĝoje supren tiel kiel bobeloj en glaso da medo.”

“Ne. Mi deziras neniajn mortigojn.”

Li kliniĝis malantaŭen, malridetanta. “Kion do?”

Ŝi paŝis al la malantaŭo de la ĉambro kaj tiris al drapiraĵo. Ĝi svingiĝis flanken, montrante oran tapiŝon. La sceno estis de valo bordita de du krutaj montoj, larĝa valo tra kiu serena rivero fluadis, preterpasante kvietan vilaĝon kaj tiele en arbareton. Ora estis la rivero, oraj la montoj, oraj la arboj — oroj tiom variaj, tiom belplenaj, tiom subtilaj ke la efiko estis kvazaŭ multkolora pejzaĝo. Sed la tapiŝo estis krude fortranĉita en ĝia mezo.

Liejn trovis la ĉarmon deliriga. “Ekskvizite, ekskvizite…”

Léta diris, “Montriĝas la Magia Valo de Arivénto. La alian duonon oni de mi ŝtelis, kaj ĝia reakiro estas la servo kion mi deziras de vi.”

“Kie troviĝos la alia duono?” demandegis Liejn. “Kiu estas la fiulo?”

Nun ŝi rigardis lin stude. “Ĉu vi iam ajn aŭdis pri Ĉún? Ĉún la Neevitebla?”

Liejn konsideris. “Ne.”

“Li ŝtelis la duonon de mia tapiŝo, kaj pendigis ĝin en marmora halo, kaj tiu halo estas en la ruinaĵoj situantaj norde de Kajin.”

“Ha!” murmuris Liejn.

“La halo estas apud la Placo de Flustroj, kaj markiĝis pere de klina kolono kun nigra medaliono de fenikso kaj du-kapa lacerto.”

“Mi iras,” diris Liejn. Li malsidiĝis. “Unu tagon por iri al Kajin, unu tagon por ŝteli, unu tagon por reveni. Tri tagojn.”

Léta sekvis lin ĝis la pordo. “Singardu kontraŭ Ĉún la Neevitebla,” ŝi flustris.

Kaj Liejn forpaŝis fajfante, la ruĝa plumo saltetanta en lia verda ĉapelo. Léta rigardis lin, poste turniĝis kaj malrapide alproksimiĝis la oran tapiŝon. “Ora Arivénto,” ŝi flustris, “mia koro ploras kaj doloras sopire al vi…”



La Derno estas pli rapida, malpli dika rivero ol la Skaŭm, ĝia pli matura fratino fluanta pli sude. Kompare al la Skaŭm kiu fluas malstrebe tra larĝa valego, purpura pro ĉeval-floroj, makulite blanka kaj griza de disfalantaj kasteloj, la Derno tranĉis per sia fluo krutflankan kanjonon, superklinita de arbaraj klifoj.

Praa silika vojo de antaŭ longe sekvis la irejon de la Derno, sed nun la pavimo estas entranĉita de la rivera vagado, tiel ke Liejn, surpaŝanta la vojon al Kajin, foje devis forlasi la vojon kaj ĉirkaŭiri tra kreskaĵoj el dornoj kaj tub-gresoj kiuj fajfadis en la venteto.

La ruĝa suno, drivante trans la universo kiel maljuna viro rampanta al sia morto-lito, pendiĝis malalte apud la horizonto kiam Liejn atingis Porfiran Cikatron, transrigardis al blank-jura Kajin kaj la blua Golfo Sanrealo posta.

Tuj sube estis la bazaro, intermiksaĵo de budoj vendantaj frukton, tranĉaĵojn de pala viando, moluskojn el la ŝlima golfbordo, mallumajn botelojn da vino. Kaj la kvietaj homoj de Kajin moviĝis inter la budoj, aĉetantaj siajn vivtenaĵojn, portantaj tion sengarde al siaj ŝtonaj ĉambroj.

Post la bazaro situis aro da altaj ruinaj kolonoj, kvazaŭ rompitaj dentoj — gamboj de la stadiono konstruita ducent futojn super la grundo fare de Freneza Reĝo Ŝen; post tio, en arbareto de laŭroj, la vitreca kupolo de la palaco videblis, de kie Kandajv la Ora regis Kajinon kaj tiom multe da Askolajs kiom oni povis vidi de altrigardejo sur Porfira Cikatro.

La Derno, ne plu klara en sia fluaĵo, verŝadis tra retejo el mucidaj kanaloj kaj subteraj tuboj, kaj fine trasorbiĝis preter putriĝantaj kajoj enire al la Golfo Sanrealo.

Liton por la nokto, pensis Liejn; pritrakti la aferon je venonta mateno.

Li saltadis malsupren laŭ la zigzagaj ŝtupoj — tien, reen, tien, reen — kaj fine eniris la bazaron. Kaj nun li surmetis gravan aspekton. Liejn la Vojiranto ne estis nekonata en Kajin, kaj multaj estis sufiĉe malicaj por celi al li malbonon.

Li iradis sobre en la ombro de la Muro Pámono, turniĝis por trairi ŝtone pavimitan straton, ambaŭflankita de malnovaj lignaj domoj lumantaj per bruna koloro simila al malnova ŝtump-akvo en la radioj de la malsupreniranta suno, kaj tiele aliris etan placon kaj la altan ŝtonan facon de la Gastejo de l' Magiisto.

La gastigisto, malgranda grasa viro, malĝoj-okula, kun eta grasa nazo samforma je sia korpo, estis skrapanta cindrojn el la fajrujo. Li rektigis la dorson kaj rapidis por aliri la malantaŭon de la kontoro de sia eta alkovo.

Liejn diris, “Ĉambron, bone-ventita, kaj vespermanĝon el fungoj, vino kaj ostroj.”

La gastiganto riverencis humile.

“Certe, sinjoro — kaj kiel vi pagos?”

Liejn malsuprenĵetis ledan sankon, ĉi matene prenitan. La gastigisto levis siajn brovojn plezure je la bonodoro.

“La pistilitaj burĝonoj de la spáso-arbusto, portita de fora lando,” diris Liejn.

“Bonege, bonege… Vian ĉambron sinjoro, kaj vian vespermanĝon tuj prezentiĝos.”

Dum Liejn manĝis, kelkaj aliaj gastoj de la domo aperis kaj sidiĝis antaŭ la fajro kun vino, kaj la parolado grandiĝis, kaj temis pri sorĉistoj de la pasinteco kaj la grandaj tagoj de magio.

“Granda Fandeal konis sciaron nun-forgesitan,” diris unu maljuna viro kun hararo tinkturita oranĝe. “Li ligis blankajn fadenojn al la gamboj de paseroj kaj sendis ilin turniĝantaj laŭ lia propra direktado. Kaj kie ili trenis tiun magian plektaĵon, grandaj arboj aperis, pezaj de floroj, fruktoj, nuksoj, aŭ vezikoj de raraj likvoroj. Oni diras, ke tiele li plektis la Grandan Arbon Daŭ’ sur la bordo de Sánra Akvo.”

“Ha,” diris malgaja viro en vesto el malhelaj bluo, bruno kaj nigro, “tion ĉi mi povas fari.” Li elprenis fadenan peceton, fingre batis ĝin, girigis ĝin, diris kvietan vorton, kaj la vivpovo de la sorĉ-formilo fandis la fadeneton farante el ĝi ŝprucaĵon de ruĝa kaj flava fajro, kiu dancis, kurbiĝis, ekiradis tien kaj reen laŭ la tablo ĝis la magaja viro ĝin estingis per gesto.

“Kaj tion ĉi mi povas fari,” diris kapuĉita figuro en nigra mantelo surŝprucita de arĝentaj cirkloj. Li elprenis etan pleton, kuŝigis ĝin sur la tablon kaj ŝprucetigis en ĝi pinĉon da cindroj el la fajrujo. Li elprenis fajfilon kaj blovis klaran tonon, kaj de sur la pleto venis flagretantaj punktetoj, briletaj per la prismaj koloroj ruĝo, bluo, verdo, flavo. Ili suprendrivis ĝis futa alteco kaj disrompiĝis en ŝprucaĵo el brilaj koloroj, ĉiu laŭ bela steloformo, kaj ĉiu aparta rompiĝo sonis kun ripeto de la origina tono — la plej klara, plej pura sono en la mondo. La punkteroj fariĝis malpli multaj, la sorĉisto blovis malsaman tonon, kaj refoje la punktetoj drivis supren por rompiĝi en ŝprucon de gloraj ornamaj brilaĵeroj. Pluan fojon — pluan ŝvarmon da punktetoj. Fine la sorĉisto remetis sian fajfilon, viŝis purige la pleton, metis ĝin ene de sia mantelo kaj refariĝis silenta.

Nun la aliaj sorĉistoj sinpuŝis antaŭen, kaj baldaŭ la aero super la tablo svarmis de vidaĵoj, skuiĝis de sorĉaĵoj. Unu montris al la grupo naŭ novajn kolorojn de neimagebla ĉarmo kaj radia belo; alia kaŭzis buŝon aperi sur la frunto de la gastigisto por insultadi la ĉeestantaron, multe malkomfortigante la gastigiston,

pro tio ke la voĉo estis lia propra. Alia montris verdan vitran botelon el kiu la vizaĝo de demono rigardis kaj grimacis; alia montris globon el pura kristalo kiu rulis antaŭen kaj reen laŭ la direkto de la sorĉisto kiu ĝin posedis, kaj kiu proponis ke ĝi estis la orel-ringo de la fabela majstro Sankaferen.

Liejn atente rigardis ĉion, ridegis kun ĝojo pri la botele kaptita demoneto, kaj per pluraj rimedoj provadis trompe instigi la posedanton de la obeema kristalo al transdono, sen sukceso.

Kaj Liejn fariĝis malbonhumora, plendanta ke la mondo plenas de ŝton-koraj viroj, sed la sorĉisto kun la kristala orelringo restis indiferenta, kaj eĉ tiam kiam Liejn montris diskuŝige dek du pakaĵojn da rara spico li ankraŭ rifuzis apartiĝi de sia ludilo.

Liejn petegis, "Mi nur volas plaĉigi la sorĉistinon Léta."

"Plaĉigu ŝin do per la spico."

Liejn diris sensuspekte, "Vere, ŝi havas nur unu deziron, peceto de tapiŝo kiun mi devas ŝteli de Ĉún la Neevitebla."

Kaj tuj Liejn trovis sin inter-rigardanta aron de subite silentaj vizaĝoj.

"Kio kaŭzas tian tujan sobrecon? Nu, proprietulo, pli da vino!"

La sorĉisto kun la orelringo diris, "Se la planko malsekiĝus per vino ĝis la maleoloj — eĉ per la ege bongusta ruĝa vino de Tanvilkát — la plumba postsigno de tiu nomo ankoraŭ pezigus la aeron."

"Ha," ridis Liejn, "lasu ke nur gusto de tiu vino trapasi viajn lipojn, kaj la parfuma odoro forigos la tuton de memorkapablo."

"Vidu liajn okulojn," venis ia flustro. "Grandaj kaj oraj."

"Kaj rapidaj al vido," diris Liejn. "Kaj tiuj ĉi gamboj — rapidaj al kuro, tiel rapidemaj kiel stelbrilo sur la ondoj. Kaj tiu ĉi brako — rapida por stabi per ŝtalo. Kaj mia magio — kio provizas al mi fuĝejon ekster ĉia priscio." Li glutegis vinon el la botelo. "Nun atentu. Jen magio el la tagoj praaj." Li metis la bronzan cirklon super sian kapon, trapaŝis, prenis ĝin supren en la mallumon. Kiam li taksis la

tempopason sufiĉa, li elpaŝis ĝin refoje.

La fajro lumis, la proprietulo staris en sia alkovo, la vino de Liejn situis apude. Sed pri la kunstarantaj sorĉistoj, restis nenia signo.

Liejn ĉirkaŭrigardis kun nekompreno. “Kaj kie estas miaj sorĉistaj amikoj?”

La gastiganto turnis sian kapon. “Ili foriris al siaj ĉambroj; la nomo kiun vi diris pezis al ilia animoj.”

Kaj Liejn trinkis sian vinon en malrideta silento.



La venontan matenon li foriris la gastejon kaj elektis ĉirkaŭiran vojon al la Malnova Urbo — griza sovaĝejo el disfalintaj kolonoj, subenfleksitaj frontonoj kun dispeciĝintaj gravuraĵoj, pavimitaj terasoj superkovritaj de kreskaĵoj el rustkoloraj muskoj. Lacertoj, serpentoj, insektoj rampis tra la ruinaĵoj; nenian alian vivaĵon li vidis.

Serĉante traireblan vojon inter la ruinaĵoj, li preskaŭ stumblis sur mortintulo — la korpo de junulo, iu kiu rigardadis la ĉielon per malplenaj okulkavoj.

Liejn sentis ĉeestanton. Li saltis retroen, rapiro duone elingita. Kurbspina maljuna viro staris lin rigardanta. Li parolis per malforta, skua voĉo: “Kaj kion vi volas en la Malnova Urbo?”

Liejn remetis sian rapiron. “Mi serĉas la Placon de Flustroj. Eble vi min direktus.”

La maljunulo faris ranan sonon ĉe la malantaŭo de sia gorĝo. “Pluan? Pluan? Kiam ĉesos la afero…” Li indikis la mortintulon. “Tiu ĉi venis hieraŭ serĉanta la Placon de Flustroj. Li estus provinta ŝteli de Ĉún la Neevitebla. Viu lin nun.” Li turniĝis for. “Venu kun mi.” Li malaperis malantaŭ disfalaĵon el ŝtono.

Liejn sekvis. La maljuna viro staris apud alia korpo al kiu la okulkavoj estis lasite malplenaj kaj sangaj. “Tiu ĉi venis antaŭ kvar tagoj, kaj renkontis al Ĉún la Neevitebla… Kaj tiuloke malantaŭ la arĥaĵo estas kroma. Kaj tie — kaj tie — ” li

indikis, indikis. “Kaj tie — kaj tie — tiel kiel muŝoj prembatitaj.”

Li turnis siajn malsekajn bluajn okulojn refoje al Liejn. “Reiru, juna viro, reiru — aŭ via korpo kuŝos tie ĉi en ĝia verda mantelo por putriĝi sur la pavimŝtonoj.”

Liejn eltiris sian rapiron kaj svinge montris ĝin. “Mi estas Liejn la Vojiranto; tiu timu, kiu estus min ofendonta. Nu, kie troviĝas la Placo de Flustroj?”

“Ĉar vi insistas scii,” diris la maljunulo, “ĝi situas preter tiu rompita obelisko. Sed vi iros al ega danĝero.”

“Mi estas Liejn la Vojiranto. Danĝerego iradas kun mi.”

La maljunulo staris tiel kvazaŭ ekzemplero de vetere erodita statuo dum Liejn forpaŝadis.

Kaj Liejn demandis al si, supozu ke tiu maljunulo estus agento de Ĉún, kaj ĉimomente estus aliranta lin?… Estas saĝe ke oni ĉiel singardi. Li sursaltis altan tablaĵon kaj kaŭre kuris ree al tiu loko kie li estis lasanta la praulon.

Jen tiu venis, murmuranta al si, klinante al sia lam-bastono. Liejn faligis blokon de granito tiom granda kiom sia kapo. Frapo, gorĝa sono, elspirego — kaj Liejn turniĝis reiri laŭ sia vojo.

Li paŝadis preter la rompita obelisko por eniri larĝan korton — la Placo de Flustroj. Transe situis longa, larĝa konstruaĵo, markita de klina kolono kun granda nigra medaliono, la signo de fenikso kaj du-kapa lacerto.

Liejn sin kaŝis en ombro de muro, staradis observanta tiel, kiel lupo, vigle atenta por ajna flagro de ekmoviĝo.

Ĉio estis kvieta. La sunlumo aldonis mornan grandiozecon al la ruinaĵo. Ĉiuflanke, ĝis limo de okula percepto, videblis nur rompitaj ŝtonoj, senviva lando elĉerpita per mil pluvoj, tiel ke nun la homaĵeco tute forestas kaj la ŝtono unuiĝis kun la natura tero.

La suno moviĝis trans la malhele blua ĉielo. Liejn eventuale ŝteliris de sia observejo kaj ĉirkaŭiris la konstruaĵon. Nek iun nek signon vidis li.

Li alproksimiĝis la konstruaĵon de malantaŭe kaj premis sian orelon kontraŭ la ŝtono. Ĝi estis morte inerta, sen vibrado. Ĉirkaŭire laŭ la flanko — rigardanta supren, malsupren, al ĉiuj flankoj; fendo en la muro. Liejn enrigardadis la internon. Ĉe la malantaŭo pendis duono de ora tapiŝo. Krom tio la halo estis malplena.

Liejn rigardis supren, malsupren, al ia kaj alia flankoj. Troviĝis nenio en la vidkampo. Li pluiris ĉirkaŭ la halo.

Li alvenis alian rompitan ejon. Li enrigardis. Ĉe la malantaŭo pendis la ora tapiŝo. Nenio alia, dekstre, maldekstre, nenia vidaĵo aŭ sono.

Liejn pluiris al la enirejo de la halo kaj serĉis la alerojn; senvivaj kiel polvo.

Li havis senobstaklan vidkampon de la ĉambro. Sen io, malplena, krom per la fragmento de ora tapiŝo.

Liejn eniris, paŝanta per longaj molaj paŝoj. Li haltis en la mezo de la plafono. Lumo venis al li de ĉiuj flankoj krom la malantaŭa muro. Estis dek du malfermejoj tra kiuj eblis forkuri kaj nenia sono krom la nelaŭta martelado de lia koro.

Li faris du paŝojn antaŭen. La tapiŝo estis preskaŭ ĉe liaj fingropintoj.

Li paŝis antaŭen kaj rapide ektiris la tapiŝon malsupren de la muro.

Kaj malantaŭe estis Ĉún la Neevitebla.

Liejn kriegis. Li turniĝis sur paralizitaj gamboj kaj ili estis plumbaj, kiel gamboj en sonĝo kiuj rifuzas kuri.

Ĉún faliĝis el la muro kaj antaŭeniĝis. Sur lia rebrila nigra dorso li portis robon el okul-globoj surfadenigitaj per silko.

Liejn jam estis kuranta, rapide nun. Li eksaltis, preskaŭ flugis. La pintoj de liaj ŝuoj apenaŭ tuŝis la grundon. Elde la halo, trans la placo, en la sovaĝejon de rompitaj statuoj kaj falintaj kolonoj. Kaj malantaŭe venis Ĉún, kuranta kiel hundo.

Liejn rapidis laŭ la kresto de muro kaj risortis trans granda breĉego al rompitan fontanon. Malantaŭe venis Ĉún.

Liejn ekiris laŭ mallarĝa vojeto, grimpis super mason da forĵetaĵoj, malsupren en korton. Malantaŭe venis Ĉún.

Liejn rapidegis laŭ larĝa avenuo ambaŭflankita de kelkaj nanaj maljunaj cipres-arboj, kaj li aŭdis la sonon de Ĉún tuj proksima. Li turnis en arĥan pordon, prenis sian bronzan ringon ĉirkaŭ sia kapo, malsupren al siaj piedoj. Li trapaŝis, prenis la magian ringon supren en la mallumon. Azilo. Li estis izolita en malhela magia loko, malaperinta de tera rigard- kaj sci-povo. Daŭra silento, senviva loko…

Li sentis movetiĝon de malantaŭe, elspiron de aero. Ĉe lia kubuto voĉo diris, “Mi estas Ĉún la Neevitebla.”



Léta sidadis sur sia klinseĝo apud la kandeloj, plektanta ĉapelon el ranaj haŭtoj. La pordo de ŝia dometo estis barita per stango, la fenestro-ŝutoj fermitaj. Ekstere, Hebejo Tambro restis en mallumo.

Skrapsono ĉe ŝia pordo, grinca sono kiam la seruro estis provita. Léta rigidiĝis kaj rigardadis al la pordo.

Voĉo diris, “Ĉivespere, O Léta, ĉivespere estas du longaj brilaj fadenoj por vi. Du ĉar la okuloj estis tiom bonaj, tiom grandaj, tiom oraj…”

Léta sidadis kvieta. Ŝi atendis horon; poste ŝtelirante al la pordo, ŝi aŭskultadis. La sento de proksimeco estis for. Rano blekis de proksime.

Ŝi malrapidege malfermetis la pordon, trovis la fadenojn kaj fermis la pordon. Ŝi kuris al sia ora tapiŝo kaj ĝustigis la fadenojn en la displektitaj interkrucoj.

Kaj ŝi rigardadis al la ora valo, dolorigita per sopiro al Arivénto, kaj larmoj malkarigis al ŝi vidon de la paca rivero, la kvieta ora arbaro. “La teksaĵo malrapide plilarĝiĝas… Iun tagon ĝi estos finita, kaj mi povos veni hejmen…”



# Ulen Dor Finigas Sonĝon

Princo Kandajv la Ora parolis serioze al sia nepo Ulen Dor. “Necesas esti komprenate, ke pligrandiĝo de la metio kaj novaj ekscioj estu kunhavaĵoj inter ni ambaŭ.”

Ulen Dor, svelta junulo, kun plej nigraj haroj, okuloj, kaj brovoj, ridetis ĉagrenite. “Sed estos nur mi sola kiu transvojaĝos la akvon forgesitan, mi kiu devos subenbatadi la mardemonojn per propra remilo.”

Kandajv kliniĝis al siaj kusenoj kaj frapetis la nazon per stangetpinto el pura jado.

“Kaj estas mi kiu ebligas la vojaĝon. Krome, mi jam estas plensukcesa sorĉisto; la ampleksiĝo de sciaĵoj nur plibonigetas la mian metion. Vi, ne eĉ novico, gajnos sciaron tian kia levos vian rangon al membriĝo inter la magiistoj de Askolajs. Jen tre granda leviĝo el de via nuntempa senefika rango. Laŭ tiela rigardo, la gajno mia malmultas, la via grandegas.”

Ulen Dor grimacis. “Sufiĉe prave, tamen mi pridisputas la vorton ‘senefika’. Mi scias pri la Kritiko de la Malvarmo de Fandeal, oni agnoskas min mastro de la glavo, rangita inter la Ok Delafasanoj kiel…”

“Fa!” ridaĉis Kandajv. “La tede malspritaj manieroj de pala popolo, eluzantaj siajn vivojn. Fidanca murdado, troeleganta diboĉado, dum Tero trapasas siajn lastajn horojn, kaj neniu el vi ankoraŭ veturis eĉ unu mejlon for de Kajin.”

Ulen Dor tenis silenta la langon, rememorante ke Princo Kandajv la Ora mem ne famis pro sia refuzado al la plezuroj de vino, litseĝo, aŭ tablo; kaj ke ties propra plej fora iro el la kupolan palacon portis lin al ties gravurita barĝo sur la Rivero Skaŭm’.

Kandajv, plaĉita pri la silento de Ulen Dor, portis antaŭen eburan skatolon. “Tiel kaj tial. Se ni interkonsentas, mi provizos al vi per scioj.”

Ulen Dor kapjesis. “Ni interkonsentas.”

Kandajv diris, “La misio portos vin al la perdita urbo Ampridatvro.” Li rigardadis la vizaĝon de Ulen Dor el flankenturnitaj okuloj; Ulen Dor tenadis senemocian esprimon.

“Mi neniam vidis ĝin,” daŭrigis Kandajv. “Pórrino la Naŭa listigas ĝin kiel la lastan el la urboj de la Olek’hnit-a popolo, situanta sur insulo en la maro Norda Melantino.” Li malfermis la skatolon. “Tiun ĉi rakonton mi trovis en malnovega aro da volvlibroj–la testamento de poeto kiu fuĝis el Ampridatvro post la morto de Rogol Domedonfors, ilia lasta estrego, magiisto kun grandega potenco, menciita kvardek-tri fojojn en la Enciklopedio…”

Kandajv elprenis kraketantan volvlibron, kaj vipe malfermante ĝin, legis:

Ampridatvro nun perdiĝas. Mia popolo jam forlasis la doktrinon de fortiko kaj disciplino kaj koncerniĝas nur pri superstiĉo kaj teologio. Senĉesa estas la disputado: Ĉu Panisu estas la bonega principo kaj Kazdal perversa, aŭ ĉu Kadzal la virta dio kaj Panisu la esenca malbono?

Tiuj ĉi demandoj debatiĝas per fajro kaj ŝtalo, kaj la memoro naŭzas min; nun mi lasas Ampridatvron je tiu malkreskiĝo kiu ja certe sekvos, kaj transloĝiĝos al la mildan valon Mel-Palusaz, kie mi elspezos tiun ĉi lampiran vivon mian.

Mi konis la Ampridatvron antaŭan; mi vidis la turojn brilantajn per mirindaj lumoj, sendantaj lumstriojn tra la nokto por defii la sunon mem. Tiam Ampridatvro estis bela — ho! Mia koro doloras kiam mi pensas pri la malnova urbo. Sémir-vinoj etendiĝis suben de mil pendantaj ĝardenoj, akvo fluis blue kiel váŭl-ŝtono en la tri kanaloj. Metalaj veturiloj ruladis sur la stratoj, metalaj ĉaroj tiel svarmis en la aero kiel abeloj ĉirkaŭ abelujo — por la mirindaĵo supera el ĉiuj mirindaĵoj, ni estis ellaborintaj plektaĵojn el ŝpruca fajro por defii la pezan povon de Tero… Sed eĉ dum la mia vivo mi vidis la elĉerpiĝon de spriteco. Lumo, varmeco, nutraĵo, akvo, estis senpagaj al ĉiuj homoj, kaj gajnitaj kontraŭ minimuma strebo. Sekve la popolo de Ampridatvro, liberigitaj de ĉia laboro, donis ĉiam plian atenton al modoj, perversoj, kaj okultismo.

Ĝis mia plej frua memoro, Rogol Domedonfors estris la urbon. Li lertis pri metioj el ĉiuj epokoj, sekretoj pri fajro kaj lumo, gravito kaj

kontraŭ-gravito, la sciencо de superpsika numerado, metatásmo, korolópso. Spite al lia profundeco, li estis malpraktika je sia estrado, kaj blinda al la moliĝado de la Ampridatvran spiriton. Pri tia malfortikeco kian li vidis, li konsideris, ke estis pro manko de edukado, kaj en liaj lastaj jaroj li evoluigis grandegan maŝinon por liberigi homojn dis de ĉia laboro, kaj tiel permesi plenan libertempon por meditado kaj asketa disciplino.

Dum Rogol Demedonfors prilaboradis sian grandan kreaĵon, la urbo disiĝis en ĥaoson — rezulto de strangega religia histerio.

La rivalaj sektoj de Pansju kaj Kadzal jam delonge ekzistadis, sed malmutaj krom la pastroj atentis la disputon. Subite la kultoj fariĝis laŭmodaj; la poplo amasiĝis por adori aŭ unu aŭ la alia el la dioj. La pastroj, jam longe ĵaluzaj rivaloj, sentis grandegan plaĉiĝon pro sia nova povo, kaj admonis ambaŭ sian sektanaron al fanatika fervoro. Disputoj leviĝis, emocio grandiĝis, okazis tumultado kaj violento. Kaj je unu malbona tago ŝtono frapis al Rogol Domedonfors, faligis lin de balkono.

Kripligita kaj plimalsaniĝinta sed rifuzanta sian morton, Rogol Demedonfors plenumis sian subteran meĥanismon, instalis vestiblojn multloke tra la urbo, kaj poste aliris sian mortliton. Li eldiris unu ordonon al sia nova maŝino, kaj kiam Ampridatvro vekiĝis postamatene, la popolo tiam trovis ke sia urbo estis sen kaj energio kaj lumo, la fabrikoj kvietaj, la kanaloj forfluigitaj.

En teruro ili rapidis al Rogol Domedonfors, kiu diris: “Longe mi blindis al via dekadenco kaj strangaĵoj; nun mi malestimas vin; vi fariĝis kaŭzo de mia morto.”

“Sed la urbo mortas! La gento pereas!” ili kriis.

“Vi devas savi vin mem,” Rogol Demondonfors diris ilin. “Vi ignoradis la antikvan saĝaĵon, vi fariĝis tro pigraj por studi, vi serĉis facilan komplezon de religio, anstataŭ alfronti kuraĝe la mondon. Mi decidegis trudi al vi amaran spertaĵon, kion mi esperas, provos boninstruan.”

Li vokis al la rivalaj pastroj de Pansju and Kazdal, kaj mane transdonis al ĉiuj tabulon el travidebla metalo.

“Ĉi tiuj tabuloj unuope malutilas; kuŝitaj kune, mesaĝo povas leĝiĝi. Tiu kiu legus la mesaĝon ekhavos la ŝlosilon de antikva lertaĵo, kaj ordonpovus tiun potencon kiun mi celigis je la propra uzo. Nun iru, kaj mi mortos.”

La pastroj, rigardantaj minace unu la alian, foriris, vokis siajn anojn, kaj tiel komencis grandegan militon.

La korpo de Rogol Demedonfors neniam troviĝis, kaj kelkaj diras ke lia skeleto ankoraŭ kuŝadas en la koridoroj sub la urbo. La tabuloj situas ŝirmitaj en la rivalaj temploj. Nokte okazas murdoj, tage okazas malsatmortiĝo en la stratoj. Multaj fuĝis al la kontinenton, kaj nun mi sekvas, forlasante Ampridatvron, la lastan hejmon de la gento. Mi konstruos lignan kabaneton sur la klinflanko de Monto Liu kaj travivu miajn tagojn en la valo Mel-Palusaz.

Kandajv volvis la volvlibron kaj remetis ĝin en la skatolon. “Via tasko,” li diris al Ulen Dor, “estas veturi al Ampridatvro kaj akiri la magion de Rogol Domedonfors.”

Ulen Dor diris pensoplene, “Estis longe antaŭe… Milojn da jaroj…”

“Ĝuste,” diris Kandajv. “Tamen, neniu el la historioj aŭ indekso mencias plu pri Rogol Domendonfors, kaj tial mi kredas ke la saĝo de Rogol Domendonfors ankoraŭ daŭras por esti trovata en antikva Ampridatvro.”



Tri semajnojn Ulen Dor navigadis sur la apatia oceano. La suno leviĝis brila kiel sango de la horizonto kaj arĥis trans la ĉielo; kaj la akvo kalmis, krom pro ondetoj faritaj de la venteto kaj la du pliapartiĝintaj: La pli juna viro signoj de la postboata ondaro.

Poste venis la sunsubiro, la lasta malgaja rigardo al la mondo; poste purpura krepusko kaj la nokto. La malnovaj steloj traplenigis la ĉielon kaj la postboata ondaro malantaŭa montriĝis morte blanka. Tiam li rigardadis la hulojn de la surfaco ĉar li sentis sin ege sola sur la malluma faco de la oceano.

Tri semajnojn Ulen Dor navigadis la Golfon Melantino, norden kaj

okcidenten, kaj iun matenon li vidis dekstre la ombron de landlimo kaj maldekstre la maltrankvilige malklaran altformon de insulo, preskaŭ nevidebla pro nebuleco.

Proksime for de la pobo flosis maleleganta barĝo, moviĝanta peze sub kvadrata velo el plektitaj fragmitoj.

Ulen Dor navigis sian boaton por veturi apude, kaj vidis sur la barĝo du virojn en malglataj verdaj kiteloj trenlogante por kapti fiŝojn. Ili havis avene flavetajn harojn kaj bluajn okulojn, kaj ili montris esprimojn de stultigita surprizo.

Ulen Dor lasis fali sian velon kaj ektenis per mano la barĝon. Li fiŝkaptistoj nek movis nek parolis.

Ulen Dor diris, “Vi ŝajnas nefamiliaraj pri la vido de homoj.”

La pli maljuna viro komencis nervozan ĉanton kiun Ulen Dor komprenis defenda preĝo kontraŭ demonoj kaj frîtoj.

Ulen Dor ridis. “Kial vi kontraŭpreĝas min? Mi estas viro simila je vi mem.”

La pli juna viro diris en plata dialekto: “Ni rezonas, ke vi estas demono. Unue, ekzistas neniu el nia gento kun nokte nigraj haroj kaj okuloj. Due, la Vorto de Pansju rifuzas la ekzistecon de ĉiuj aliaj viroj. Sekve, vi povas esti nenia viro, kaj devas esti demono.”

La pli maljuna viro diris malantaŭ sia mano, “Tenu kvieta la langon; parolu nenian vorton. Li malbenos la tonojn de via voĉo…”

“Vi malpravas, mi certigas vin,” respondis Ulen Dor ĝentile. “Ĉu iu el vi iam ajn vidis demonon?”

“Neniujn krom la Gaŭnoj.”

“Ĉu mi similas al la Gaŭnoj?”

“Neniel,” agnoskis la pli maljuna viro. Lia kunulo indikis la malhele skarlatan jakon kaj verdan pantalonon de Ulen Dor. “Li evidente estas Rabmisiisto; priatentu la kolorojn de liaj vestoj.”

Ulen Dor diris, “Ne, mi estas nek Rabmisiisto nek demono. Mi nur estas homo…”

“Neniuj viroj ekzistas krom la Verduloj — tiel diras Pansju.”

Ulen Dor klinis eke malantaŭen la kapon kaj ridis. “Tero estas nur sovaĝejoj kaj ruinoj, ja vere, sed multaj viroj ankoraŭ marŝas sur ĝi… Diru al mi, ĉu la urbo Ampridatvro troveblas sur tiu insulo antaŭa?”

La pli juna viro kapjesis.

“Kaj vi loĝas tie?”

Refoje la juna viro jesis.

Ulen Dor diris senkomforte, “Mi komprenis, ke Ampridatvro estis senhoma ruino — forlasita, antikve malplena.”

La juna viro demandis kun kalkula esprimo, “Kaj kion vi serĉas ĉe Ampridatvro?”

Ulen Dor pensis, mi mencios la tabulojn kaj observos ilian reagon. Estus bone lerni pri tio, ĉu ĉi tabuloj estas konataj, kaj se tiel, kiel oni ilin rigardas. Li diris, “Mi jam veturis tri semajnojn por trovi Ampridatvron kaj enketi pri iuj tabuloj el legendo…”

“Ho,” diris la pli maljuna viro. “La tabulojn! Li estas Rabmisiisto, do. Mi vidas tion klare. Atentu lian verdan pantalonon. Rabmisiisto por la Verduloj…”

Ulen Dor, atendante malamikecon rezulte de tiu ĉi identiĝo, surpriziĝis pro trovi plaĉajn esprimojn sur la vizaĝoj de la viroj, kvazaŭ ili ĵus solvis probleman paradokson. Nu bone, li pensis, se ili volas ke estu tiel, lasu esti.

La pli juna viro deziris plenan klarecon. “Ĉu tiel vi deklaras, malhela viro? Ĉu vi portas ruĝon kiel rabmisiisto por la Verduloj?”

Ulen Dor diris singarde, “Miaj planoj ne plene decidiĝis.”

“Sed vi portas ruĝon! Tio estas la koloro kion portas la rabmisiistoj!”

Ĉi tie estas strange disrompita pensmaniero, pensis Ulen Dor. Preskaŭ estas kvazaŭ roko blokas la fluadon de ilia pensado kaj deflankigas la kurenton en ŝprucon kaj nebulon. Li diris, “Kie mi devenas, tie viro portas tiajn kolorojn kiajn li mem elektas.”

La pli maluna viro fervore diris, “Sed vi portas Verdon, do evidente vi elektis misie rabi por la Verduloj.”

Ulen Dor gestis ŝultroleve, sensante la blokon kiu kontraŭas mensan kanalon. “Laŭ via plaĉo… Kiujn aliajn ekzistas?”

“Neniajn, neniujn aliajn,” respondis la pli maljuna viro. “Ni estas la Verduloj de Ampridatvro.”

“Nu — kiun Misiisto rabas?”

La pli juna viro moviĝis senkomforte kaj entiris sian fadenon. “Li rabas ruinan templon de la demono Kazdal, por la perdita tabulo de Rogol Domedonfors.”

“Tiukaze,” diris Ulen Dor, “mi eble fariĝus Rabmisiisto.”

“Por la Verduloj,” diris la maljunulo, alrigardante lin flanke.

“Sufiĉe, suriĉe,” diris la alia. “La suno jam pasis la zeniton. Decas ke ni hejmeniru.”

“Jes, ja,” diris la alia viro, kun subita energio. “La suno falas.”

La plijuna viro rigardis al Ulen Dor. “Se vi proponas rabi, decas ke vi venu kun ni.”

Ulen Dor ĵetis ŝnuron al la barĝo, tiel kunigante la puŝforton de sia velo al tiu de la plektitaj fragmitoj, kaj ili turnis siajn pobojn al la insula bordo.

Estis tre bele, transirante la sunlumajn posttagmezajn hulojn alire al la arbara insulo, kaj dum ili rondiris la orientan kabon, Ampridatvro aperis al vido.

Linio de malaltaj konstruaĵoj frontis la havenon, kaj malantaŭe leviĝis turoj tiaj kiajn Ulen Dor neniam imagis, ke povis ekzisti — metalaj pintturoj

etendiĝegantaj preter la alteco de la insulo mem por briletadi en la lumo de la subiranta suno. Tiaj urboj estis legendaĵoj el la pasinteco, sonĝoj pri tempo pri tiam kiam la Tero estis juna.

Ulen Dor rigardadis teorie al la barĝo, al la malmolaj verdaj manteloj de la fiŝkaptistoj. Kial ili estas kruduloj? Ĉu li mem fariĝus objekto priŝercinda pro tiel alveni la brilan urbegon? Li turniĝis maltrankvile al la insulo, mordante la lipojn. Laŭ Kandajv, Ampridatvro devus esti ruino el faliĝintaj turoj kaj rublo, kiel la Malnova Urbo super Kajin…

La suno falis kontraŭ la akvon, kaj nun Ulen Dor, kun subita ŝoko, atentis pri la rublaĵo ĉe turaj bazoj; jen tio atendita, tiom multe da forlaseco kiom Kandajv estis prognozinta. Strange, la fakto donis al Ampridatvro plian majestecon, tian dignecon kian havas perdita monumento.

La vento jam plimildiĝis, la antaŭiradon de la boato kaj barĝo estis ja malrapida. La fiŝkaptistoj montris signojn de maltrankvilo, murmurantaj inter si, ĝustigantaj sian velon por plibone kapti la venton, plistriktigantaj la stajojn. Sed antaŭ ol ili flosis enen preter la moleo, purpura krepusko jam falis transkovrante la urbon, kaj la turoj fariĝis grandegaj nigraj monolitoj. En la preskaŭa mallumo ili ligis al kajo el arbostangoj, inter aliaj barĝoj, kelkaj farbitaj verde, aliaj grize.

Ulen Dor saltis al la kajon. “Momenton,” diris la plijuna fiŝkaptisto, rigardante la ruĝan jakon de Ulen Dor. “Estus malsaĝe, ke vi portus tiajn vestojn, eĉ je nokto.” Li mane traserĉis skatolon kaj elprenis verdan pelerinon, kadukan kaj fiŝe fiodoran. “Portu tion ĉi, kaj tenu la kapuĉon por kovri viajn nigrajn harojn…”

Ulen Dor obeis kun privata grimaco. Li demandis, “Kie povas mi manĝi kaj kuŝi ĉinokte? Ĉu estas hoteloj aŭ gastejoj en Ampridatvro?”

La plijuna viro diris sen entuziasmo, “Vi rajtas trapasi la nokton ĉe mia halo.”

La fiŝkaptistoj pendigis la kaptitaron trans la ŝultrojn, surpaŝis la kajon, kaj rigardegis maltrankvile tra la ruboj.

“Vi maltrankvilas,” observis Ulen Dor.

“Ja,” diris la pli juna viro. “Je nokto la Gaŭnoj travagas la stratojn.”

“Kioj estas la Gaŭnoj?”

“Demonoj.”

“Ekzistas multaj specoj el demonoj,” Ulen Dor diris facile. “Kiaj estu ĉi tiuj?”

“Ili similas al hororaj viroj. Ili havas grande longajn brakojn kiuj kroĉas kaj disŝiras…”

“Ho!” murmuris Ulen Dor, palpante la tenilon de sia glavo. “Kial vi permesas al ili vagadon?”

“Ni ne povas vundi ilin. Ili estas sovaĝaj kaj fortikaj — sed feliĉe, ne tre lertmovaj. Kun bonŝanco kaj atentemo…”

Ulen Dor nun serĉe rigardis la rubon kun esprimo tiom zorga kiom tiuj de la fiŝkaptistoj. Ĉi tiuj homoj estis familiaraj pri la danĝeroj de la loko; li estos obeanta iliajn konsilojn ĝis tiam kiam li mem saĝos pli.

Ili iris fadene inter la unuaj disaĵoj de ruinaroj, eniris kanjonon ombritan per la postlumo post pintturoj ambaŭflankaj, plenan de mallumo.

Morteco! pensis Ulen Dor. La loko estis sub tavolo el polva morto. Kie estis la viglaj milionoj de antaŭlonga Ampridatvro? Morta polvo, ilia akveco estante intermiksita en la oceano, apud tio de ĉiu alia viro kaj virino kiu iam vivis sur Tero.

Ulen Dor kaj la du fiŝkaptistoj moviĝis laŭ la avenuo, pigmeaj figuroj vagantaj ŝonĝourbon, kaj Ulen Dor rigardis malvarme flankon je flanko… Princo Kandajv estis parolanta prave. Ampridatvro estis la difina ekzemplero de antikveco. La fenestroj gapis nigre, betono jam fendiĝis, balkonoj pendis freneze, terasoj surhavis montetojn da polvo, stratoj pleniĝis de rubaĵo — blokoj da ŝtono de falintaj kolonoj, dispremita kaj frapita metalo.

Malgraŭ tio, Ampridatvro ankoraŭ moviĝis kun stranga senĉesa viveco kie la konstruistoj estis uzintaj senaĝan materialon, eternajn energiojn. Strioj da malhela briletanta materialo fluis kiel akvo ambaŭflanke de la strato — malrapide ĉe la randoj, rapide ĉe la centro.

La fiŝkaptistoj paŝis kun ĉiutaga maniero sur tiun strion, kaj Ulen Dor delikate

sekvis ilin al la rapidan centron. “Mi vidas, ke vojoj fluas kiel riveroj en Ampridatvro,” li diris. “Vi nomas min demono; fakte mi kredas, ke la ganto portiĝas sur la alia mano.”

“Ne estas magiaĵo,” diris la pli juna viro post nelonge. “Estas nur la kutima afero de Ampridatvro.”

Po regulaj interspacoj laŭ la strato staris ŝtonaj vestibloj ĉirkaŭ dek futojn altaj kiuj havis aspekton de ŝirmaj ramploj kondukantaj sub la straton.

“Kio troviĝas sube?” demandis Ulen Dor.

La fiŝkaptistoj gestis ŝultroleve. “La pordoj estas firmaj. Neniu viro iam ajn trairis. Legendo diras, ke firmigi ilin estis la fina farado de Rogol Domedonfors.”

Ulen Dor detenis sin je pluaj demandoj, observante kreskantan nervozecon en la fiŝkaptistoj. Infektita de ilia antaŭtimo li pozadis la manon ĉe sia ganto.

“Neniuj vivas en ĉi tiu parto de Ampridatvro,” diris la maljuna fiŝkaptisto en raŭka flustro. “Ĝi estas antikva preter imagkapablo, plena de fantomoj.”

La stratoj kondukis al centra placo, la turoj apartiĝis antaŭ ili en tiu spaco. La glitanta strio malrapidiĝis haltiĝe, kvazaŭ akvo enfluanta basenon. Ĉi tiel lumis la unua artefarita lampo kiun ekvidis Ulen Dor — brila globo pendanta de volvforma metala fosto.

En tiu lumo Ulen Dor vidis junulon en griza mantelo haste transirantan la placon… Estis moviĝo inter la ruinaĵoj; la fiŝkaptistoj aĥis, ekkaŭris. Kreitulo mortintule pala risorte eksaltis en la lumon. Ĝiaj brakoj pendis nodecaj kaj longaj; malpura felo kovris ties gambojn. Grandaj okuloj rigardegis el pinta, funge blanka kranio; du dentegoj pendis super antaŭpuŝa mandiblo. Ĝi sursaltis al kompatindulon grize vestitan kaj puŝmetis lin sub la brakon; poste, turniĝante, donis esprimon minace triumfan al Ulen Dor kaj la fiŝkaptistoj. Kaj nun ili vidis, ke la viktimo estis virino…

Ulen Dor elprenis sian glavon. “Ne, ne!” flustris la pli maljuna viro. “La Gaŭno laŭiros sian vojon!”

“Sed la virino kiun ĝi kaptis! Ni povas savi ŝin!”

"La Gaŭno estas kaptinta neniun." La maljuna viro alkroĉis lin je la ŝultro.

"Ĉu vi blindas, viro?" kriis Ulen Dor.

"Loĝas neniuj en Ampridatvro krom la Verduloj," diris la plijuna viro. "Restu ĉŭ ni."

Ulen Dor hezitis. Ĉu la virino en grizaĵoj, do, fantomo? Se jes, kial la fiŝkaptistoj ne tiel diris?… La Gaŭno, kun impertinenta malhasteco, marŝadis la longa konstruaĵo el malhelaj disfalintaj arkoj.

Ulen Dor kuris trans la blanka placo de antikva Ampridatvro.

La monstro tordiĝis por fronti lin kaj ĵetis grandan nodecan brakon, tiel longan kiel viro altas, finiĝantan en blank-fela nodo da fingroj. Ulen Dor hak-svingis grandegan alfrapon per sia glavo; la antaŭbrako de la Gaŭno pendis per peceto da karno kaj osta ŝplitaĵo.

Saltante malantaŭen por eviti la ŝprucon de sango, Ulen Dor kurbiĝis por ekteni la alian brakon dum ĝi preterpasis. Li hakis refoje, plua grandega alfrapo, kaj la dua antaŭbrako ekpendiĝis malstrikte. Li risortis proksimen, plonĝigis sian glavon al la okulo de la kreitulo kaj atakis supren en la kranion de la bestulo.

La kreitulo mortis dum serio da sovaĝaj saltiroj, frenezaj agonioj kiuj portis lin ĉirkaŭen laŭ la placo.

Ulen Dor, anhelante, baraktante kontraŭ naŭzo, ekrigardis suben al la surpriz-okula virino. Ŝi estis leviĝanta por stari sur la piedojn. Li etendis brakon por helpi ŝin stabiliĝi, observante ke ŝi estis svelta kaj juna, kun blondaj haroj pendantaj malstrikte ĝis la nivelo de la mandiblo. Ŝi havis plaĉan, belan vizaĝon, pensis Ulen Dor — malkaŝeman, klar-okulan, senkulpecan.

Ŝajnis, ke ŝi ne atentis lin, sed staris duone turniĝinta for, volvante sian mantelon ĉirkaŭ si. Ulen Dor komencis timi ke la ŝoko estis afektinta al ŝi la menson. Li moviĝis antaŭe kaj rigardis rekte ŝian vizaĝon.

"Ĉu vi sanas? Ĉu la besto vundis vin?"

Surprizo ekmontriĝis sur ŝia vizaĝo, preskaŭ kvazaŭ Ulen Dor estis plua

Gaŭno. Ŝia rigardo ekis al lia verda mantelo, rapide moviĝis reen al lia vizaĝo, liaj nigraj haroj.

"Kiu … estas vi?" ŝi flustris.

"Fremdulo," diris Ulen Dor, "kaj multe konfuzita pro la kutimoj de Ampridatvro." Li rigardis serĉe por la fiŝkaptistoj; ili nenie videblis.

"Fremdulo?" la knabino demandis. "Sed la unua Instruaro de Kadzal diras al ni ke la Gaŭnoj jam detruis ĉiujn homojn krom la Grizuloj de Ampridatvro."

"Kazdal tiom eraras kiom Pansju," rimarkis Ulen Dor. "Ankoraŭ restas multaj homoj en la mondo."

"Mi devas kredi," diris la knabino. "Vi parolas, vi ekzistas — tiom da aferoj klaras."

Ulen Dor observis ke ŝi tenis sian rigardon turnita for de lia verda mantelo. Ĝi fiodoris fiŝe; sen plua ekspliko li ĵetis ĝin flanken.

Ŝia rigardo direktiĝis al lia ruĝa jako. "Rabmissisto…"

"Ne, ne, ne!" eksklamis Ulen Dor. "Fakte, mi trovas tiun ĉi paroladon pri koloro agace teda. Mi estas Ulen Dor el Kajin, nepo de Princo Kandajv la Ora, kaj mi misio estas serĉi la tabulojn de Rogol Domedonfors."

La virino ridetis milde. "Tiel faras la Rabmisistoj, kaj ili tial vestas sin ruĝe, kaj poste la manoj de ĉiuj homoj turniĝas atake kontraŭ ili, pro tio ke, kiam ili vestas sin ruĝe, neniu konas ilin por esti aŭ Grizuloj aŭ…"

"Aŭ kio?"

Ŝi aspektis ekkonfuzita, kvazaŭ tiu ĉi flanko de la demando ne prezentiĝis al ŝi. "Fantomoj? Demonoj? Troviĝas strangaj manifestaĵoj en Ampridatvro."

"Nedisputeble," kunsentis Ulen Dor. Li ekrigardis trans la placo. "Se vi deziras, mi gardos vin ĝis vi atingos la hejmon; kaj eble estos angulo kie mi povos dormi ĉinokte."

Ŝi diris, “Mi ŝuldas al vi la vivon, kaj mi helpos vin kiel eble mi povas. Sed mi ne bravas riski tion, ke vin mi konduku al mia halo.” Ŝiaj okuloj vagis suben laŭ lia korpo ĝis lia verda pantalono kaj deflankiĝis for. “Okazus konfuziĝo kaj senĉesaj eksplikadoj…”

Ulen Dor diris oblikve, “Vi havas parulon, ĉu?”

Ŝi ekrigardis rapide al li — iome stranga koketado, stranga flirteco tie en la ombroj de antikva Ampridatvro, la junulino en sia griza mantelo, ŝia kapo klinita flanken kaj la flavaj haroj falantaj ĝis la ŝultro; Ulen Dor eleganta, malhele agle aspekta, plene regkapabla je sia animo.

“Ne,” ŝi diris. “Estis neniuj, ankoraŭ ne.” Eta sono maltrankviligis ŝin; ŝi ekis, rigardis timoplene trans la placon.

“Povas esti pli da Gaŭnoj. Mi povas konduki vin al loko sekura; poste, morgaŭ ni parolos…”

Ŝi gvidis lin tra arka portiko enire al unu el la turoj, supren al duonetaĝan nivelon. “Vi estos sekura ĉi tie ĝis mateno.” Ŝi manpremis al li la brakon. “Mi portos manĝaĵon al vi, se vi atendos min…”

“Mi atendos.”

Ŝia rigardo falis kun la duone-deflankigita ŝanceliĝo de la okuloj al lia ruĝa jako, nur momente glitis preter lia verda pantalono. “Kaj mi portos al vi mantelon.” Ŝi foriris. Ulen Dor vidis ŝin rapidi facile malsupren laŭ la ŝtuparo kaj elire de la turo tiel kiel fantomo. Ŝi estis for.

Li komfortigis sin sidiĝe sur la planko. Ĝi estis mola elasta substanco, varmeta je tuŝo… Stranga urbo, pensis Ulen Dor, stranga popolo, reagantaj al nekonjekteblaj devigoj. Aŭ ĉu ili estis fantomoj, fakte?

Li senkonsciiĝis en serio da subitaj duondormoj, vekiĝis fine por trovi ke la malforta rozeco de sunleviĝo kutima al ĉi tiuj finaj tagoj de la suno jam likadis enen tra la arka portiko.

Li stariĝis, frotis la vizaĝon, kaj, post momenta hezito, malsupreniris de la duonetaĝo al la grunda nivelo de la turo kaj elmarŝis sur la straton. Infano en griza

kitelo vidis lian ruĝan jakon, ekmovis la okulojn for por vidi la verdan pantalonon, kriis pro teruriĝo, kaj ekkuris trans la placon.

Ulen Dor retrois en la ombrojn kun blasfemo. Li estis atendanta senhomecon. Malamikecon li estus povinta kontraŭi aŭ forkuri, sed tiu ĉi senkomprenanta ektimiĝo lasis lin sendecida pri kion fari.

Formo aperis ĉe la enirejo — la junulino. Ŝi strebe enrigardis la ombrojn; ŝia vizaĝo estis strikta, nervoz-esprima. Subite ŝi ridetis kaj ŝia vizaĝo ŝanĝiĝis.

"Mi portas vian matenmanĝaĵon," ŝi diris, "ankaŭ taŭgan veston."

Ŝi kuŝigis panon kaj funsekigitan fiŝviandon antaŭ li, kaj verŝis varmetan herban teon el argila poto.

Dum li manĝis li rigardis ŝin, kaj ŝi rigardis lin. Estis strikteco en ilia interrilato; ŝi sentis sin ne plene sekura; kaj li povis senti la premecon de ŝia menso.

"Kiu estas via nomo?" ŝi demandis.

"Mi estas Ulen Dor. Kaj via?"

"Elaj."

"Elaj… Ĉu tio entute?"

"Ĉu mi bezonas pluan? Tio sufiĉas, ĉu ne?"

"Ho, vere."

Ŝi sidiĝis kruc-gambe kontraŭ li.

"Diru al mi pri la lando de kie vi venis."

Ulen Dor diris, "Askolajs nun estas plejparte arbaro, kie malmultaj volas loĝi. Mi loĝas en Kajin, tre malnova urbo, eble tiom malnova kiom Ampridatvro, sed ni havas neniajn tiajn turojn kaj flosantajn vojojn. Ni loĝas en la antikvaj konstruaĵoj el marmoro kaj ligno, eĉ la plej malriĉa kaj servista. Fakte, kelkaj belaj domegoj disfalas en ruinojn pro manko de loĝantoj."

“Kaj kio estas via koloro?” ŝi demandis en pritima voĉo.

Ulen Dor diris senpacience, “Kia sensencaĵo. Ni portas ĉiujn kolorojn; neniu pripensas iel aŭ aliel pri la afero… Kial vi zorgas pri koloroj tiom ege? Ekzemple, kial vi portas grizon kaj ne verdon?”

Ŝia rigardo ŝancelis kaj forturniĝis de lia; ŝi pugnigis la manojn nervoze. “Verdo? Tio estas la koloro de la demono Pansju. Neniu en Ampridatvro portas verdon.”

“Certe homoj portas verdon,” diris Ulen Dor. “Mi renkontis du fiŝkaptistojn hieraŭ surmare portantajn verdaĵojn, kaj ili gvidis min en la urbon.”

Ŝi kapneis, ridetnata malgaje. “Vi eraras.”

Ulen Dor kliniĝis malantaŭen. Li diris post nelonge, “Infano vidis min ĉimatene kaj forkuris krieganta.”

“Pro via ruĝa mantelo,” diris Elaj. “Kiam viro volas akiri honoron al si mem, li surmetas ruĝan jakon kaj ekiras trans la urbo al la antikva senhoma templo de Pansju, por serĉi la perditan duonon de la tabulo de Rogol Domedonfors. Legendo diras, ke kiam la Grizuloj reakiros la perditan tabulon, tiam refortiĝos ilia povo refoje.”

“Se la templo malplenas de homoj,” demandis Ulen Dor sekhumore, “kial ne okazis ke iu viro jam prenis la tabulon?”

Ŝi ŝultrolevis kaj rigardadis senfokuse en la distancon. “Ni kredas, ke ĝi estas gardata fare de fantomoj… Ĉiaokaze, foje viro portanta ruĝon troviĝas rabanta la templon de Kadzal ankaŭ, post kiam li estas tuj mortigata. Viro vestita ruĝe tial malamikiĝas je ĉiuj, kaj ĉies manoj kontraŭas lin.”

Ulen Dor stariĝis kaj volvis sin en la griza mantelo kiun la junulino estis portanta al li.

“Kio estas viaj planoj?” ŝi demandis, rapide stariĝanta.

“Mi volas alrigardi la tabulojn de Rogol Domedonfors, kaj en la Temploj de kaj Kadzal kaj Pansju.”

Ŝi kapneis, “Ne eblas. La Templo de Kadzal estas malpermesata al ĉiu krom la honorataj pastroj, kaj la Templo de Pansju defendiĝas fare de fantomoj.”

Ulen Dor ridetis humore. “Se vi montrus al mi kie situas la temploj…”

Ŝi diris, “Mi iros kun vi… Sed vi devas resti volvita en la mantelo, aŭ estos malbone por ni ambaŭ.”

Ili elpaŝis en la sunlumon. La placo montris punktojn el malrapide moviĝantaj grupoj da viroj kaj virinoj. Kelkaj portis verdon, aliaj grizon, kaj Ulen Dor observis, ke estis nenia interagado inter la du. Verduloj paŭzis ĉe etaj verde farbitaj budoj vendantaj fiŝon, ledon, fruktojn, grenojn, argilaĵojn, korbojn. Grizuloj aĉetadis de similaj budoj farbitaj grize. Li vidis du grupojn da infanoj, unu en verdaj vestaĉoj, la alia en grizaj, ludantaj interproksime je dek futoj, rekonanta unu la alian ne eĉ per ekrigardo. Pilko el kunligitaj tolpecoj ruliĝis de la Grizaj infanoj inter luktetanta grupo da Ferduloj. Griza infano alkuris, prenis la pilkon de sub la piedoj de Verda infano, kaj neniu el ili rekonis la alian eĉ minimume.

“Strange,” murmuris Ulen Dor. “Strange.”

“Kio strangas?” demandis Elaj. “Mi vidas nenion strangan…”

“Rigardu,” diris Ulen Dor, “apud tiun kolonon. Ĉu vi vidas tiun viron en la verda mantelo?”

Ŝi alrigardis lin konfuzite. “Neniu viro estas tie.”

“Viro estas tie,” diris Ulen Dor. “Rigardu denove.”

Ŝi ridis. “Vi ŝercas … aŭ ĉu vi povas vidi fantomojn?”

Ulen Dor kapneis pro venkiĝo. “Vi ĉiuj estas viktimoj de iu forta magio.”

Ŝi kondukis lin al unu el la fluantaj vojoj; dum ili portiĝis tra la urbo li observis boat-forman ŝelon konstruitan el brila metalo kun kvar radoj kaj travidebla kupola ĉambreto.

Li indikis fingre. “Kio estas tio?”

“Ĝi estas magia ĉaro. Kiam certa stango premiĝas tiam la sorĉaĵo de antikvaj tempoj donas al ĝi egan rapidon. Riskemaj junaj viroj rajdas ilin laŭ la vojoj… Rigardu tien,” kaj ŝi indikis fingre al iom simila ŝelo falinta en la basenon de longa, seka fontano. “Jen alia el la antikvaj mirindaĵoj — vehiklo kun la povo por flugi tra la aero. Estas multe da ili dise troveblaj tra la urbo — sur la turoj, sur altaj terasoj, kaj foje, kiel ĉi tiu, falintaj surstraten.”

“Kaj neniu flugrajdas ilin?” demandis Ulen Dor pro kuriozeco.

“Ni ĉiuj timas.”

Ulen Dor pensis, kia mirindaĵo estus posedi unu el tiuj aero-ĉaroj! Li elpaŝis de la fluanta vojo.

“Kien vi iras?” demandis Elaj nervoze, sekvante post li.

“Mi volas ekzameni unu el tiuj ĉi aero-ĉaroj.”

“Estu zorga, Ulen Dor. Oni diras, ke ili danĝeras…”

Ulen Dor enrigardadis tra la travidebla kupolo, li vidis remburitan seĝon, aron da etaj stangoj surskribitaj de signoj al li nekonataj kaj grandan iks-kanelitan sferon muntitan sur metala stangeto.

Li diris al la knabino, “Tiuj evidente estas la gvidiloj de la meĥanismo… Kiel oni eniras tian ĉaron?”

Ŝi diris dubeme, “Ĉi tiu butono eble malfermos la kupolon.” Ŝi premis la elstaraĵon; la kupolo ekis malfermiĝe, ellasante venteton da malfreŝa aero.

“Nun,” diris Ulen Dor, “Mi eksperimentados.” Li etendis brakon internen, subenigis ŝaltilon. Nenio okazis.

“Estu zorga, Ulen Dor!” anhele flustris la knabino. “Gardu atente kontraŭ magio!”

Ulen Dor tordis anson. La ĉaro tremetis. Li tuŝis alian stangon. La boato faris grincan sonon, ekmoviĝis. La kupolo komencis subeniri. Ulen Dor ekprenis for la brakon. La kuplo klakis firme sur faldaĵo de lia griza mantelo. La boato ekmoviĝis

refoje, faris subitan moviĝon, kaj Ulen Dor estis trenata senhelpe postsekve.

Elaj elkriis, ektenis lin je la maleoloj. Blasfemante, Ulen Dor elfalis de sia mantelo, rigardis la aero-ĉaron dum ĝi flugis laŭ sovaĝe nekontrolita kurbiĝo, kraŝis kontraŭ flankon de turo. Ĝi falis kun plua sonoro de kolizianta metalo kaj ŝtono.

"Venontafoje," diris Ulen Dor, "Mi faros…"

Li fariĝis atenta pri stranga premeco en la etoso. Li turniĝis. Elaj estis alrigardanta lin, mano kontraŭ la buŝo, okuloj turnitaj supren kvazaŭ ŝi estis entenanta kriegon.

Ulen Dor ekrigardis ĉirkaŭ la stratoj. La malrapide moviĝantaj homoj, Grizuloj kaj Verduloj, jam malaperis. La stratoj malplenis.

"Elaj," diris Ulen Dor, "kial vi alrigardis min tiel esprime?"

"La ruĝo, en sunlumo — kaj la koloro de Pansju sur viaj gamboj — jen niaj mortoj, niaj mortoj!"

"Neniel," diris Ulen Dor gaje. "Ne dum mi portas mian glavon kaj…"

Ŝtono, alvenanta de nenie, kraŝis sur la grundon ĉe liaj piedoj. Li rigardis dekstren kaj maldekstren por identigi sian atakinton, naztruoj eklarĝigitaj pro kolero.

Vane. La pordtruoj, la arkaroj, la portikoj estis nudaj kaj malplenaj.

Plua ŝtono, granda kiel lia pugno, frapis lin inter la skapoloj. Li risortis turniĝe kaj vidis nur la disfalintan aspekton de antikva Ampridatvro, la malplenan straton, la brilantan fluantan vojstrion.

Ŝtono siblis ses colojn proksime je la kapo de Elaj, kaj sam-momente alia alfrapis lian femuron.

Ulen Dor rekonis venkiĝon. Li ne kapablis batali ŝtonojn per sia glavo. "Necesas, ke ni retretu…" Li ekkaŭre evitis grandan pavim-blokon kiu estus rompinta lian kranion.

“Reire al la strion,” la knabino diris en senemocia kaj senespera voĉo. “Ni povos fuĝi trans la placo.” Ŝtono, falanta turniĝe suben, frapis al ŝi la vangon; ŝi kriis pro doloro kaj falis sur la genuojn.

Ulen Dor graŭlis kiel besto kaj serĉis virojn por mortigi. Sed neniu vivanta persono, viro, virino, aŭ infano, estis videbla, malgraŭ tio ke ŝtonoj daŭre flugis cele al lia kapo.

Li kaŭris, suprentenis Elaj-on kaj kuris al la rapida centra fluo de la strio.

La pluvo de ŝtonoj postnelonge haltis. La knabino malfermis la okulojn, ekspasmetis, kaj fermis la okulojn denove. “Ĉio giras,” ŝi flustris. “Mi freneziĝis. Preskaŭ mi povus pensi — ”

Ulen Dor kredis, ke li rekonis la turon kie li tranoktiĝis. Li elpaŝis la strion kaj alproksimiĝis la portikon. Li estis malprava; kristala panelo obstaklis lin ekster la turo. Dum li hezitis, ĝi ekfandiĝis ĉe loko tuj antaŭ li kaj formis pordan enirejon. Ulen Dor rigardis miranta. Plua magiaĵo de la antikvaj konstruistoj.

Ĝi estis nepersona magio, kaj nedanĝera. Ulen Dor trapasis. La pordejo malgrandiĝis, kunfandiĝis, kaj fariĝis klara kristalo malantaŭ li.

La halo estis nuda kaj malvarma, kvankam la muroj estis riĉaj pro koloraj metaloj kaj belega emajlo. Murpentaĵo ornamis unu muron — viroj kaj virinoj en fluantaj vestaĵoj montriĝis vartantaj florojn en ĝardenoj kurioze brilaj kaj sunaj, ludantaj facilanimajn ludojn, dancantaj.

Tre bela loko, pensis Ulen Dor, sed nenia loko por defendi sin kontraŭ atako. Koridoroj je ambaŭ flankoj eĥis kaj malplenis; antaŭe estis ĉambreto kun planko el briletanta floko, kiu ŝajnis radii lumon. Li paŝis internen. Liaj piedoj leviĝis de sur la planko; li flosis, pli malpeza ol kardsema tufero. Elaj ne plu pezis en liaj brakoj. Li eligis nevolan raŭkan sonon, baraktis por resurgrundigi la piedojn, sen sukceso.

Li ŝvebis supren kiel folio levita de vento. Ulen Dor atendis naŭzan ekfalon post kvietiĝo de la magio. Sed la etaĝoj preterpasis suben, kaj la grundo fariĝis pli kaj pli malproksima. Mirinda sorĉo, pensis Ulen Dor makabre, ke oni tiel rabas viron de ties starkapablo; kiom baldaŭe okazos, ke la energio malstrikiĝos por faligi ilin al iliajn mortojn?

"Etendu," diris Elaj malforte. "Ektenu je la stango."

Li kliniĝis streĉiĝe antaŭen, ektenis la relon, tiris sin ambaŭ al la plankrando, kaj, ne kredante pri sia propra sekureco, enpaŝis apartementon plurĉambran. Subŝurmpiĝintaj amasoj da polvo estis ĉio kio restis el la mebloj.

Li kuŝigis Elaj-on sur la molan plankon; ŝi levis la manon al la vizaĝo kaj ridetis malforte. "Uuh — doloras."

Ulen Dor rigardis kun stranga sento de malforto kaj senvoleco.

Elaj diris, "Mi ne scias kion ni faros. Ne plu estas hejmo por mi; do ni malsatos, ĉar neniu donos al ni manĝaĵon."

Ulen Dor ridetis amare. "Neniam al ni mankos manĝaĵo — ne dum proprietulo de verda budo ne povas vidi viron en griza mantelo… Sed aliaj aferoj pli gravas — la tabuloj de Rogol Domedonfors — ŝajnas, ke ili tute neatingeblas."

Ŝi diris honeste, "Vi estus mortigata. La viroj en ruĝo devas batali ĉiun — kiel vi vidis hodiaŭ. Kaj eĉ se vi atingus la Templon de Pansju, ekzistas falkaptiloj, aliaj kaptiloj, venenaj pintstangoj, kaj la fantomoj gardantaj."

"Fantomo? Sensencaĵo. Ili estas viroj, same kiel la Grizuloj, krom tio ke ili portas verdaĵojn. Via cerbo rifuzas vidi virojn vestitaj verde… Mi aŭdis pri tiaj aferoj, tiaj obstakloj de la menso…"

Ŝi diris en vundita voĉtono, "Neniuj aliaj Grizuloj vidas ilin. Eble estas vi kiu suferas la halucinojn."

"Eble," agordis Ulen Dor kun seka rideto. Ili sidadis ioman tempon en la polva silento de la malnova turo, poste Ulen Dor klinsidis antaŭen, ĉirkaŭbrakis la genuojn, malridetanta. Letargio estas la antaŭaĵo de venkiĝo. "Ni devas konsideri tiun ĉi Templon de Pansju."

"Ni estos mortigata," ŝi diris simple.

Ulen Dor, jam en pli bona animstato, diris, "Decas ke vi praktiku optimismon… Kie mi trovu pluan aero-ĉaron?"

Ŝi fiksrigardis lin. “Certas, ke vi ja freneziĝis!”

Ulen Dor stariĝis. “Kie iu povas troviĝi?”

Ŝi kapneis. “Vi celas mortiĝon, laŭ unu aŭ alia metodo.” Ankaŭ ŝi stariĝis. “Ni supreniros laŭ la Ŝakto de Mankanta Pezeco al la plej alta nivelo de la turo.”

Senhezite ŝi paŝis en la malplenejon, kaj Ulen Dor timete sekvis. Al la plej kapturna alteco ili suprenflosis, kaj la muroj de la ŝakto kuntiriĝis al punkto longe malsupra. Ĉe la plej supra etaĝo ili tiris sin al solidejo, elpaŝis sur terason altan en la puraj ventoj. Pli alte ol la plej altaj montoj ili staris, kaj la stratoj de Ampridatvro estis grizaj fadenoj tre subaj. La haveno estis bankuvo, kaj la maro kuŝetendiĝis malproksimen for en la nebulon ĉe la horizonto.

Tri aerĉaroj sidis sur la teraso, kaj la metalo estis tiom brila, la vitro tiom klara, la emajlo tiom kolora kvazaŭ la ĉaroj estus ĵus sidiĝintaj sur la terason el la ĉielo.

Ili aliris la plej proksiman; Ulen Dor premis la enirbutonon, kaj la kupolo glitis malantaŭen kun seka siblo de interfroto.

La interno estis tia kia tio de la alia ĉaro — longa remburita seĝo, globeto muntita sur stangeto, kelke da ŝaltiloj. La ŝtofo de la seĝo krepitis pro aĝo dum Ulen Dor puŝis al pi per la mano, kaj la kaptita aero odoris tre malfreŝe. Li paŝis internen, kaj Elaj sekvis. “Mi akompanos vin; morto per falego pli rapidas ol malsatego, kaj estas malpli dolora ol la rokoj…”

“Mi esperas, ke ni nek falos nek malsategos,” respondis Ulen Dor. Zorte li tuŝis la ŝaltilojn, preta por elmalŝalti ilin je ajna danĝera okaziĝo.

La kupolo frape fermiĝis super iliaj kapoj; relajsoj mil jarojn malnovaj intertuŝis, kamoj rondiris, ŝaftoj glitis hejmen. La aerĉaro ekspasmis, saltis supren en la ruĝan kaj malhele bluan ĉielon. Ulen Dor ektenis la globon, malkovris kiel turni la boaton, kiel turni la nazon supren kaj malsupren. Estis pura ĝojo, ebriiĝo — bonega majstreco de la ĉielo! Estis pli facile ol li imagis. Pli facile ol marŝi. Li provis ĉiujn ansojn kaj ŝaltilojn, malkovris kiel ŝvebi, subeniri, bremsi. Li trovis la rapidoregan anson kaj puŝis ĝin multe antaŭen, kaj la vento kantis preterpase de la aerboato. Tre malproksimen super la maro ili flugadis, ĝis la insulo estis blua elstaraĵo ĉe la rando de la mondo. Malalte kaj alte — preskaŭ tuŝante la

ondosuprojn, plonĝante tra la purpure ruĝaj tufaĵoj de la superaj nuboj.

Elaj sidis trankviliĝinta, kalma, ekzaltita. Ŝi etis ŝanĝiĝinta; ŝi ŝajnis pli proksima al Ulen Dor ol al Ampridatvro; iu subita ligilo estis tranĉita. “Ni iru plu,” ŝi diris. “Plu kaj plu kaj plu — trans la mondon, trans la arbarojn…”

Ulen Dor alrigardis ŝin flanke. Ŝi estis tre bela nun — pli pura, pli fajna, pli forta ol la virinoj kiujn li konis en Kajin. Li diris bedaŭre, “Tiel ni malsategos ja vere — ĉar neniu el ni havas la lertojn por subtenadi en la sovaĝejo. Kaj mi estas ĵure devigita serĉi la tabulojn…”

Ŝi suspiris. “Nu, do. Ni estos mortigataj. Pro kio gravas? La tuta Tero mortas…”

Vespero venis, kaj ili reiris al Ampridatvro. “Jen,” diris Elaj, “tie situas la Templo de Kazal kaj tie la Templo de Pansju.”

Ulen Dor malsuprenigis la boaton malalte super la Templo de Pansju. “Kie la enirejo?”

“Tra tiu arko — kaj ĉiu loko kaŝas malsaman danĝeron.”

“Sed ni flugas,” Ulen Dor rememorigis al ŝi.

Li mallevis la boaton ĝis dek futoj super la grundo kaj glitigis ĝin tra la arkon.

Gvidita per malhela lumo antaŭa, Ulen Dor manovris la boaton laŭlonge la malhelan pasejon, tra plua arko; kaj ili estis en la navo.

La podio kie la tabulo situis estis tia kia la citadelo de urbo ĉirkaŭmura. La unua obstaklo estas larĝa fosaĵo, frontita de vitra muro. Post tio estis ringofosaĵo pleja de sulfur-odora likvaĵo, kaj preter tio, en malplena spaco, kvin viroj deĵoris torporan gardadon. Sendetektita Ulen Dor movis la boaton tra la superaj ombroj kaj haltis rekte super la podio.

“Estu preta nun,” li murmuris, kaj surterigis la boaton. La briletanta tabulo proksimis preskaŭ tuŝeble je etendo. Li levis la kupolon; Elaj etendis, ektenis la tabulon. La kvin gardistoj eligis korŝiran muĝon, rapidis kune antaŭen.

“Reen!” kriis Ulen Dor. Li deflankigis flugantan ĵet-lancon per sia glavo. Ŝi retiris sin kun la tabulo. Ulen Dor frape fermis la kupolon. La gardistoj sursaltis la ŝipon, unge kroĉanta al la glata metalo, alfrapanta ĝin per la pugnoj. La ŝipo leviĝis alte; unu post alia ili perdis la tenadon, falis kriantaj al la plankon.

Reen tra la arko, laŭlonge tra la nigra pasejo, tra la enirejo kaj elen en la malhelan ĉielon. Malantaŭ ili grandega korno eksonigis frenezan brulegon.

Ulen Dor ekzamenis sian akiraĵon — ovala folio el travidebla substanco montranta dekduon da senkompreneblaj skribaĵoj.

“Ni venkis!” diris Elaj mirigita. “Vi estas la Lordo de Ampridatvro!”

“Duono ankoraŭ restas,” diris Ulen Dor. “Restas ankoraŭ la tabulo en la Templo de Kadzal.”

“Sed — estas freneze! Vi jam havas — ”

“Unu senultilas krom havi la alian.”

Ŝiaj disputoj forlasiĝis nur tiam kiam ili ŝvebis super la arko kondukanta en la Templon de Kadzal.

Dum la boato glitis tra la malluma interspaco ĝi frapis fadenon kiu faligis grandegan ŝarĝon da ŝtonoj el ŝutilo. La unu el tiuj ĉi, frapanta la klinantan flankon de la aeroĉaro, puŝfrapis ĝin for. Ulen Dor blasfemis. La gardistoj estos avertitaj kaj atentemaj.

Li ŝvebis antaŭen ĉe la pleja supro de la pasejo, kaŝita en la mallumo. Baldaŭ du gardistoj, portantaj torĉojn kaj zorgaj pri siaj paŝoj, venis por enketi la sonon. Ili pasis rekte sub la boato, kaj Ulen Dor hastis antaŭen, tra la arko kaj en la navon. Kiel en la templo de Pansju, la tabulo brilis en la mezo de fortreso.

La gardistoj estis tute atentaj, nervoze rigardantaj la enirejon.

“Kuraĝe, nun!” diris Ulen Dor. Li sendis la boaton eke trans la murojn kaj fosaĵojn kaj fumantan ringofosaĵon, surteriĝis apud la podio, eke malantaŭigis la kupolon, elsaltis la boaton. Li ektenis la tabulon dum la gardistoj venis muĝantaj antaŭen, lancoj etenditaj. La plej antaŭa ĵetis sian lancon; Ulen Dor frapis ĝin suben

kaj ĵetis la tabulon en la boaton.

Sed ili jam lin atingis; li estus trastabita se li provus engrimpi la boaton. Li saltis antaŭen, dehakis la ŝafton de unu lanco, hakis al la ŝultro de unu viro je la retira svingo, ektenis la ŝafton de la tria lanco, kaj tiris la viron al etenda distanco de sia glavpinto. La tria gardisto retroiris, vokeganta por helpo. Ulen Dor tuniĝis, ensaltis la boaton. La gardisto ekis antaŭen, Ulen Dor ekturniĝis kaj renkontis lin per la pinto de sia glavo je ties vango. Ŝprucanta sangon kaj krieganta freneze, la gardisto falis malantaŭen. Ulen Dor ekmovis la suprenigan stangon; la boato leviĝis alte kaj moviĝis al la enirejo.

Kaj baldaŭ la atentiga korno ĉe la Templo de Kadzal aldonis sian raŭkan krion kune kun la sonego transurba.

La boato ŝvebis malrapide tra la ĉielo.

"Rigardu!" diris Elaj, ektenante al li la brakon. En torĉa lumo viroj kaj virinoj amasiĝis kaj dise vagadis en la stratoj — Verduloj kaj Grizuloj, panikitaj de la mesaĝo de la kornoj.

Elaj ekanhelis. "Ulen Dor! Mi vidas! Mi vidas! La viroj en Verdo! Ĉu eblas… Ĉu ili ĉiam estis…"

"La cerbo-sorĉaĵo rompiĝis," diris Ulen Dor, "kaj ne nur je vi. Sube ili vidas unu la alian, ankaŭ…"

Unuafoje en memorkapablo, Verduloj kaj Grizuloj alrigardis unu la alian. Iliaj vizaĝoj tordiĝis, grimacegis. En la flagrado de torĉoj Ulen Dor vidis ilin retroiri malantaŭen pro abomeno unu de la alia, kaj aŭdis la tumulto de iliaj kriegoj: "Demono!… Demono!… Griza fantomo!…Naŭza Verda Demono!…"

Miloj da obsedaj torĉportantoj flankenpaŝis preter unu la alian, grimacante, blasfemante unu la alian, kriegantaj pro malamo kaj timo. Ili ĉiuj estas frenezaj, li pensis — torde interplektitaj, obstakligitaj je cerbo…

Kvazaŭ reage al sekreta signalo, la amaso interinundis je batalo, kaj la malamaj krioj koagulis al Ulen Dor la sangon. Elaj turniĝis ploregante for. Terura laboro estis fariĝanta, sur viroj, virinoj, infanoj — ne grave la viktimo, se tiu portis

la kontraŭan koloron.

Pli laŭta graŭlado leviĝis ĉe la rando de la amaso — ĝoja sono, kaj dekduo da ŝancele paŝantaj Gaŭnoj aperis, starantaj ture super la Verduloj kaj Grizuloj. Ili distiris, ŝiris, kaj la freneza malamo fandiĝis fronte al freneza timo. Verduloj kaj Grizuloj apartiĝis, forkuris al siaj hejmoj, kaj la Gaŭnoj staris solaj en la strato.

Ulen Dor tiris sian rigardon for kaj tenis al si la frunton. "Ĉi tiu estis mia faraĵo?… Ĉu tiu ĉi estas faraĵo mia?"

"Eventuale ĝi devus okazi," diris Elaj malatente. "Krom se Tero mem fadis kaj mortis pli frue…"

Ulen Dor prenis la du tabulojn. "Kaj jen tio kion mi serĉis por akiri — la tabuloj de Rogol Domedonfors. Ili logis min mil leŭgojn trans la Golfon Melantino; mi havas ilin en la propraj manoj nun, kaj ili estas tiaj kiaj senvaloraj rompitaj eroj de vitro…"

La boato ŝvebis alte, kaj Ampridatvro fariĝis vidaĵo el palaj kristaloj en la stellumo. En la lumiĝo de la regopanelo, Ulen Dor kunmetis la du tabulojn apude. La skribaĵoj kuniĝis, fariĝis literoj, kaj la literoj portis la vortojn de antikva magiisto:

> *Malfidelaj infanoj — Rogol Domedonfors mortas, kaj tial vivas porĉiame en la Ampridatvro kiun li estis amanta kaj servanta! Kiam inteligenteco kaj bonanimo reportos ordon al al urbo; aŭ kiam sango kaj ŝtalo instruas pri la malsaĝeco de direktita krueleco kaj pasio, kaj ĉiuj krom la plej duraj jam mortis: — tiam estos ĉi tiuj tabluloj legataj. Kaj mi diras al tiu kiu ĝin legas, iru al la Turo de Sorto kun la flava kupolo, supreniru al la plej supra etaĝo, montru ruĝon al la maldekstra okulo de Rogol Domedonfors, flavo al la ruĝa okulo, kaj poste bluo al ambaŭ; faru tion, mi direktas, kaj kunhavu la povforton de Rogol Domedonfors.*

Ulen Dor demandis, "Kie la Turo de Sorto?"

Elaj neis per la kapo. "Jen estas la Turo de Rodejl, kaj la Ruĝa Turo kaj la Turo de la Krieganta Fantomo, kaj la Turo de Trumpetoj kaj la Turo de l' Birdoj, kaj la Turo de Gaŭnoj — sed mi konas neniun Turon de Sorto."

“Kiu turo havas flavan kupolon?”

“Mi ne scias.”

“Ni serĉos je la mateno.”

“Je la mateno,” ŝi diris kliniĝante kontraŭ li dorme laca.

“La matenon…” diris Ulen Dor, fingrumante ŝiajn flavajn harojn.

Kiam la malnova ruĝa suno leviĝis, ili ŝvebis revene super la urbon kaj trovis la popolon de Ampridatvro vekiĝintaj antaŭ ol ili mem, volemaj pri murdo.

La batalado kaj la mortigado ne estis tiom sovaĝaj kiom la nokton antaŭan. Estis pli lerta buĉado. Sinkaŝaj grupoj da viroj trompkaptis nekonatojn, aŭ enrompis domojn por strangoli virinojn kaj infanojn.

Ulen Dor murmuris grumble, “Baldaŭ restos neniuj en Ampridatvro al kiuj oni povos prilabori la povforton de Rogol Demedonfors.” Li turniĝis al Elaj. “Ĉu vi havas nenian patron, nenian patrinon, pri kiu vi timas?”

Ŝi neis kape. “Mi estis trapasinte la vivon kun teda kaj tirana onklo.”

Ulen Dor turniĝis for. Li vidis flavan kupolon; neniu alia videblis: La Turo de Sorto.

“Jen.” Li indikis fingre, turnis malsupren la nazon de la aerĉaro.

Parkinte ĉe alta etaĝo, ili eniris la polvajn koridorojn, trovis kontraŭ-gravitan ŝakton, kaj leviĝis ĝis la plej alta etaĝo. Ĉi tie ili trovis malgrandan ĉambron, ornamitan per brilkoloraj murpentraĵoj. La sceno estis korto de antikva Amprdatvro. Viroj kaj virinoj en koloraj silkoj konversaciis kaj bankedis kaj, en la centra panelo, omaĝis al patriarka estro havanta fortikan mentonon, burlantajn okulojn, kaj blankan barbon. Li estis vestita en purpura kaj blanka robo kaj sidis sur gravurita seĝo.

“Rogol Domedonfors!” murmuris Elaj, kaj la ĉambro entenis sian spiron, fariĝis tute senmova. Ili sentis la movon kiun ilia vivospiro faris en la longe kvieta aero, kaj la pentritaj okuloj fiksrigardis profunden al ili la cerbojn…

Ulen Dor diris, "'Ruĝon al la maldekstra okulo, flavon al la dekstra; poste bluon al ambaŭ.' Nu — jen estas bluaj kaheloj en la halo, kaj mi portas ruĝan jakon."

Ili trovis bluajn kaj flavajn kahelojn, kaj Ulen Dor tranĉis strio el la orlo de sia tuniko.

Ruĝon al la maldekstra okulo, flavon al la dekstra. Bluon al ambaŭ. Klako, knaro, tia zumado kia cent abeloj.

La muro malfermiĝis al ŝtuparo. Ulen Dor eniris, kaj, kun Elaj spiranta forte ĉe lia dorso, aliris la ŝtupojn.

Ili eliris en inundon da taglumo, sube de la kupolo mem. Ĉe la mezo sur piedestalo sidis briletanta rond-supra cilindro, nigra kaj vitreca.

La zumado leviĝis por fariĝi akra grincado. La cilindro tremetadis, moliĝis, fariĝis preskaŭ travidebla, iomete subenfleksis. Ĉe la mezo pendis pulpa blanka amaso — cerbo?

La cilindro vivis.

Ĝi burĝonigis pseŭdo-brakojn kiuj pozis moviĝante en la aero. Ulen Dor kaj Elaj rigardis kvazaŭ glaciiĝintaj, tuj apude. Unu nigra fingro formiĝis fariĝante okulo, alia formis buŝon. La okulo inspektis ilin zorge.

La buŝo diris gaje, "Salutojn trans tempo, salutojn. Do vi venis postlonge por veki maljunan Rogol-n Domedonfors el ties sonĝoj? Mi sonĝis longe kaj bone — sed ŝajne dum nekomforta tempodaŭro. Kiom longe? Dudek jarojn? Kvindek jarojn? Mi enketu."

La okulo svingiĝis al tubo sur la muro, plena je kvarono de griza pulvoro.

La buŝo eligis ploreto de miro. "La energio jam preskaŭ elĉerpiĝis! Kiom longe mi dormis? Kun duon-daŭro de 1,200 jaroj — pli ol kvin mil jaroj!" La okulo svingiĝis reen al Ulen Dor kaj Elaj. "Kiuj do, estas vi? Kie estas miaj disputantaj nacianoj, la adorantoj de Pansju kaj Kadzal? Ĉu sekvas, ke ili elmortigis sin, tiom longe antaŭe?"

“Ne,” diris Ulen Dor kun grimaca rideto. “Ili ankoraŭ batalas en la stratoj.”

La okul-tentaklo etendiĝis rapide, puŝis sin tra fenestro, kaj rigardis suben super la urbo. La centra gelatenaĵo spasmetis, sufuzis oranĝalume. La voĉo parolis refoje, kaj ĝi havis teruran akrecon. La kolo de Ulen Dor piketadis kaj li sentis la manon de Elaj kroĉi forte al li la brakon.

“Kvin mil jarojn!” kriis la voĉo. “Kvin mil jaroj kaj la aĉuloj ankoraŭ kverelas? Ĉu tempo ne instruis al ili saĝecon? Pli fortaj agentoj devas esti uzataj. Rogol Domendonfors instruos al ili saĝecon. Jen!”

Vasta sonego aŭdiĝis de sube, cent ekaj resonoj. Ulen Dor kaj Elaj hastis al la fenestro kaj rigardis suben. Menso-pleniga vidaĵo okupis la stratojn.

La dek futojn altaj vestibloj kondukantaj suben je la urbo estis ekmalfermiĝintaj. El ĉiu el tiuj lekis grandega tentaklo el nigra travidebla gelatenaĵo tia kia la substanco de la glitvojoj.

La tentakloj etendiĝis en la aeron, burĝonigis cent branĉojn kiuj ĉasis la freneze eskapantajn Ampridatvranojn, kaptis ilin, fortiris siajn vestojn el grizo kaj verdo, poste portante ilin vipmove alte tra la aero, faligetis ilin en la grandan centran placon. En la malvarmeta matena ero la popolo de Ampridaatvro staris nude intermiksitaj kaj neniu ulo povis distingi Verdulon disde Grizulo.

“Rogol Domedonfors havas grandajn longan brakojn nun,” kriis vasta voĉo, “tiom fortajn kiom la luno, ĉion-vidantaj kia la aero.”

La voĉo venis de ĉie, de nenie.

“Mi estas Rogol Domedonfors, la fina registo de Ampridatvro. Kaj al tiu ĉi fistato vi estis subenirinta? Loĝantoj de domaĉoj, manĝantoj de putraĵo? Rigardu — en nura momento mi riparos la malatentecon de kvin mil jaroj!”

La tentakloj burĝonigis mil elkreskaĵojn — malmolaj dornaj tranĉiloj, ŝpruciloj kiuj elverŝis bluan flamon, grandegaj fosiloj, kaj ĉiu kreskaĵo burĝonigis okulan tigon. Tiuj trairadis la urbon, kaj kie ajn estis rompaĵo aŭ signo de malnoveco la tentakloj tie fosis, tiris, eksplodis, bruligis; post ŝprucis novajn materialojn tiuloke, kaj post ilia paso, novaj kaj brilantaj konstruaĵoj postlasiĝis.

Mult-brakaj tentakloj kolektis la rubon de epokoj; kaj ŝarĝitaj ili ekvipiĝis supren tra la aero, monstra katapulto, vipe ĵetanta la rubon malproksime for super la maron. Kaj kie ajn estis griza farbo aŭ verda farbo tentaklo elfrotis la koloron, ŝprucis novajn malsamajn pigmentojn.

Laŭlonge je ĉiuj stratoj la grandegaj radikaĵoj kaj kaj radikaĵetoj plonĝis en ĉiun turon, ĉiun loĝejon, ĉiun parkon kaj placon — malkonstruantaj, detirantaj, konstruantaj, ordigantaj, riparantaj. Ampridatvro estis tenata kaj trapenetrata fare de Rogol Domedonfors tiel kiel la radikoj de arbo kroĉas la grundon.

En tempodaŭro mezurebla po spiroj, nova Ampridatvro antstataŭis la ruinojn, restis brila, briletanta urbo — fiera, aventurema, defiema kontraŭ la mortanta ruĝa suno.

Ulen Dor kaj Elaj estis rigardantaj en duon-konscia, senkomprena delireto. Ĉu eblas esti realeco; ĉu ekzistas tia estulo kiu povus malkonstrui urbon kaj rekonstrui ĝin dum homo rigardadis?

Brakoj el nigra gelatenaĵo ekis super la montetojn de la insulo, trairis fadene la kavernojn kie la Gaŭnoj kuŝis tromanĝintaj kaj torporaj. Ĝi kaptis, ektiris ilin tra la aero, pendigis ilin super la amasigitaj Ampridatvranoj — cent Gaŭnoj sur cent tentakloj, hororaj fruktoj sur preternature stranga arbo.

“Atentu!” laŭtsonis voĉo, fanfarona kaj sovaĝa. “Ĉi tiuj kujn vi estis timanta! Atentu pri kiel Rogol Domedonfors traktas tiujn ĉi!”

La tentakloj vipetis, kaj cent Gaŭnoj ekflugis — disetendiĝantaj, rade turniĝantaj formoj — alte super Ampridatvro; kaj ili falis malproksime en la maron.

“La kreitulo estas freneza,” flustris Ulen Dor al Elaj. “La longa sonĝado konfuzis ĝian cerbon.”

“Jen la nova Ampridatvro!” sonegis la fortega voĉo. “Vidu ĝin por la unua kaj lasta fojo. Ĉar nun vi mortos! Vi mem pruvis, ke vie malmeritas la gloran pasintecon — malmeritas la rajton adori la novan dion Rogol Domedonfors. Jen estas du ĉi tie apud mi kiuj fondos la novan genton — ”

Ulen Dor ektimis alarme. Kio? Li destinita por loĝi en Ampridatvro sub la

regado de la freneza super-estulo?

Ne.

Kaj eblas, ke li neniam refoje estos tiom proksima al la cerbo.

Je unua moviĝo li eltris sian glavon kaj ĵetis ĝin pint-antaŭe en la travideblan cilindron da gelatenaĵo — trapenetris la cerbon, stabis ĝin per la ŝafto el ŝtalo.

La plej terura sono jam aŭdida sur Tero frakasis la aeron. Viroj kaj virinoj freneziĝis en la placo.

La ĉirkaŭurbaj tentakloj de Rogol Domedonfors batadis supren kaj suben en freneza agonio, kiel vundita insekto dise vipmovas la gambojn. La belegaj turoj falis kline. La Ampridatvanoj forkuris kriegantaj tra la kataklismo.

Ulen Dor kaj Elaj kuris al la teraso kie ili estis lasintaj la aerĉaron. Malantaŭe ili aŭdis raŭkan fluston — voĉon rompitan.

"Mi — ne estas — mortinta — jam! Malgraŭ ĉio, se ĉiuj songoj estas rompitaj — mi mortigos vin du…"

Ili saltfalis en la aerĉaron. Ulen Dor eksendis ĝin en la aeron. Per terura strebado unu tentaklo haltis sian frenazan disan vipadon kaj spasme etendiĝis supren cele ke ĝi ilin kaptu. Ulen Dor stiris kurbe flanken, plonĝis for tra la ĉielo. La tentaklo ekiris sagorapide por ilin obstakli.

Ulen Dor premis forte suben al la rapideca regstango, la aero fajfis kaj kantis malantaŭ la veturilo. Kaj tuj poste sekvis la ondanta nigra brako de la mortanta dio, strebegante por tuŝi la eskapantan muŝeton kiu tiome ĝin vundis.

"Pli! Pli!" preĝis Ulen Dor al la aerĉaro.

"Iru pli alte!" flustris la knabino. "Pli alte — pli rapide — "

Ulen Dor klinis la nazon; supren laŭ deklivo ekiris la ĉaro, kaj la strebanta brako sekvis malantaŭe — giganta membro streĉanta rigide tra la ĉielo, nigra ĉielarko kun piedo en malproksima Ampridatvro.

Rogol Domedonfors mortis. La brako ekdisiĝis formiĝante nubetaro el fumo kaj malrapide sinkis al la maro.

Ulen Dor tenis sian boaton je plena rapido ĝis la insulo malaperis trans la horizonto. Li malrapidigis ĝin, suspiris, ripozis.

Elaj subite ĵetis sin kontraŭ lian ŝultron kaj kreve histeriiĝis.

"Kvieton, knabino, kvieton," admonis Ulen Dor. "Ni estas sekuraj; ni porĉiame finis pri la malbenita urbo."

Ŝi kvietiĝis; postnelonge: "Kien ni iru nun?"

La okuloj de Ulen Dor ĉirkaŭrigardis la aerĉaron kun dubo kaj kalkulado. "Estos neniom da magio por Kandajv. Malgraŭ tio, mi havos grandegan rakonton por diri al li, kaj li eble plaĉiĝus… Li certe deziros la aerĉaron. Sed mi aranĝos, mi aranĝos…"

Ŝi flustris, "Ĉu ni ne povus flugi orienten, kaj flugi kaj flugi, ĝis ni trovos tiun lokon kie la suno leviĝas, kaj eble kvietan herbejon kie estas fruktoarboj…"

Ulen Dor rigardis al la sudo kaj pensis pri Kajin kun ĝiaj kvietaj noktoj kaj vin-koloraj tagoj, la larĝa palaco kio estas lia loĝejo, kaj la litseĝo de kiu li povis elrigardi trans la Golfo Sanrealo, la antikvaj olivaj arboj, la burleskaj festival-sezonoj.

Li diris, "Elaj, vi ŝatos la urbon Kajin."



# Gajal de Sfer

Gajal de Sfer naskiĝis kiel homo aparta de siaj kunuloj kaj fariĝis fonto da ĉagreniĝo je sia patro. Montranta normalan eksteran formon, tamen interne de lia menso estis mankejo kiu sopiris dolore por nutriĝo. Estis kvazaŭ iu surŝutis sorĉon al li je naskiĝo, agacilo trudita sur la infano pro animstato sardone mokema, tiel ke ĉiu ajn okazaĵo, sendepende de kiom bagatela, fariĝis afero inda je miro kaj scivolemego. Eĉ je aĝo tiom juna kiom kvar sezonoj li estis eldiradanta tiajn enketojn kiaj:

“Kial kvadratoj havas pli da flankoj ol trianguloj?”

“Kiel ni vidu tiam, post kiam la suno mallumiĝos?”

“Ĉu floroj kreskas sub la oceano?”

“Ĉu steloj siblas kaj krepetas kiam pluvo venas je noktoj?”

Pri kiuj lia senpacienca patro donis tiajn respondojn kiaj:

“Tiel ordigis la Pragmatiko; kvadratoj kaj trianguloj devas obei la fiks-regulon.”

“La afero devigos ke ni serĉu mane kaj palpetu nian vojon.”

“Mi neniam esploris la veron de ĉi tiu afero; nur la Kuratoro scius.”

“Neniel, ĉar la steloj altas super la pluvo, pli altas ol eĉ la plej altaj nubaĵoj, kaj naĝas tie en maldensega aero kie pluvo neniam brediĝos.”

Dum Gajal kreskiĝis al junuleco, tiu ĉi mankejo en lia menso, anstataŭ fariĝi malstrikta kaj vaksa, ŝajne pulsadis kun pli violenta doloro. Kaj sekve li demandis:

“Kial homoj tiam mortas kiam oni ilin mortigas?”

“Kien iras beleco tiam kiam ĝi malaperas?”

“Kiom longe vivis homoj sur la Tero?”

“Kio estas malantaŭ la ĉielo?”

Pri tiaj demandoj lia patro, mordante acerbecon for de siaj lipoj, kutimis jene respondi:

“Morto estas la heredaĵo de vivo; la viveco de viro estas tia kia aero en veziko. Punkciu tiun ĉi vezikon kaj elen, elen, elen eskapas viveco, kiel la koloro de fadiĝanta sonĝo.”

“Belo estas glaceo kion amo aldonas por trompi la okulon. Pro tio povus diriĝi, ke kiam la cerbo estas sen amo la okulo rigardas vidante neniom da belo.”

“Kelkaj diras ke viroj leviĝis el de tero kiel larvoj el de mortintulo; aliaj sugestas ke la unuaj viroj deziris loĝejon kaj tial kreis Teron per sorĉado. La demando estas ĉirkaŭita per detalismo; nur la Kuratoro povas respondi kun precizeco.”

“Senfina malplenejo.”

Kaj Gajal cerbumis kaj hipotezis, proponis kaj asertis ĝis okazis, ke li trovis sin subjekto de kaŝe publika amuzo. Onidiro cirkuladis, ke gléfto trovinta la patrinon de Gajal dum naskado, estis ŝtelinta parton de lia cerbo, lasante mankon kion li poste labore strebis ripari.

Gajal tial apartigis sin kaj travagadis la herbajn montetojn de Sfer en soleco. Sed ĉiam lia menso demandemis, ĉiam li serĉis eltrovi la sciojn pri ĉio ĉirkaŭ li, ĝis fine lia patro, pro ĉagreniĝo, rifuzis aŭdi pluajn enketojn, decidante ke ĉioma scio estis jam sciita, ke la bagatelaĵoj kaj senutilaĵoj estis jam forĵetitaj, lasante reziduon kio estas ĉio kio necesas por kompleta viro.

Je tiu ĉi tempo Gajal estis en la komenca parto de plenkreska vireco, negranda sed bonforma junulo kun klaraj okuloj, inklino je severe elegantaj vestoj, kaj kaŝita problemo kiu montris sin per strikteco ĉe la anguloj de lia buŝo.

Aŭskultinta la koleran decidegon de sia patro Gajal diris, “Unu demandon pluan, kaj poste mi demandados ne plu.”

“Parolu,” deklaris lia patro. “Unu demandon pluan mi permesas al vi.”

“Vi ofte referencigis min je la Kuratoro; kiu li estas, kie mi trovu lin, por ke mi kuracu mian malsatdoloron pri kompreno?”

Momenton la patro detale inspektis la filon, kiun li nun konsideris jam transirinta la randon al frenezîĝeco. Poste li respondis en kvieta voĉo, “La Kuratoro gardas la Muzeon Homaran, kion antikva legendo indikas por troviĝi en la Lando de la Falanta Muro — malantaŭ la montoj de Fer Akŭila kaj norde de Askolajs. Ne estas certe ke aŭ Kuratoro aŭ Muzeo ankoraŭ ekzistas; tamen ŝajne evidentas ke se la Kuratoro scius ĉiujn aferojn, kiel diras legendo, necesas ke li sciu la mort-evitilon de sorĉistoj.”

Gajal diris, “Mi volas serĉi la Kuratoron, kaj la Muzeon Homaran, por ke ankaŭ mi sciu ĉiujn aferojn.”

La patro diris pacience, “Mi donacos al vi mian bonegan blankan ĉevalon, mian Plivastigeblan Ovon por via ŝirmilo, mian Scintilan Ponardon por lumigi la nokton. Plue, mi eldiros benon laŭlonge sur via vojo, kaj danĝero preterglitos vin kondiĉe ke vi ne vagos for de la propra irejo.”

Gajal entenis la cent novajn demandojn kiuj pretis sur sia lango, inkluzive de enketo pri kie la patro lernis tiujn ĉi manefestaĵojn de sorĉado, kaj akceptis la donacojn: la ĉevalon, la magian ŝirmilon, la ponardon kun la luma pomelo, kaj la benon por gardi lin de la malavantaĝaj cirkonstancoj kiuj malhelpegas vojaĝantojn laŭlonge de la malhelaj piedvojo de Askolais.

Li pretigis la ĉevalon, akrigis la ponardon, faris lastan ĉirkaŭrigardon en la malnova domego ĉe Sfer, kaj ekforiris al la nordo, kun la malplenejo en sia cerbo pulsante deziranta la plaĉigan premon de kompreno.

Li transiris la Riveron Skaŭm’ sur malnova barĝo. Surpaŝante la barĝon kaj pro tio depaŝinte la irejon la beno perdis sian efikofortecon kaj la barĝisto, kiu avidis la riĉaspektajn vestaĵojn de Gajal, provis klabi lin per pezoŝarĝita bastoneto. Gajal defendis la baton kaj piedbatis la viron en la netravideblan profundan akvon, kie li dronis.

Suprenirante la nordan randon de la Skaŭm’ li vidis antaŭ si la Porfiran

Cikatron, la malhelajn poplojn kaj blankajn kolonojn de Kajin, la malfortan brilon de Golfo Sanrealo.

Vaganta sur la dispeciĝantaj stratoj, li tiom multe demandadis al la langvoraj loĝantoj, ke unu en seka ŝercemo sugestis, ke li aliru profesian aŭguriston.

Tiu ĉi troviĝis en budo farbita kun la Signoj de la Aŭmokopelastiana Kabalo. Li estis alte maldika brunulo kun ruĝe randitaj okuloj kaj malpura blanka barbo.

“Kiom viaj prezoj?” demandis Gajal singarde.

“Mi respondas al tri demandoj,” statis la aŭguristo. “Kontraŭ dudek tércoj mi ordigas respondon en klara kaj reaginda lingvaĵo; kontraŭ dek mi uzas la lingvon de ĉantado, kio foje enlasas ambiguecon; kontraŭ kvin mi parolas alegorion kion vi devas interpreti laŭ via propra volo; kaj kontraŭ unu térco mi babiladas en nekonata lingvo.”

“Unue mi devas enketi, kiom profundas via scio?”

“Mi scias ĉion,” respondis la aŭguristo. “La sekretojn de la ruĝo kaj la sekretojn de la nigro, la perditajn sorĉojn de Granda Motolamo, la filozofion de la fiŝo kaj la voĉon de la birdo.”

“Kaj kie estis vi lerninta ĉiujn ĉi aferojn?”

“Per pura induktado,” eksplikis la aŭguristo. “Mi reeniras mian budon, mi enĉambrigas min kun absolute neniom da lumo, kaj, tiel apartigita, mi solvas ĉiujn profundaĵojn de la mondo.”

“Kun ĉiom ĉi valoregaj sciaĵoj jam posedataj,” pridemandis Gajal, “kial vi vivtenas tiom malriĉe, kun ne eĉ unco da graso en via korpo kaj tiuj ĉi malvaloregaj vestaĵoj sur via dorso?”

La aŭguro staris rekte en furoro, “Iru pretere, iru pretere! Mi jam malŝparis kvindek tércojn da saĝeco je vi, kiu havas ne eĉ kupran pecon en via zonsako. Se vi deziras senpagan eksaĝiĝon,” kaj li ridaĉis pro amuzego “iru serĉi la Kuratoron.” Kaj li ŝirmis sin en sia budo.

Gajal luis ĉambron por la nokto, kaj je la manteno pluiris norden. La detruitaj

lokoj de la Malnova Urbo pasis je la maldekstro, kaj la irvojo kondukis en la fablan arbaron.

Multajn tagojn Gajal rajdis norden, kaj, singarda kontraŭ danĝero, restis sur la irvojo. Je noktoj li ĉirkaŭis sin kaj sian ĉevalon en sia magia ŝirmejo, la Plivastigebla Ovo — membrano nepenetrigebla per muskolo, ungo, sorĉo, premsonego aŭ malvarmo — kaj tial restis senzorge malgraŭ la provoj de la avidaj estuloj de la mallumo.

La granda nebrila globo de la suno falis malantaŭ li; la tagoj fariĝis palaj kaj la noktoj akre malvarmaj, kaj fine la krutaĵoj de la montaro Fer Akŭila sinprezentis minimumege ĉe la norda horizonto.

La arbaro jam fariĝis malpli alta kaj malpli densa, kaj la kutima arbo estis dáobado, ronda dika afero el pezaj nodecaj branĉoj, tiuj ĉi el koloro de frot-polurita flav-ruĝa bronzo, surŝutita de malhelaj pilke tufaj foliaroj. Apud giganto de la genro Gajal trovis vilaĝon el herboteraj dometoj. Disa aro da malamiketaj aĉuloj aperis kaj ĉirkaŭis lin montrante esprimojn de kuriozeco. Gajal, ne mapli ol la vilaĝanoj, havis demandojn, sed neniuj volus paroli ĝis post alpaŝus la vilaĝestro — fortika viro kiu portis dikfelan ĉapelon, mantelon el bruna felo kaj brosaspektan barbon, tiel ke estis malfacile distingi kie unu finiĝis kaj la alia komencis. Li putre odoris, kio malplaĉis al Gajal, kiu, pro celo ĝentila, kaŝis sian malplaĉiĝon.

“Kien vi iras?” demandis la vilaĝestro.

“Mi volas transiri la montojn al la Muzeo Homara,” diris Gajal. “Kien kondukas la vojeto?”

La vilaĝestro fingre indikis noĉon sur la silueto de la montaro. “Jen Omuna Intermonto, la plej mallonga kaj plej bona irejo, sed vojo mankas. Neniu venas kaj neniu iras, ĉar kiam oni pasas la Intermonton, tiam oni surmarŝas landon nekonatan. Kaj kie trafiko mankas, memevidente ne necesas esti vojeto.”

La informo ne feliĉigis Gajal-on.

“Pro kio, do, estas konate ke Omuna Intermonto kondukas al la Muzeo?”

La vilaĝestro ŝultrolevis. “Tiel indikas nia tradicio.”

Gajal turnis la kapon je aŭdiĝo de raŭka flarado kaj vidis enfermejon el plektitaj salikoj. Sur grundo malpura pro fekaĵo kaj surpaŝita pajlo staris kelke da grandegaj viroj altaj je ok aŭ naŭ futoj. Ili estis nudaj, kun malordaj tufoj da flavaj haroj kaj akvecaj bluaj okuloj. Ili havis vaksaspektajn vizaĝojn kaj esprimojn de aĉa stulteco. Dum Gajal rigardis, unu el ili paŝadis al baseno kaj komencis brue manĝegi grizan kaĉaĵon.

Gajal diris, "Kia speco de aĵoj estas tiuj ĉi?"

La vilaĝestro palpebrumis pro amuziĝo je la naiveco de Gajal. "Tiuj estas niaj áŭstoj, nature." Kaj li gestis malestime je la blanka ĉevalo de Gajal. "Neniam mi vidis áŭston pli strangan ol tiu kiun vi sursidas. La niaj portas nin pli facile kaj ŝajnas esti malpli malignaj; pluse, neniu karno pli bongustas ol tiu de áŭsto ĝuste brezita kaj boligita."

Starante proksimege, li palpis la metalon de la selo de Gajal kaj la ruĝe kaj flave broditan dorsotukon. "Viaj ornamaĵoj tamen estas riĉaj kaj el plejalta kvalito. Mi tial donacos al vi mian grandan kaj pezan áŭston kontraŭ tiu besto kun ĝiaj ekipaĵoj."

Gajal ĝentile deklaris ke plaĉas al li la propra rajdobesto, kaj la vilaĝestro gestis ŝultroleve.

Kornblovo soniĝis. La vilaĝestro ĉirkaŭrigardis, poste turniĝis al Gajal. "Manĝaĵo prepariĝis; ĉu vi manĝos?"

Gajal ekrigardis al la barilo da áŭstoj. "Mi ĝuste nun ne malsatas, kaj mi devas hasti antaŭen. Tamen, mi dankas al vi pro via bonkoreco."

Li forrajdis; dum li pasis sube de la arkaĵo de la granda dáobado, li turniĝis ekrigardi al la vilaĝo. Ŝajnis esti troa aktiveco inter la dometoj. Rememorante la avidon de la vilaĝestro je lia selo, kaj atenta pri tio, ke li ne plu laŭiras la benitan irejon, Gajal urĝis sian ĉevalon antaŭen kaj tondris rapide sub la arboj.

Kiam li alproksimiĝis je la montpiedaj montetoj la arbaro fadis por fariĝi savano, tapiŝita de malbrilaj, artikohavaj herboj kiuj grincis sub la piedoj de la ĉevalo. Gajal ekrigardis suben laŭ la ebenejo. La suno, maljuna kaj tiom ruĝa kiom aŭtuna granato, duonsubiris en la sud-okcidento; la lumo trans la ebenejo estis

malforta kaj akveca; la montoj prezentis kuriozan aspekton de artefareco, kiel pentraĵo desegnita por efiko de nenature forlasita izoleco.

Gajal ekrigardis la sunon fojon plu. Restis plua horo da lumo, poste la malluma nokto de fintempa Tero. Gajal turniĝis ensele, rigardis malantaŭ si, sentante sin sola, sendefenda. Kvar áŭstoj, portantaj virojn surŝultre, venis duonkurantaj el la arbaro. Vidante Gajal-on, ili ekis peze kuradi. Kun tremo Gajal turnis rade sian ĉevalon kaj malstriktigis la rimenojn, kaj la blanka ĉevalo ekkuris trans la ebenejo al Omuna Intermonto. Malantaŭe sekvis la áŭstoj, surrajditaj de la per felo mantelitaj vilaĝanoj.

Ĝuste kiam la suno tuŝis la horizonton, plua arbaro antaŭa montriĝis kiel malklara linio de malheleco. Gajal rigardis malantaŭen al siaj sekvantoj, salte kurantaj nun je unu mejlo malantaŭe, turnis sian rigardon refoje al la arbaro. Malbona loko por rajdi dum nokto…

La malhela foliaro pendis minace super li; li pasis sub la unuaj nodecaj branĉegoj. Se la áŭstoj ne povus flare sekvi la spurojn, ili eble nun evitiĝus. Li ŝanĝis la direkton, turnis unuan fojon, duan, trian fojon, poste haltigis sian ĉevalon por aŭskulti. De malproksime frapega sono atingis liajn orelojn. Gajal elseliĝis, gvidis la ĉevalon en profundan valeton kie densa aro da folioj staris mure. Postnelonge la kvar viroj sur iliaj brute altaj áŭstoj pasis en la posta lumo super li, nigraj duopaj formoj en pozoj sugestantaj pri malbonhumoro kaj malesperiĝo.

La peza frapado kaj paŝado de piedoj fadis kaj ĉesis.

La ĉevalo moviĝis senripozeme; la foliaro susuris.

Malseka venteto pasis malsupren laŭ la valeto kaj malvarmetigis la nukon de Gajal. Mallumeco leviĝis de malnova Tero tiel kiel inko en baseno.

Gajal tremis: pli saĝe, ke li rajdu for tra la arbaro, for de la malĝojaj vilaĝanoj kaj iliaj sentomankaj rajdobestoj. Kvankam…

Li turnis sian ĉevalon supren al la suprejo kie la kvar antaŭe pasis kaj sidis aŭskultantaj. Malproksime malsupren laŭ la vento li aŭdis raŭkan vokon. Turnante al la kontraŭa direkto li lasis, ke la ĉevalo elektu laŭvole la vojon.

Branĉoj kaj branĉegoj plektis desegnaĵojn sur la fadanta purpureco super li; la aero odoris de musko kaj malseka ŝimo. La ĉevalo haltis subite. Gajal, streĉita je ĉiu muskolo, kliniĝis iomete antaŭen, la kapo turnita, aŭskultanta. Estis senso pri danĝero ĉe la vango. La aero estis senmova, malnormala; liaj okuloj povis travidi ne eĉ dek futojn en la nigrecon. Ie proksime estis mortigo — pulvoriga, muĝanta mortigo, preta por subite ŝoki.

Ŝvitanta malvarme, tima kontraŭ ajna moviĝo, li devigis sin al elseliĝo. Rigide li glitis el la selo, elprenis la Plivastigeblan Ovon, kaj ekĵetis ĝin ĉirkaŭ sian ĉevalon kaj sin mem. Ah, nu … Gajal ellasis la premon de sia entenita spiro. Sekureco.



Malforta ruĝa lumo striis kline tra la branĉoj el la oriento. La spiraĵo de Gajal vaporis en la aero kiam li elvenis la Ovon. Post porciumi por si mem manplenon da sekigita frukto kaj por la ĉevalo sakon da muelitaj grajnoj, li enseliĝis kaj ekiris al la montoj.

La arbaro pasiĝis malantaŭen, kaj Gajal rajdis el ĝi sur altan ebenejon. Li alrigardis la linion da montoj. Sufuze de rosa sunlumo, la griza, grize verda, malhele verda montaro vagadis okcidenten malproksime al la Golfo Melantuno, orienten al la malproksima Lando de la Falanta Muro. Kie Omuna Intermonto?

Gajal de Sfer serĉis vane por trovi la noĉon kiu estis videbla de la vilaĝo de la fele mantelitaj murdistoj.

Li malridetis kaj turnis siajn okulojn supren al la altecon de la montoj. Eroditaj de la pluvoj de la daŭrotempo de la Tero, la deklivoj de la montflankoj estis facilaj kaj la krutaĵoj leviĝis tiel kiel stumpoj de elputriĝintaj dentoj. Gajal turnis sian ĉevalon por supreniri kaj trairis la senvojan deklivon en la montaron Fer Akŭila.



Gajal de Sfer estis perdinta la vojon en lando de vento kaj nudaj krutaĵoj. Kiam venis nokto li kurbis senemocie en la selo dum la ĉevalo portis lin laŭ propra volo. Ie la antikva vojo tra Omuna Intermonto kondukus al la norda tundro, sed nun, sub malvarmiga tutĉiela nubaro, la nordo, oriento, sudo kaj okcidento similis sube de lavend-metale kolora ĉielo. Gajal rimene haltigis sian ĉevalon kaj,

leviĝanta en la selo, serĉis la teron. La krutaĵoj staris, altaj, fremdaj; la grundo estis senvegetaĵa krom per aretoj de seka arbusto. Li faletis por sidiĝi kurbe en la selo, kaj lia blanka ĉevalo kuretis antaŭen.

Kapo klinita antaŭen kontraŭ la vento Gajal rajdis, kaj la montoj plasiĝis kline en la krepusko tiel kiel skeleto de fosilio de dio.

La ĉevalo haltis, kaj Gajal trovis sin ĉe la rando de larĝa valo. La vento jam mortis; la valo kvietis. Gajal kliniĝis antaŭen fikse rigardanta. Sube etendiĝis malhela kaj senviva urbo. Nebulo bloviĝis laŭ la stratoj kaj en la krepuska postlumo falis malbrile sur ardezajn tegmentojn.

La ĉevalo nazblekis kaj skrapis la multŝtonan grundon.

“Stranga urbo,” diris Gajal, “sen lumoj, sen sono, sen odoro de fumo… Preterdube forlasita ruino de antikvaj tempoj…”

Li pense debatis, ĉu li subeniru al la stratoj. Foje okazas, ke malnovaj ruinoj hantiĝas fare de strangaj distilaĵoj, sed tia ruino eble aliriĝas per vojeto. Tenante al tiu ĉi penso li startis sian ĉevalon subeniri la deklivon.

Li eniris la urbeton kaj la hufoj sonoris laŭte kaj akre sur la pavimŝtonoj. La konstruaĵoj estis el ŝtono kaj malhela mortero kaj ŝajnis esti nenormale bone konservitaj. Kelkaj linteloj jam rompiĝis kaj subfleksiĝis, kelkaj muroj gapis malfermaj, sed por la plejparto la ŝtonaj domoj sukcesis kontraŭstari la mordadon de tempo… Gajal flaris fumon. Ĉu homoj ankoraŭ loĝis ĉi tie? Decis, ke li antaŭiru zorge.

Antaŭ konstruaĵo kiu aspektis kiel gastejo floroj en urno ornamis. Gajal rimentire haltigis sian ĉevalon kaj pripensis ke floroj estas malofte ŝatataj fare de homoj malamike inklinaj.

“Saluton!” li vokis unu fojon — duan fojon.

Neniuj kapoj aperis el pordoj, neniu oranĝa flagreto lumis la fenestrojn. Gajal malrapide turniĝis kaj rajdis plu.

La strato plilarĝiĝis kaj turniĝis al granda ĉefdomo, kie Gajal vidis lumeton. La konstruaĵo havis altan fronton, tiu havanta kvar grandajn fenestrojn, ĉiu el kiuj

havis du faldkurtenojn el surpentrita bronza filigrano, kaj ĉiu situis super balkaneto. Marmora balustrado antaŭ la teraso briletadis oste blanka, kaj, malantaŭ tio, masiva pordo estis iomete malferma; el tio venis la strio de lumo kaj ankaŭ frazo de muziko.

Gajal de Sfer, haltante, fiksrigardis nek la domon nek la lumon trairante la domon. Li elseliĝis kaj riverencis al la juna virino kiu sidis pensante sur la balustrado iom malproksime laŭ ĝia longo. Kvankam estis tre malvarme, ŝi portis nur simplan robon, flav-oranĝan, koloro de dafodilo. Topaz-koloraj haroj falis malstrikte ĝis la ŝultroj kaj donis al ŝia vizaĝo aspekton imponan kaj penseman.

Dum Gajal rektiĝis de sia riverenco la virino kapklinis, ridetanta iome, kaj senatente fingrumis la harbuklon apud la vango.

"Estas amara nokoto por vojaĝado."

"Amara nokto por kontempli la ŝtelojn," respondis Gajal.

Ŝi ridetis refoje. "Mi ne malvarmas. Mi sidas kaj revas… Mi aŭskultas la muzikon."

"Kiel nomiĝas tiu ĉi loko?" demandis Gajal, rigardanta laŭlonge la straton unudirekte, aliadirekte, refoje al la junulino. "Ĉu estas iuj aliaj krom vi mem?"

"Tiu ĉi loko nomiĝas Karhaselo," diris la junulino, "forlasita de ĉiuj antaŭ dek mil jaroj. Nur mi kaj mia maljuna onklo loĝas ĉi tie, trovante tiun lokon rifuĝejo de la Saponedoj de la tundro."

Gajal pripensis: tiu ĉi virino eble aŭ eble ne estas sorĉistino.

"Vi malvarmas kaj lacas," diris la junulino, "kaj mi devigas vin plue stari surstrate." Ŝi stariĝis. "Ni ofertas al vi gastigadon."

"Tion mi feliĉe akceptas," diris Gajal, "sed unue mi devas konduki mian ĉevalon al ŝirmejo."

"Li estos kontenta en la domo tie. Ni havas nenian ĉevalejon." Gajal, sekvante ŝian fingromontron, vidis malaltan ŝtonan konstruaĵon kun malfermita pordo kondukanta al nigreco.

Li kondukis la blankan ĉevalon tien, deprenis la bridon kaj selon; poste, staranta en la pordo, li aŭskultadis la muzikon kion li estis atentinta antaŭe, la fajfado de tremige stranga kaj antikva fluta muziko.

“Strange, strange,” li murmuris, dorlote frotanta la muzelon de la ĉevalo. “La onklo ludas muzikon, la junulino fiksrigardas la stelojn de la nokto…” Li konsideris momenton. “Eble mi estas tro suspektema. Se sorĉistino ŝi estas, nenion ŝi povas gajni de mi. Se ili estas simplaj rifuĝantoj kiel ŝi diras, kaj amantoj de muziko, elble ili ĝuos fajfaĵojn de Askolajs; tio pagos, iomete, kontraŭ ilia gastigemo.” Li etendis en la selosakon, elprenis sian fluton, kaj enpoŝigis ĝin malantaŭ la ĉemizo.

Li alkuris reire al la loko kie la knabino atendis lin.

“Vi ne estis dirinta al mi vian nomon,” ŝi instigis al li, “por ke mi renkontigu vin al mia onklo.”

“Mi estas Gajal de Sfer, apud la Rivero Skaŭm en Askolajs. Kaj vian?”

Ŝi ridetis, puŝante plimalferme la pordon. Varmeta flava lumo surfalis la pavimŝtonan straton.

“Mi havas nenian nomon. Mi bezonas nenian. Neniam estis iu alia krom mia onklo; kaj kiam li parolas, tiam estas neniu por respondi krom mi.”

Gajal fiksrigardis mirigite; poste, taksante sian mirigiĝon tro memevidenta por ĝentileco, regis al si la esprimon. Eble ŝi suspektus pri li sorĉistecon kaj timis prononci la nomon kontraŭ tio, ke li verku magiaĵon per ĝi.

Ili eniris la ŝtone pavimitan halon, kaj la sono de flutado plilaŭtiĝis.

“Mi nomos vin Amna, se mi rajtas,” diris Gajal. “Tio estas floro el la sudo, tiom ora kaj ĝentila kaj bonodora kiel vi ŝajnas esti.”

Ŝi kapjesis. “Vi rajtas nomi min Amna.”

Ili eniris ĉambron ornamitan de murtapiŝoj, grandan kaj varmetan. Granda fajro lumadis ĉe unu muro, kaj jen staris tablo portanta manĝaĵojn. Sur benko sidis muzikitsto — maljunulo, malneta, iom malpura. Liaj blankaj haroj pendadis

nekombitaj malsupren laŭ la dorso; lia barbo, en ne pli bona zorgstato, estis malpura kaj flava. Li vestiĝis per eluzita kitelo, tre malpura, kaj la ledo de liaj sandaloj montris fendojn pro sekiĝado. Strange, li neniam prenis la fluton for de la buŝo, sed daŭrigis la fajfadon; kaj la junulino en flavaĵoj, Gajal observis, ŝajne moviĝadis laŭ la ritmo de la tonoj.

“Onklo Ludoŭik,” ŝi vokis en gaja voĉo, “Mi kondukas al vi gaston, Sinjoron Gajal de Sfer.”

Gajal alrigardis la vizaĝon de la viro kaj konsideris. La okuloj, kvankam iom akvecaj, estis grizaj kaj brilaj — febre brilaj kaj inteligentaj; kaj, laŭopinie de Gajal, vekigitaj de stranga ĝojo. Tiu ĝojo estis plue konfuza je Gajal, ĉar la sulkoj de la vizaĝo indikis nenion krom jarojn da mizero.

“Ĉu eble vi ludas?” demandis Amna. “Mia onklo estas bonega muzikisto, kaj tiu ĉi estas lia tempo por muziko. Li estis observinta la rutinon dum multaj jaroj…” Ŝi turniĝis kaj ridetis al Ludoŭik la muzikisto. Gajal kapjesis ĝentile.

Amna indikis la manĝaĵoplenan tablon. “Manĝu, Gajal, kaj mi verŝos por vi vinon. Poste eble vi ludos la fluton por ni.”

“Feliĉe,” diris Gajal, kaj li atentis, ke la ĝojo sur la vizaĝo de Ludoŭik fariĝis pli evidenta, tremetante ĉe la anguloj de ties buŝo.

Li manĝis kaj Amna verŝis por li oran vinon ĝis lia kapo komencis balanci. Kaj neniam ĉesis Ludoŭik sian fajfadon — nun estis kara melodio de fluanta akvo, poste estis serioza muzikaĵo kiu rakontis pri la perdita oceano okcidenta, alian fojon estis simpla melodio tia kian eble infano kantus ĉe siaj ludoj. Gajal observis tion, pri kiel Amna adaptis sian emocion je la muziko — serioze kaj gaje laŭ la muzika kondukado. Strange!, pensis Gajal. Tamen — homoj tiom izolaj emas kreski strangajn manierojn, kaj ili ŝajnis bonkoraj laŭ tutaspekto.

Li finis manĝi kaj stariĝis rekte, stabiligante sin kontraŭ la tablo. Ludoŭik ludis svingetantan muzikaĵon, melodion pri vitraj birdoj flugantaj ade laŭ cirkloj ligitaj per ruĝa fadeno en la sunlumo. Amna venis dancante al li kaj staris proksime — tre proksime — kaj li flaris la varmetan parfumon de ŝiaj malstriktaj oraj haroj. Ŝia vizaĝo estis feliĉa kaj sovaĝa… Strange tio, ke Ludoŭik alrigardadis tiom serioze, tamen sen ajna vorto. Eble li mise dubis la volon de nekonato.

Tamen…

“Nun,” anhelete diris Amna, “eble vi ludos la fluton; vi estas tiom forta kaj juna.” Poste, ŝi diris rapide, vidinte la okulojn de Gajal plimalfermiĝi, “Mi volas diri, vi ludos la fluton por maljuna onklo Ludoŭik, kaj li feliĉe foriros al sia lito — kaj post tio ni sidos kaj konversacios longe en la nokton.”

“Feliĉe mi ludos la fluton,” diris Gajal. Kaj li malbenis la langon propran, samtempe tiom flua kaj tiom sensaĝa. Estis pro la vino. “Feliĉe mi ludos. Min oni taksas tre lerta ĉe mia hejma domego ĉe Sfer.”

Li rigardis al Ludoŭik, poste fiksrigardis al la esprimo de freneza ekĝojo kiun li surprize trovis. Mirinde, ke viro estu tiom entuziasma pri muziko.

“Do — ekludu!” anhelete diris Amna, urĝante lin iomete al Ludoŭik kaj la fluto.

“Eble,” sugestis Gajal, “Decas, ke mi atendu ĝis via onklo paŭzos. Mi ŝajnus esti malĝentila —”

“Ne, kiam li vi indikas ke vi volas ludi, tiam li ĉesos. Simple prenu la fluton. Komprenu,” ŝi konfidis, “ke li iomete surdas.”

“Komprenite,” diris Gajal, “tamen mi havas fluton propran.” Kaj li elprenis ĝin de sub la ĉemizo. “Nu — kio problemas?” Ĉar frapa ŝanĝiĝo okazis je ambaŭ la junulino kaj la maljunulo. Rapida eklumo leviĝis en ŝiaj okuloj, kaj la stranga esprimo de ĝojo ĉe Ludoŭik estis for, kaj estis nur malbrila senespero en ties okuloj, stulta rezigniĝo.

Gajal malrapide paŝis retroen, konfuzita. “Ĉu vi malvolas, ke mi ludu?”

Okazis paŭzo. “Kompreneble,” diris Amna, juna kaj ĉarma refoje. “Sed mi certas, ke Onklo Ludoŭik ŝatus aŭdi vin ludi ties fluton. Li alkutimiĝis al ĝia piĉo — malsama skalo eble estus malfamiliara…”

Ludoŭik kapjesis, kaj espero refoje brilis en la akvecaj maljunaj okuloj. Ĝi ja estis bonega fluto, Gajal observis, luksa ekzemplero el blanka metalo, randita kaj ornamita per oro, kaj Ludoŭik tenegis tiun ĉi fluton kvazaŭ li neniam ĝin maltenus.

“Prenu la fluton,” sugestis Amna. “Li neniel malŝatos, ke vi tion faru.” Ludoŭik neis per la kapo por signi, ke liaflanke kontraŭstaroj tute mankas. Sed Gajal, observante kun malgusto la longan malpure makulitan barbon, ankaŭ kapneis. “Mi povas ludi ajnan skalon, ajnan tonon sur la fluto propra. Neniel necesas ke mi uzu tiun de via onklo kaj eble lin maltrankviligi. Aŭskultu,” kaj li levis sian instrumenton. “Jen estas kanto de Kajin, nomata ‘La Opalo, la Perlo kaj la Pavo’.”

Li metis la fluton kontraŭ la lipoj kaj komencis ludi, ja tre lerte, kaj Ludoŭik sekvis lin, plenumante la paŭzojn, konstruante kordojn. Amna, forgesante sian obstakliĝon, aŭskultis kun la palpebroj duone fermitaj, movis la brakon laŭ la ritmo.

“Ĉu vi ĝuis tion?” demandis Gajal, kiam li finis.

“Tre multe. Eble vi provus tion sur la fluto de Onklo Ludoŭik? Ĝi estas bonega fluto por ludi, tre mola kaj facila al la spirado.”

“Ne,” diris Gajal, kun subita obstineco. “Mi kapablas ludi nur per la propra instrumento.” Li blovis refoje, kaj ĝi estis danco de la festivalo, salteta karnavala fajfaĵo. Ludoŭik, ludante kun supernatura lerteco, muzike trakuris feliĉajn sonfrazojn kiam ajn decis, kaj Amna, portata laŭ la ritmo, dancis dancon tute propran, feliĉan paŝadon ĝustatempan kun la muziko.

Gajal sonigis senbridan tarantelon de la kamparanaj popoloj, kaj Amna dancis pli sovaĝe kaj rapide, eketendis la brakojn, radiis, spasme movis la kapon en bonega spektaklo. Kaj la fluto de Ludoŭik ludis brilan sonfrazegon, saltante superen, poste suben, akordante, kurbiĝante flanken, plektante etajn arĝentajn fadenojn da sono ĉirkaŭ la melodio de Gajal, aldonante ĝustatempajn etajn gracio-frazojn.

La okuloj de Ludoŭik nun fikse sekvis la girantan figuron de la dancanta junulino. Kaj subite li ekestigis temon propran, muzikaĵon plej sovaĝe senbridan, el ritmo preskaŭ tambura; kaj Gajal, portita mem laŭ la fortika muziko, blovis tiel kiel neniam antaŭe li estis blovinta, tiel ke li mem inventis trilojn kaj skalojn, girajn arpeĝojn, blovis alte kaj akre, laŭte kaj rapide kaj klare.

Ĝi estis neniaĵo kompare al la muziko de Ludoŭik. Liaj okuloj elstaregis; ŝvito

fluadis de sur lia sulkohava maljuna frunto; lia fluto ŝiris la aeron en ŝirstriojn treme ekstazajn.

Amna dancis freneze; ŝi ne plu estis bela, ŝi aspektis groteske kaj nefamiliara. La muziko fariĝis io pli ol povis toleri la sensoj. La vidado de Gajal koloriĝis roze kaj grize; li vidis, ke Amna falis svene, ke ŝi buŝoŝaŭme tremetadis; ka Ludoŭik, fajr-okula, ŝancele stariĝis, ŝancele aliris ŝian korpon kaj komencis teruran konkordan muzikon, malrapidaj frazoj el la plej solena kaj timiga signifo.

Ludoŭik sonigis morton.

Gajal de Sfer turniĝis kaj kuris grand-okule el la ĉambregon. Ludoŭik, neniom atentante, daŭrigis sian teruran flutadon, ludis kvazaŭ ĉiu noto estus pinta rostostango penetranta al ŝi la skapolojn.

Gajal kuris tra la nokto, kaj malvarma akro mordis al li kiel grajlo. Li ekeniris la ŝirmejon, kaj la blanka ĉevalo blekis al li. Rapide almetiĝis la selo, rapide la brido, rapide al forkuro laŭlonge la stratojn de malnova Karhaselo, preter la gapantaj nigraj fenestroj, sonorile sur la stele lumigitaj pavimŝtonoj, for de la muziko de morto!

Gajal de Sfer supren-galopis la monton kun la steloj en sia vizaĝo, kaj ne ĝis post atingi la ŝultraĵon turniĝis li en la selo por rigardi malantaŭen.

La ĵus komencanta sunsupreniro tremble lumis la ŝtonan valon. Kie estis Karhasel? Nenie estis urbo — nur disfalaĵo el ruinoj…

Ho! Ĉu malproksima sono?…

Ne. Ĉie estis silento.

Sed malgraŭe…

Ne. Nur disfalintaj ŝtonoj sur la planko de la valo.

Gajal, kun fiksema rigardo, turniĝis por laŭiri la propran direkton, laŭ la vojo kiu etendiĝis norden antaŭ li.

La muroj de la deklivo kiuj kondukis la vojon estis el kruta griza granito,

kolorigita skarlate kaj nigre per liĥeno, melduigita blue. La hufoj de la ĉevalo faris klop-klop-klop-ajn sonojn, laŭte al la oreloj de Gajal, hipnote al lia cerbo, kaj post la sendorma nokto li trovis sian formon subfleksiĝanta. Liaj okuloj fariĝadis malklaraj kaj varmetaj kun dormemo, sed la vojo antaŭa kondukis al ne antaŭe viditaj vidaĵoj, kaj la malpleneco en la cerbo de Gajal instigis lin sen mildiĝo.

La laceco tiom grandiĝis ke Gajal glitis duone el la selo. Vekigante sin, li decidis, ke li ĉirkaŭiru unu turniĝon plu de la vojo kaj poste haltu por ripozi.

Supere la roko pasiĝis por kaŝi la ĉielon kie la suno ĵus pasis la zeniton. La vojo turniĝis krute ĉirkaŭ ŝultro el roko; antaŭe lumis eta montraĵo de indiga ĉielo. Unu turniĝon pluan mi prenos, Gajal diris al si mem. La deklivo malfermiĝis, la montoj malantaŭis lian dorson kaj li rigardis elen trans cent mejloj da stepo. Ĝi estis lando ombrita per subtilaj koloroj, verŝita per delikataj ombroj, fadiĝanta kaj fandiĝanta en trokoloran nebulecon ĉe la horizonto. Li vidis solan eminentaĵon supere kaŝitan fare de arboj, vidis briletadon de lago ĉe ĝia piedo. Je la transa flanko situis amaso da grize blankaj ruinoj nur iomete videblaj. Ĉu la Muzeo Homara?… Post momenta sendecidado, Gajal elseliĝis kaj serĉis dormadon interne de la Plivastigebla Ovo.

La suno ruliĝis en malgaja luksa majesteco malantaŭ la montoj; krepusko falis trans la tundro. Gajal vekiĝis kaj refreŝigis sin ĉe proksima akvoflueto. Donante muelaĵon al sia ĉevalo, li manĝis sekigitan frukton kaj panon; poste li enseliĝis kaj rajdis malsupren laŭ la vojeto. La ebenejo etendiĝis vaste norden antaŭ li, kondukante al senhomecon; la montoj staris nigraj supere kaj malantaŭe; malrapida malvarma venteto blovis al lia vizaĝo. Mallumeco profundiĝis; la ebenejo sinkis el videbleco kvazaŭ droninta lando. Hezitema pro la krepuskeco, Gajal rimene haltigis sian ĉevalon. Pli bone, li pensis, ke li rajdu en la mateno. Se li perdus la vojon en la mallumo, ne prognozeblas tion kion li povus renkonti.

Aŭdiĝis sono bedaŭra. Gajal rigidiĝis kaj turnis la vizaĝon ĉielen. Ĉu suspiro? Ĉu ĝemo? Ĉu plorego?… Plua sono, pliproksima, susuro de ŝtofo, malstrikta vestaĵo. Gajal timkaŭris en sia selo. Ŝvebante malrapide malsupren tra la mallumo venis formo blanke envestita. El de kapuĉo interne lumigita strangkolore rigardadis vizaĝo kun okuloj tiaj kiaj truoj de kranio.

Ĝi elspiris sian mornan sonon kaj ŝvebis for en la alteco… Poste estis nur la blovado de vento preter la oreloj de Gajal.

Li enspiris tremetadan spiron kaj kurbiĝis kontraŭ la pomelo. Al li la ŝultroj sentiĝis senŝirmaj, nudaj. Li glitis grunden kaj aranĝis la ŝirmilon de la Ovo ĉirkaŭ si kaj sia ĉevalo. Pretiginte sian dormkusenon, li kuŝigis sin suben; postnelonge, dum li kuŝis alrigardante la nokton, dormo alvenis lin kaj tiel pasis la nokto.

Li vekiĝis antaŭ ol sunsupreniro kaj refoje ekveturis. La vojeto estis rubando el blanka sablo inter flankaj deklivetoj el griza ulekso kaj la mejloj pasadis rapide.

La vojeto kondukis al la per arboj kovrita elstaraĵo kiun Gajal atentis de supere; nun li kredis, ke li vidis tegmentojn tra la peza foliaro kaj fumo en la akra aero. Kaj postnelonge ĉe dekstre kaj maldekstre etendiĝis kultivitaj kamparoj el nardo, ĥálo kaj medo-pomo. Gajal pluriradis kun okuloj atentaj pri homoj..

Ĉe unu flanko aperis barilo el ŝtono kaj nigra ligno: la ŝtono ĉizita kaj hakita laŭ aspekto de kvar globoj bide aranĝitaj sur centra fosto, la nigraj lignostangoj servis kiel reloj enpoŝte fiksitaj en ingoj kaj gravuritaj por formi precizajn helicojn. Malantaŭ tiu ĉi barilo kuŝis regiono el nuda tero kirlita, kavetigita, frape kavegigita, bruligita kaj tordita, kvazaŭ samteme vizitita fare de fajro kaj grandega martelo. Mire hipotezante Gajal rigardadis kaj ne atentis la tri virojn kiuj proksimiĝis kviete al li.

La ĉevalo ektimiĝis nervoze; Gajal, turniĝante, vidis la triopon. Ili obstaklis al li la vojon kaj unu tenis la bridon de lia ĉevalo.

Ili estis altaj, bonformaj viroj, portantaj striktajn ensemblojn el sombra ledo randita per nigro. Iliaj kapvestoj estis el peza brunruĝa ŝtofo premfaldita laŭ precizaj sulkoj, kaj ledaj pendaĵoj etendiĝis horizontale super ambaŭ oreloj. Iliaj vizaĝoj estis longaj kaj solenaj, kun senmakula ore ebur-kolora haŭto, oraj okuloj kaj haroj tiel nigraj kiel gagato. Memevidente ili ne estis sovaĝuloj: ili moviĝis kun silke mola memregado, ili fiksrigardis Gajal-on kun kritika taksado, iliaj vestaĵoj implikis la disciplinaĵon de antikva kutimo.

La estro paŝis antaŭen. Lia esprimo estis nek timiga nek bonveniga. “Salutojn, nekonatulo; kien vi celas?”

“Salutojn,” respondis Gajal singarde. “Mi celas tien kien direktas mia stelo… Ĉu vi estas la Saponedoj?”

“Tiu estas nia gento, kaj antaŭ vi situas la urbo Saponco.” Li studis Gajal-on kun senkaŝa scivolemo. “Pro la koloro de via vestaro mi suspektas, ke via hejmo estas en la sudo.”

“Mi estas Gajal de Sfer, apud la Rivero Skaŭm’ en Askolajs’.”

“Tiu vojo estas longa,” observis la Saponedo. “Teruraĵoj agacas la vojaĝanton. Devas esti, ke via instigo intensas, kaj ke via stelo tiras per fervoriga logado.”

“Mi venas,” diris Gajal, “laŭ pilgrimado por trankviligi mian spiriton; la vojo tiam ŝajnas mallonga kiam ĝi akiras la celon.”

La Sponedo ofertis ĝentilan akordiĝon. “Do vi estas transirinta la montaron Fer Akŭila?”

“Prave; kvankam tio ke ĝi estis malvarma vento kaj senhoma ŝtono.” Gajal ekrigardis malantaŭen al la superstara masivaĵo. “Nur hieraŭ je noktiĝo mi elvenis la intermonton. Kaj tiam ŝvebis fantomo supere tiel por devigi min pensi ke la tombo venis por nomi min sia propra.”

Li paŭzis pro surprizo; liaj vortoj ŝajne liberigis fortan emocion je la Saponedoj. Iliaj vizaĝaj esprimoj plilongiĝis, iliaj buŝoj fariĝis blankaj kaj kunpremitaj. La estro, lia ĝentila aparteco iom malpliigita, serĉis la ĉielon kun malsufiĉe kaŝita antaŭtimo. “Fantomo… En blanka vestaĵo, granda je tiel kaj tiel, ŝvebanta alte?”

“Jes; ĉu ĝi estas familiara konataĵo de la regiono?”

Sekvis paŭzo.

“Laŭ certa maniero,” diris la Saponedo. “Ĝi estas signalo de malbonego… Sed mi interrompis vian rakonton.”

“Ekzistas malmulto rakontinda. Mi elektis ŝirmiĝi por la nokto, kaj ĉimatene mi iradis malsupren al la ebenejo.”

“Ĉu vi ne agaciĝis plu? Fare de Kubaŭ la Marŝanta Serpento, kiu ĉase marŝadas la deklivojn tiel neeviteble kiel la sorto?”

“Mi vidis nek marŝantan serpenton nek rampantan lacerton; beno ŝirmas al mi la vojon kaj mi renkontas nenian danĝeron tiom longe kiom mi laŭiras sendeflankiĝe la propran vojon.”

“Interese, interese.”

“Nu,” diris Gajal, “permesu, ke mi demandadu al vi, ĉar estas multo kion mi volas lerni; kio estas tiu ĉi fantomo kaj kian malbonaĵon li rememorigadas?”

“Vi demandas pri aferoj kiuj preteras mian scion,” respondis la Saponedo singarde. “Estas saĝe, ke oni ne priparolu tiun ĉi fantomon kontraŭ tio, ke nia atento plifortigus ĝian malignecon.”

“Laŭ via deziro,” respondis Gajal. “Eble vi instruu min…” Li haltigis la langon. Antaŭ ol demandi pri la Muzeo Homara, estus pli saĝe eklerni pri tio, kiel la Saponedoj taksas ĝin, kontraŭ tio, ke ili, atentigitaj pri lia intereso, strebus obstakli lin de informiĝo.

“Jes” enketis la Saponedo. “Kio mankas al vi?”

Gajal indikis la bruligitan lokon malantaŭ la barilo el ŝtono kaj ligno. “Pri kio signifas tiu ĉi detruitejo?”

La Saponedo fiksrigardis trans la loko kun fikita senesprimeco sur la vizaĝo kaj ŝultrolevis. “Ĝi estas unu el la antikvaj lokoj; tiom multe oni konas, neniom pluan. Morto hantas ĉi tie, kaj neniu vivantulo povas transiri la lokon sen suferi plej malican magion kio instigas fortan malsanon kaj doloregajn ulcerojn. Ĉi tien ni sendas tiujn kiujn ni volas mortigi… Sed ne evitu. Vi estus deziranta ripozi kaj refreŝigi vin ĉe Saĝonco. Venu; ni gvidos vin.”

Turniĝante li laŭiris la vojeton kondukantan al la urbeto, kaj Gajal, sen kaj vortoj kaj kialoj por rifuzi la ideon, urĝis sian ĉevalon antaŭen.

Dum ili alproksimiĝis la per arboj ombrelita monteto la vojeto plilarĝiĝis por fariĝi vojo. Dekstraflanke la lago pliproksimiĝis, malantaŭ malaltaj deklivetoj da purpuraj fragmitoj. Ĉi tie estis kajoj konstruitaj el pezaj nigraj trabegoj kaj boatoj balancis ritme kun la per vento plumigitaj ondetoj. Ili estis konstruitaj laŭ la formo de falĉiletoj, kun pruo kaj pobo kurbiĝantaj alten super la akvo.

Pli alten enire je la urbeto, kaj la domoj estis el hakitaj trabegoj, el koloroj inter ore bruna ĝis vetere malkulita nigro. La konstrumaniero estis komplika kaj ornamega, la muroj leviĝantaj tri etaĝojn ĝis krutaj gabloj supere etendiĝantaj je kaj antaŭo kaj malantaŭo. Fostegoj en kaj grundo kaj lago estis orname tranĉitaj per komplikaj desegnaĵoj: interplektantaj rubandoj, ĉiroj, folioj, lacertoj, kaj simile. La ekranoj ŝirmantaj fenestrojn simile ornamtranĉiĝis, kun foliaroj, bestaj vizaĝoj, radiantaj steloj: luksaj teksturoj en la milda ligno. Estis klare, ke multa esprimado elspeziĝis en la tranĉado.

Supren laŭ la kruta vojo, tra la maluma ombraro sub la arboj, preter domoj duone kaŝitaj per la foliaro, kaj la Saponedoj de Saponco elvenis por fiksrigardi. Ili moviĝis kviete kaj interparolis mallaŭtvoĉe, kaj iliaj vestoj estis el tia eleganteco kian Gajal ne supozis vidi sur la norda stepo.

Lia gvidanto haltis kaj turniĝis al Gajal. “Vi ne malbonvolus atendi dum mi raportas al la Vojevod, por ke li povu aranĝi taŭgan bonvenigon, ĉu?”

La peto estis parolata per senkaŝaj vortoj kaj kun netrompaj okuloj. Gajal pensis ke li perceptis ambiguecon en la frazkonstruo, sed pro tio ke la hufoj de la ĉevalo staris firme sur la vojmezo, kaj pro tio ke oni ne proponis, ke li eliru la vojon, Gajal konsentis kun senkaŝa esprimo. La Saponedo malaperis kaj Gajal sidis pensanta pri la plaĉa urbeto kio situas tiom alte super la ebenejo.

Aro de junulinoj alvenis por ekrigardi al Gajal kun scivolemaj okuloj. Gajal reciproke scivoleme alrigardis, kaj nun atentis pri konfuziga manko je ili, strangeco kiun li ne povis tuj specifigi. Ili portis graciajn vestojn el plektita lano, striita kaj kolorigita diverskolore; ili estis flekseblaj kaj sveltaj, kaj ŝajne al ili koketemo ne mankis. Tamen…

La Saponedo revenis, “Nun, Sinjoro Gajal, ĉu mi rajtas peti, ke ni pluiru?”

Gajal, provante kribri ajnan guston de suspektemo el siaj vortoj, diris, “Mi petas vin kompreni, ke pro la naturo de la beno de mia patro, mi ne riskus eliri la striktan sekvindejon de la vojeto; ĉar tiam, tuje, mi fariĝus sendefenda kontraŭ ajna malbeno, kio, celita je mi laŭ mia pasinta irado, eble celus ĝuste tian okazon por alproksimiĝi parazite mian animon.”

La Saponedo gestis sian komprenon. “Nature; vi sekvas saĝan principon. Lasu

min certigi al vi. Mi nur kondukas vin al akcepto kun la Vojevod kiu eĉ nun hastas al la placo por renkonti nekonatulon de la fora sudo.”

Gajal riverencis dankeme, kaj ili ekpluiris la vojon.

Cent paŝoj pasiĝis kaj la vojo ebeniĝis, transirante komunan kampon kie kreskis etaj, tremetantaj folioj, el koloroj en ĉiuj helecoj de purpuro, ruĝo, verdo kaj nigro.

La Saponedo turniĝis al Gajal. “Pro tio ke vi fremdas, mi devas averti vin pri tio, ke vi neniam surpaŝu la komunejon. Ĝi estas unu el niaj sanktaj lokoj, kaj tradicio postulas severan punon por pekoj kaj sakrilegio.”

“Mi atentas vian averton,” diris Gajal. “Mi obeos vian leĝaron kun respekto.”

Ili pasis densan arbustejon; kun terura bruego besta formo risortis el kaŝejo, fiksrigarda besto kun grandega dentega mandiblo. La ĉevalo de Gajal ektimiĝis, ekkuris, elsaltis la vojon surire al la sanktan komunejon kaj dispremis la tremetantajn foliojn.

Kelke da Saponedaj viroj hastis amase antaŭen, ektenis la ĉevalon, kaptis Gajal-on kaj trenis lin elsele.

“Ho!” kriis Gajal. “Kion tio ĉi signifas? Liberigu min!”

La Saponedo kiu estis servinta kiel gvidisto alproksimiĝis, gestante malaprobon per kapneado. “Nekredeble, kaj mi je nur momento antaŭa emfazis al vi la seriozecon de tia fikonduto!”

“Sed la monstro timigis mian ĉevalon!” diris Gajal. “Mi estas neniel respondeca pri ĝia surpaŝo; liberigu min, lasu ke ni aliru la akcepton.”

La Saponedo diris, “Mi timas, ke la punoj postulataj de tradicio devas efektiviĝi. Viaj protestoj, kvankam ŝajne kredeblaj je la surfaco, ne toleras seriozan enketon. Ekzemple, la besto kiun vi nomas monstro estas, en realeco, sendanĝera malsovaĝigita besto. Due, mi observis la beston kiun vi rajdas; li nek turniĝas nek tordiĝis krom per ekmoviĝeto de la rimenoj. Trie, eĉ se viaj proponoj estus agnoskitaj, vi mem tiel agnoskas kulpecon pri malatento kaj malinformo. Decas ke vi estus elektinta beston malpli inklinan al neprognozebla agado, aŭ post lerni pri la

sankteco de la komunejo, decas ke vi estus konsiderinta tian eblecon kian ĵus nun okazis, kaj pro tio elseliĝus por gvidi vian beston. Pro tio, Sinjoro Gajal, malgraŭ mia malvolo, mi estas devigita kredi vin kulpa je malrespekto, senreligieco, malatento kaj malhumileco. Tial, kiel Kastelano kaj Serĝent-Leganto de la Litanio, mi devas ordoni ke vi estu sekurigita, limigita, barita, enkarcerigita kaj ŝlosita ĝis tiu tempo kiam la punoj estos ekzekutitaj.”

“La tuta okazaĵo estas mokinde!” plendegis Gajal. “Ĉu vi estas sovaĝuloj, tiel, ke vi fitraktas solan vojaĝanton?”

“Neniel,” respondis la Kastelano. “Ni estas alte civilizita popolo, kun kutimoj hereditaj al ni el la pasinteco. Pro tio ke la pasinteco gloris pli ol la estanteco, kiel fie ni pretendus se ni pridubus tiujn ĉi leĝojn!”

Gajal silentiĝis. “Kaj kio estas la kutimaj punoj por tia faro?”

La Kastelano faris trankviligan geston. “La parkeraĵo priskribas tri pento-faradojn, pri kiuj mi certas, ke viakaze ili estos mildaj. Sed — la farindaĵoj devas esti observataj; kaj necesas, ke vi estu maliberigita en la Krimula Ŝranko.” Li gestis al la viroj kiuj tenadis la brakon de Gajal. “Forkonduku lin; transiru nek paŝvojojn nek irejon, ĉar tiukaze via tenado fariĝus sennerva kaj li estus liberigita for de justeco.”

Gajal estis malliberigita en malbone lumigita kelo el ŝtono. Li trovis la plankon seka, la plafonon sen rampantaj insektoj. Li ne traserĉiĝis, nek forpreniĝis lia Scintila Ponardo el de lia zon-skarpo. Kun suspektadoj plenigantaj al li la cerbon li kuŝiĝis sur la fragmita lito kaj, post iome, dormis.

Nun komencis pasado de la tago. Al li doniĝis manĝaĵo kaj trinkaĵo; kaj fine venis al li la Kastelano por viziti.

“Vi ja bonŝancas,” diris la Saponedo, “pro tio, ke kiel atestanto, eblis al mi sugesti, ke viaj pekoj rezutas pli el misfaro ol el malico. La antaŭafojaj punoj efektivigitaj estis striktaj; la krimulo estis ordonita plenumi la sekvajn tri farendaĵojn: unue, detranĉi siajn piedfingrojn kaj kudri la detranĉitajn membrojn sur la haŭto ĉe sia kolo; due, blasfemi kontraŭ siaj praparencoj dum tri horoj, komencante per la Komuna Listo de Tabuoj, inkluzive de ŝajnigita freneziĝo kaj hereda malsano, kaj fine malsanktigi la fajrejon de sia klano per fekaĵo; kaj trie,

marŝadi mejlon sube de la lago kun plumbaj ŝuoj por serĉi la Perditan Libron de Kváloj." Kaj la Kastelĉano alrigardis Gajal-on plaĉmaniere.

"Kiujn taskojn mi devas plenumi?" enketis Gajal sekahumore.

La Kastelano kunmetis la fingropintojn. "Kiel mi diris, la pentofaraĵoj mildas, laŭ decido fare de la Vojevod. Unue vi devas ĵuri ke neniam vi refaros vian krimon."

"Tiel mi ĝoje faras," diris Gajal, kaj tiel ĵuris sin al detenado.

"Due," diris la Kastelano kun milda rideto, "vi devas servi kiel juĝisto ĉe la Granda Spektaklo de Beleco inter la virgulinoj de la vilaĝo kaj elekti ŝin kiun vi trovas la plej bela."

"Apenaŭ malfacila tasko," komentis Gajal. "Kial ĝi falas sur mian taskaron?"

La Kastelano rigardis senesprime plafonen. "Ekzistas kelke da flankaferoj je venko en tiu ĉi konkurso… Ĉiu persono en la urbeto trovu parencojn inter la partoprenantoj — filinon, fratinon, nepinon — kaj pro tio apenaŭ konsiderindus sen antaŭjuĝemo. Imputo pri preferemo neniam povus esti celigita al vi; tial vi decas kiel ideala elektulo por tiu ĉi grava ofico."

Ŝajnis al Gajal, ke li aŭdis sonoron de sincereco en la voĉo de la Saponedo, tamen li scivolis la kialon pri tiu afero, ke tiel gravas la elektiĝo de la plej bela el la urbo.

"Kaj trie?" li demandis.

"Tio estos malkovrata post ol la konkurso, kio okazos ĉi posttagmeze."

La Saponedo eliris la kelon.

Gajal, kiu estis tute sen vaneco, spezis kelkajn horojn por ripari sin kaj sian kostumon senige de la difektiĝoj de veturado. Li banis sin, tondetis la harojn, razis la barbon, kaj tiam, kiam la Kastelano venis por malŝlosi la pordon, li kredis, ke li memprezentis ne malakceptinde.

Li kondukiĝis elen sur la vojon kaj direktiĝis supren laŭ la monteto al la supro

de la surterase konstruita urbeto Saponco. Turniĝante al la Kastelano li diris, “Pro kio vi permesas, ke mi suriru la vojon refoje? Vi certe komprenas, ke mi nun estas sekura kontraŭ malbontraktiĝo…”

La Kastelano ŝultrolevis. “Prave. Tamen vi gajnus malmulton per via dumtempa imuneco. Antaŭe la vojo transiras ponton, kion ni povus detrui; malantaŭe ni bezonas nur fendi la digon ĉe Peilmenĉalan Fluegon; poste, se vi marŝus la vojon, vi estus flankenverŝita kaj tiam, kaj tiel senŝirmiĝi. Ne, Sinjoro Gajal, tuj tiam, kiam la sekreto de via imuneco koniĝas vi ekfariĝas sendefenda kontraŭ diversaj taktikoj. Ekzemple, granda muro povus konstruiĝi obstakle sur la irejo, kaj antaŭ kaj malantaŭ vi. Sendube la sorĉbeno gardos vin kontraŭ soifo kaj malsato, tamen kion vi farus poste? Ĉu vi sidados ĝis la suno estingiĝos?”

Gajal parolis neniom. Trans la lago li observis triopon da lunarkformaj boatoj alproksimiĝantaj la kajojn, pruoj kaj poboj balancantaj flanken kaj antaŭen kun facila movado. La mankeco en lia menso vokis sian atenton. “Kial la boatoj konstruiĝis tiumaniere?”

La Kastelano alrigardis lin senkomprene. “Ĝi estas la sola praktikebla metodo. Ĉu ne tiel kreskas la semujoj de óe-plantoj en la sudo?”

“Neniam mi vidis óe-semujojn.”

“Ili estas la fruktoj de grandega grimpoplanto, kaj kreskas laŭ lunarka formo. Kiam sufiĉe grandaj, ni detranĉas kaj purigas ilin, tranĉas laŭlonge la internan randon, interkroĉas la ekstremojn per fortika ŝnuro kaj kuntiras ĝis la semujo premiĝe malfermiĝas laŭ deziro. Poste, kiam hardigita, sekigita, gravurita, plurita kaj lakita; provizita per deko, rembenkoj kaj fortikigaj pecoj — tiam ni havas niajn boatojn.”

Ili eniris la placon, plata logo ĉe la supro ĉirkaŭita je tri flankoj per altaj domoj el ĉizita malhela ligno. La kvara flanko malfermis al videbleco trans de la lago kaj transe ĝis la elstariĝo de montoj. Arboj superpendis ĉie kaj la suno tralumante faris skarlatan desegnaĵon sur la sabla planko.

Estis surprize al Gajal, ke ŝajne mankis kaj antaŭaj ceremonioj aŭ formalaĵoj por la konkurso, kaj malmulta festo-etoso videblis inter la urbetanoj. Fakte ili ŝajnis subpremetaj de subtila malespereco kaj alrigardis lin sen entuziasmo.

Cent junulinoj staris kune en senespera grupo ĉe la mezo de la placo. Ŝajnis al Gajal, ke ili estis farintaj malmultajn strebojn por sin plibeligi. Kontraŭe, ili portis senformajn vestaĉojn, iliaj hararoj aspektis esti laŭvole malordigitaj, iliaj vizaĝoj estis malpuraj kaj grimacaj.

Gajal fiksrigardis kaj turniĝis al si gvidanto. “Ĉi tiuj knabinoj ŝajnas ne ŝati la girlandon de beleco.”

La Kastelano kapjesis tordamuze. “Kiel vi observis, ili neniel ĵaluzas pri la distingeco; modesteco ĉiam estis Saponeda kvalito.”

Gajal hezitis. “Laŭ kia metodo oni procedu? Mi ne volas pro mia nescio rompi pluan el viaj arkanaj apokrifaĵoj.”

La Kastelano diris kun senesprima vizaĝo, “Formalaj ritoj mankas. Ni kondukas tiujn ĉi konkursojn kun malprokrastemo kaj la plej minimuma ceremonio. Vi devas nur trapasi inter tiuj ĉi virgulinoj kaj indiku ŝin kiun vi trovas plej alloga.”

Gajal ekpaŝis por komenci sian taskon, sentante sin pli ol duone ridinda. Poste li pripensis: tiu ĉi estas puno por kontraŭi absurdan tradicion; mi kondutos efike por ke mi pli rapide liberigu min el la devo.

Li staris antaŭ la cent junulinoj, kiuj rigardis lin kun malamikeco kaj timeto, kaj Gajal ektrovis, ke la tasko ne estos simpla, ĉar entute, ili estis el ia beleco kion eĉ la malpureco, grimacado kaj vestaĵoj ne povis kaŝi.

“Apartigu vin, mi petas, formante linion,” doros Gajal. “Tiel ĉi, neniu suferos malavantaĝon.”

Malbonhumore la knabinoj aranĝis sin por formi linion.

Gajal rigardis juĝe la grupon. Li tuj vidis, ke kelkaj povus esti eligitaj: la malaltaj, la grasegaj, la makulitaj kaj maldelikate aspektaj — eble kvarono el la grupo. Li diris miele, “Neniam mi vidis tiom komune senesceptan belecon; ĉiu el vi povus proprarajte alpropriĝi la premion. Mia tasko malfacilas; mi devas pesi delikatajn nemezureblaĵojn; je la fino mia decido estos sendube bazita sur subjektivismo kaj tiujn el vera ĉarmo estos preterdube la unuaj eligitaj de la

konkurso.” Li paŝis antaŭen. “Tiuj kiujn mi indikos eliru.”

Li marŝis laŭlonge la linion, indikante per fingro, kaj la pli malbelaj, kun esprimoj de memevidenta trankviliĝo, hastis flanken.

Duan fojon Gajal faris prijuĝan rigardon, kaj nun, iom pli bone konanta tiujn pri kiuj li juĝas, li povis eligi tiujn, kiuj kvankam suferante nenian minimumaĵon da malbeleco, estis nure ordinaraj.

Ĉirkaŭ triono restis. Tiuj ĉi fiksrigardis al Gajal kun diversaj gradoj da antaŭtimo kaj batalemo dum li pasis preter ili, studante ĉiun laŭ ties vico… Tuj je momento lia menso decidiĝis, lia elektulino difiniĝis. Iel la junularinaro sentis la ŝanĝiĝon kio en li okazis, kaj al ili la pritimo kaj emocia streĉiĝo forfalis de la esprimoj kiujn ili estis portantaj por lin obstakli kaj konfuzi.

Gajal faris kroman finan inspekton laŭtute la linio. Ne, li ja pravis je sia elekto. Estis knabinoj ĉi tiel tiel allogaj kiel la sensoj povas deziri, knabinoj kun opale lumaj okuloj kaj detaloj hiacint-flore belaj, knabinoj suplaj kiel fragmitoj, kun hararo silkeca kaj fajna malgraŭ la polvo kion ili ŝajne estis frotintaj sur si.

La knabino kiun Gajal estis elektinta altis iomete malpli ol la aliaj kaj posedis belecon ne tuj memevidentan. Ŝi havis etan triangulecan vizaĝon, grandajn sopir-esprimajn okulojn kaj densan nigran hararon kio estis tondita malorde mallonga ĉe orela nivelo. Ŝia haŭto estis el travidebla paleco, kiel la plej fajna eburo; ŝia formo estis svelta, gracia, kaj el atentodeviga allogo, urĝa je intimeco. Ŝajnis ke ŝi sentis lian decidon kaj ŝiaj okuloj pligrandiĝis.

Gajal prenis ŝian manon, kondukis ŝin antaŭen, kaj turniĝis al la Vojevod — maljuna viro sidanta solide en peza seĝo.

“Jen ŝi kiun mi trovas la plej bela el viaj virgulinoj.”

Estis silente tra tute la placo. Post venis raŭka sono, krio de malĝojo de la Kastelano kaj Serĝento-Legisto. Li venis antaŭen, kun malĝoje pendema vizaĝo, la korpomovoj malfortikigitaj. “Gajal de Sfer, vi estas verkinta grandan venĝon kontraŭ mia trompo al vi. Jen mia amata filino, Ŝierl, kiun vi estas destinigita al timegaĵo.”

Gajal turniĝis mirigite de la Kastelano al la knabino Ŝierl, en kies okuloj li nun rekonis aspekton de sensento, fiksrigardadon al fora malproksimeco.

Returniĝante al la Kaselano, Gajal ekparolaĉis, “Mi intencas tutan senpreferecon. Tiun ĉi vian filinon Ŝierl-on mi taksas unu el la plej belaj estuloj el mia spertado; mi ne povas kompreni tion, pri kiel mi ofendis.”

“Ne, Gajal,” diris la Kastelano, “vi estas juĝinte juste, ĉar tiel ja estas mia propra penso.”

“Nu, do,” diris Gajal, “informu min pri mia tria tasko ke mi povu eksiĝi la aferon kaj daŭrigu mian pilgrimon.”

La Kastelano diris, “Tri leŭgojn je la nordo situas ruinon pri kiu tradicio informas nin estas la malnova Muzeo Homara.”

“Ah,” diris Gajal, “daŭrigu, mi atentas.”

“Vi devas, por via tria tasko, konduki tiun ĉi mian filinon Ŝierl-on al la Muzeo Homara. Ĉe la portalo vi frapos sur kupran gongon kaj eldiru al kiu ajn respondos: ‘Ni estas tiuj alvokitaj de Saponco.’”

Gajal ektimetis, malridetis. “Kiel estas? ‘Ni’?”

“Tiel estas via tasko,” diris la Kastelano en tia voĉo kia tondro.

Gajal rigardis maldekstren, dekstren, antaŭen kaj malantaŭen. Sed li staris en la mezo de la placo ĉirkaŭita de la fortikaj viroj de Saponco.

“Kiam devas tiu ĉi tasko estu plenumita?” li demandis en regita voĉo.

La Kastelano diris en voĉo tiom amara kiom kverka suko: “Eĉ nun Ŝierl iras por vesti sin en flavo. Post unu horo ŝi aperos, je unu horo vi ekiros cele al la Muzeo Homara.”

“Kaj poste?”

“Kaj poste — ĉu por bono aŭ por malbono, tio ne estas konata. Vi tiel ekiros kiel dek tri mil estis ekirintaj antaŭ ol vi.”



Malsupren de sur la placo, malsupren laŭ la arbofoliaj vojetoj de Saponco venis Gajal, indigna kaj strikta je la buŝo, kvankam li sentis pezecon kaj timon meze de la stomako. La rito portis malplaĉajn aspektojn: ekzekuto aŭ oferta buĉo. La paŝo de Gajal hezitis.

La Kastelano ektenis al li la kubuton per malmola mano. “Antaŭen.”

Ekzekuto aŭ oferta buĉo… La vizaĝoj flanke de la vojo plenis je mortomania scivolo, interna ekscitiĝo; ĝojaĉaj okuloj serĉis lin profunde por priĝoji lian timon kaj hororon, kaj la buŝoj duone pendiĝis malfermaj, duone ridetis pro la interna memgratulado pro ne esti tiu ulo kiu marŝas malsupren laŭ la arbofoliaj vojoj, kaj foren al la Muzeo Homara.

La supro, kun la altaj arboj kaj gravuritaj malhelaj domoj, estis ĉe lia dorso; ili elmarŝis en la klaran sunlumon de la stepo. Jen estis okdek virinoj en blankaj ŝlám-roboj kun ceremoniaj korboj el plektita pajlo surkape; ĉirkaŭ tendo el flava silko ili staradis.

La Kastelano haltis Gajal-on kaj voksignis al la Rita Matrono. Ŝi ekĵetis malferme la pendoŝtofoj ĉe la pordo de la tendo; la knabino interna, Ŝierl, elvenis malrapide, okuloj grandaj kaj malhelaj pro timo.

Ŝi portis rigidan robon el flava brokaĵo, kaj la rekteco de ŝia korpo ŝajnis esti kaptita kaj detenita interne. La robo leviĝis strikte ĝis ŝia mentono, lasis nudaj la brakojn kaj leviĝis trans la malantaŭo de ŝia kapo en rigida lancopint-forma kapuĉego. Ŝi timis tiel, kiel timus besteto en kaptilo; ŝi fiksrigardis al Gajal, al ŝia patro, kvazaŭ ŝi estis neniam antaŭe vidinta ilin.

La Rita Matrono tuŝis milde per mano ŝian talion, antaŭenigis ŝin. Ŝierl paŝis unu paŝon, duan, sendecide haltis. La Kastelano kondukis Gajal-on antaŭen kaj situigis lin ĉe la flanko de la knabino; nun du geknaboj, venis haste kun tasoj kiujn ili ofertis al Gajal kaj Ŝierl. Senatente Ŝierl akceptis la tason. Gajal prenis sian kaj ekrigardis suspekteme al la malklara likvaĵo. Li rigardis supren al la Kastelano. “Kio estas la naturo de tiu ĉi pocio?”

“Trinku,” diris la Kastelano. “Pro tio via vojo ŝajnos al vi malpli longe; por ke

teruro forlasos vin, kaj vi marŝos al la Muzeo kun pli regula paŝado.”

“Ne,” diris Gajal. “Mi ne trinkos. Miaj sentkapabloj devas tiam esti la kutime propraj kiam mi rekontos la Kuratoron. Mi venis de malproksime por la privilegio; mi ne stultigus la okazon stumblante kaj ŝanceliĝante.” Kaj li redonis la tason al la knabo.

Ŝierl fiksrigardis senemocie al la taso kion ŝi tenis. Diris Gajal; “Mi konsilas, ke ankaŭ vi evitu trinki la drogon; tiel ni alvenos la Muzeon Homaran kune kun nia digneco.”

Hezite ŝi redonis la tason. La esprimo de la Kastelano nebuliĝis, sed li faris nenian proteston.

Maljunulo en nigra kostumo portis antaŭen satenan kusenon sur kio ripozis vipo kun anso el gravurita ŝtalo. La Kastelano nun levis tiun vipon, kaj alvenanta, facile batetis tri foje la ŝultrojn de kaj Ŝierl kaj Gajal.

“Nun, mi ŝarĝas al vi, ekiru nun el Saponco, ekzilitaj por ĉiam el Saponco; vi estas orfoj elpelitaj. Serĉu helpon ĉe la Muzeo Homara. Mi ŝarĝas vin, neniam rigardu malantaŭen, lasu ĉiujn pensojn pri pasinteco kaj estonteco ĉi tie ĉe Gardeno Norda. Nun kaj por ĉiam vi eksiĝas disde ĉiuj ligaĵoj, alkroĉoj, interrilatoj kaj parencoj, kune kun ĉiuj pretendoj al amo, amikeco, gefrateco kun la Saponedoj de Saponco. Iru, mi urĝas; iru, mi ordonas; iru, iru, iru!”

Ŝierl dente mordis la lipon suban; larmoj libere transfluis la vangon kvankam ŝi faris nenian sonon. Kun kapo pendanta ŝi ekiris trans la liĥeno de la tundro, kaj Gajal, kun rapida paŝado, ekkuniĝis kun ŝi.

Nun malpermesiĝis, ke ili malantaŭrigardu. Dum ioma tempo la murmuroj, la sonoj de maltrankviliĝo sekvis ilian aŭdadon; poste ili estis solaj sur la ebenejo. La senlima nordo kuŝis trans la horizonto; la tundro plenigis la proksiman kaj malproksiman fojnojn, etendaĵo malĝojiga, senkolora kaj sensprita. Sole makulinta la regiono, la blankaj ruinoj — iam la Muzeo Homara — leviĝis antaŭ ili malproksima je leŭgo, kaj ili marŝadis laŭ la malmulte evidenta irejo sen paroli.

Gajal diris per tono hezitema, “Estas multo kion mi volas kompreni.”

“Parolu,” diris Ŝierl. Ŝia voĉo estis kvieta sed regata.

“Kial ni estas devigitaj kaj urĝitaj je tiu ĉi misio?”

“Estas tiel ĉar ĉiam estis tiel. Ĉu tio ne estas kialo sufiĉa?”

“Sufiĉa eble por vi,” diris Gajal, “sed por mi la kaŭzeco malkonvinkas. Mi devas informi vin pri la manko en mia menso, kio soifas al informoj tiom multe kiom seksmaniulo deziregas la karnecon; do, bonvolu esti pacienca se mia demandado ŝajnas al vi preternecese detalisma.”

Ŝi ekrigardis lin kun miro. “Ĉu ĉiuj en la sudo tiom avidas informon kiom vi?”

“Neniom tiel,” diris Gajal. “Ĉie tie normaleco de la menso observeblas. La loĝantoj lerte ripetas la movadojn instruitajn al ili hieraŭ, la antaŭan semajnon, la antaŭan jaron. Oni akuzis min tute kaj plene pri mia aberacio. ‘Kial strebu por amasiĝo de pedanto?’ oni diris al mi. ‘Kial feliĉaĵojn, festadon, muzikon, kaj festandon favore al abstraktaĵoj kaj malklaraj profundaĵoj?’”

“Nu,” diris Ŝierl. “Bone ili tiel konsilas; tiel estas la komuna opinio ĉe Saponco.”

Gajal ŝultrolevis, “Hejme estas onidiro ke demono forprenis mian ĵuĝkapablon. Eble tiel estas. Ĉiuokaze la efiko restas kaj la obsedo hantas min.”

Ŝierl indikis komprenon kaj akcepton. “Demandu plu tial; mi provos mildigi tiujn ĉi urĝecojn.”

Li ekrigardis ŝin flanke, studis la ĉarman tringulon de ŝia vizaĝo, la pezan nigran hararon, la grandajn rebrilajn okulojn, mallumaj kiel jú-safiroj. “En pli feliĉigaj cirkonstancoj, estus aliaj urĝoj pri kiuj mi estus penanta, ke vi ilin mildigu.”

“Demandu,” respondis Ŝierl de Saponco. “La Muzeo Homara proksimas; la okazo oportunas por nenio krom vortoj.”

“Kial ni tiel ĉi elsendiĝis kaj ŝarĝiĝis, kun ŝajna akcepteco pri nia detruiĝo?”

“La plej proksima kaŭzo estas la fantomo kiun vi vidis sur la monteto. Kiam la

fantomo aperas, tiam ni en Saponco scias, ke la plej bela virgulino kaj la plej bela junulo el la urbeto devas esti sendata al la Muzeo. La ĉefaĵon malantaŭ la kutimo mi ne scias. Tiel estas; tiel estis; tiel estos ĝis la suno estingiĝados tiel kiel brulanta karbo en la pluvo kaj mallumigos la Teron, kaj la ventoj blovos neĝon super Saponco."

"Sed kio estas nia misio? Kiu akceptos nin, kio estas nia sorto?"

"Tiaj detaloj ne sciiĝas."

Gajal pripensis, "La probableco de plezuro ŝajnas malmulta… Estas malkonkordaĵoj en la epizodo. Vi estas preterdube la plej bela estulino el la Saponedoj, la plej bela sur Tero — sed mi, mi estas hazarda fremdulo, kaj apenaŭ la plej bone-formita junulo en la urbeto."

Ŝi ridetis iomete. "Vi ne estas malbonaspekta."

Gajal diris sombre, "Superokaze de la stato de mia esteco estas la fakto ke mi estas fremdulo kaj tiel kaŭzos malmultan perdon al la urbeto."

"Tiu aspekto preterdube estis konsiderita," la knabino diris.

Gajal serĉis la horizonton. "Ni tial evitu la Muzeon Homaran, ni ĉirkaŭiru tiun ĉi konatan sorton kaj eskapu en la montojn, ke tiel celu suden al Askolajs. Dezirego pri enluminiĝo neniam instigos min alfronti detruiĝon tiom klare implikitan."

Ŝi gestis neecon kape. "Ĉu vi supozas, ke ni gajnos per la ruzo? La okuloj de cent batalistoj sekvas nin ĝis tiam kiam ni transpasos la portalojn de la Muzeo; se ni provus eskapi nian devon ni estus ligitaj al fostoj, senhaŭtigitaj malrapidege, kaj fine ensakigitaj kun poste mil skorpioj verŝitaj ĉirkaŭ niaj kapoj. Tio estas la tradicia puno; dek du fojojn en historio ĝi estis aldevigita."

Gajal rektigis malantaŭen la ŝultrojn kj parolis nervozavoĉe. "Nu, do — la Muzeo Homara jam estis mia celo dum multaj jaroj. Tiucele mi ekiris de Sfer, kaj nun mi volas serĉi la Kuratoron por satigi mian obsedon por cerbopleniĝo."

"Vi beniĝas je granda bonŝanco," diris Ŝierl, "ĉar al vi doniĝas la deziraĵo de la koro."

Gajal malpovis trovi ion dirindan, do dum ioma tempo ili marŝadis en silento. Poste li parolis. “Ŝierl.”

“Jes, Gajal de Sfer?”

“Ĉu oni dividos kaj apartigos nin?”

“Mi nescias.”

“Ŝierl.”

“Jes?”

“Se ni estus interrenkontintaj sub pli feliĉa stelo…” Li paŭzis.

Ŝierl paŝadis en silenteco.

Li alrigardis ŝin senpasie “Vi ne parolas.”

“Sed vi demandas nenion,” ŝi diris en surpriziĝo. Gajal turnis la vizaĝon antaŭen, al la Muzeo Homara.

Post iome ŝi tuŝis al li la brakon. “Gajal, mi multe timas.”

Gajal fiksrigardis la grundon ĉe la piedoj, kaj floriĝo de fajro ekflamiĝis en lia cerbo. “Ĉu vi vidas la markojn tra la liĥeno?”

“Jes; kio do?”

“Ĉu ĝi estas vojeto?”

Kun ioma dubo ŝi respondis, “Ĝi estas irejo erodita per la pasado de multaj piedoj. Tial do — ĝi estas vojeto.”

Gajal diris en regita jubilado, “Jen estas sekureco, se mi neniam permesas, ke oni trompu min for de la vojo. Sed vi — ho, mi devas vin gardi; vi devas neniam foriru de mia flanko, ve devas naĝi en la beno kio ŝirmas min; eble tiel ni travivos.”

Ŝierl diris malĝoje, “Ni ne trompu la rezonadon propran, Gajal de Sfer.”

Sed dum ili marŝis, la paŝejo fariĝis pli evidenta, kaj Gajal fariĝis sekve pli sangvina. Kaj ĉiam pli grande prezentiĝis la disfalaĵo kio lokis la Muzeon Homaran, kiu post nelonge okupis la tutan vidkampon.

Se stokejo de scioj iam ekzistis ĉi tiel, malmuta signo postrestis. Troviĝis granda, plata, planko, pavimita per blanka ŝtono, nun krete dispeciĝema, fendita kaj trapenetrita de herbaĉoj. Ĉirkaŭ tiu ĉi planko leviĝis serio da monolitoj, kavigitaj kaj eroditaj, supre difektitaj ĉe diversaj altecoj. Tiuj ĉi je ioma tempo estis subenintaj grandan plafonon; nun el plafono restis nenio kaj la muroj mem estis nur sonĝaĵoj de la fora pasinteco.

Do tie ĉi estis la plata planko randita de la rompitaj kolumno-stumpoj, nuda al la ventoj de tempopasado kaj la brilado de la malvameta ruĝa suno. La pluvoj estis lavintaj la marmoron, la polvo de la montoj estis sur ĝin falinta kaj forbalaita, kaj tiuj kiuj estis konstruintaj la Muzeon jam fariĝis malpli ol polveron el tiu ĉi polvo, tiom foraj kaj forgesitaj nun estis ili.

“Pensu,” diris Gajal, “pensu pri la vasteco da scio kio iam estis kunigita tie ĉi kaj kio nun estas kuniĝinta kun la grundo — krom, kompreneble, la Kuratoro konservadis kaj prizorgadis.”

Ŝierl ĉirkaŭrigardis antaŭtime. “Mi pripensas anstataŭe la portalon, kaj tion kio nin atendas … Gajal,” ŝi flustris, “Mi timas, mi timegas… Supozu, ke ili nin apartigus? Supozu, ke estos turmentado kaj morto por ni? Mi timas egan alfrapon, la ŝokon de hororo…”

La gorĝo de Gajal mem estis varma kaj plena. Li ĉirkaŭrigardis defie. “Dum mi ankoraŭ spiradas kaj havas povon en la brakoj por batali, estos neniu kiu nin vundos.”

Ŝierl ĝemis milde. “Gajal, Gajal, Gajal de Sfer — kial vi min elektis?”

“Ĉar,” diris Gajal, “la okulo mia logiĝs al vi kiel nektara sfingo flugetas al jacinto-floro; ĉar vi estis la plej bela kaj mi kredis, ke nenio krom boneco atendis vin.”

Kun trema enspiro Ŝierl diris, “Mi deve estu kuraĝa; malgraŭ ĉio, se ne estus mi anstataŭe estus alia virgulino same timema… Kaj jen la portalo.”

Gajal enspiris profunde, klinis la kapon, kaj ekpaŝis antaŭen. “Ni tion ekfaru, kaj eksciu…”

La portalo malfermiĝis konduke en apudan monoliton, pordo el nebrila nigra metalo. Gajal sekvis la irejon al la pordon, kaj alfrapis kuraĝe per la pugno sur la etan kupran gongon ĉe la flanko.

La pordo malfermiĝis sur grincantaj ĉarniroj, kaj malvarmeta aero, odora je la subgrundo, ventetis elen. En la nigra interspaco iliaj okuloj povis vidi nenion.

“Saluton internen!” vokis Gajal.

Mola voĉo, plena de notaj tremetoj, kvazaŭ tuj post plorado, diris, “Venu vi, venu vi antaŭen. Vi estas dezirataj kaj atendataj.”

Gajal klinis antaŭen la kapon, strebanta vidi. “Donu al ni lumon, por ke ni ne flankeniru for de la vojo kaj tiel falu alfrape la subon.”

La spire streba tremvoĉo diris, “Lumo ne bezoniĝas; ien ajn kie vi paŝos, tio estos via irejo, laŭ aranĝo fare de la Vojo-Faranto.”

“Ne,” diris Gajal, “ni insistas vidi la vizaĝon de nia gastiganto. Ni venas je ties invito; la minimumo de ties gast-oferto estas lumo; lumo tial devas haviĝi antaŭ ol ni ekpaŝu en la ublieton. Estu informata, ke ni venas serĉanta scion; ni estas vizitantoj honorindaj.”

“Ho, scio, scio,” sone venis la malĝoja spiremeco. “Tio estos via, en tuta pleneco — scioj pri multaj strangaj aferoj; ho, vi naĝos en tajdo da scieco — ”

Gajal interrompis la malĝojan, suspirantan voĉon. “Ĉu vi estas la Kuratoro? Centojn da leŭgoj mi venis por alparoli la Kuratorn kaj prezenti miajn demandojn. Ĉu vi estas tiu?”

“Neniel. Mi malestimegas la nomon de la Kuratoro por esti perfida malnecesulo.”

“Kiu do estas vi?”

“Mi estas neniu, nenio. Mi estas abstraktaĵo, emocio, la eksudaĵo de teruro, la

ŝvito de hororo, la skuo en la aero tuj post kriego forestiĝas.”

“Vi sonigas voĉon de homarano.”

“Kial ne? Tiaj aĵoj kiajn mi parolas kuŝas en la plej proksima kaj plej kara centro de la homa cerbo.”

Gajal diris en mildigita voĉo, “Vi ne faras, ke via invito estu tiom loga kiom povus priesperatiĝi.”

“Ne grave, ne grave; eniri vi devas, en la mallumon kaj tujmomente, ĉar mia sinjoro, kiu estas mi mem, kreskiĝas varmete kaj langvore.”

“Se lumo haveblus, ni enirus.”

“Nenia lumo, neniu insolenta brulvundeco iam ajn troveblas en la Muzeo.”

“Je tiu ĉi kazo,” diris Gajal, elprenante sian Scintilan Ponardon, “mi novenkondukas bonvenan riparo-ŝanĝon. Do vi nun vidu, jen estas lumo!”

El la sub-pomelo ekiris serĉa lumstriego; la fantomo starante alta antaŭ ili kriegis alttone kaj falis dispeciĝante en rebrilantaj rubandeteroj kiel pulvorigita metala ornamrubandaĵo. Restis kelke da rebriletantaj pulvoretoj en la aero; li estis ne plu.

Ŝierl, kiu estis staranta rigide senmova kvazaŭ hipnotigita, elspiris molan varmetan anhelon kaj falis kontraŭ Gajal-on. “Kiel vi povas esti tiom defiema?”

Gajal diris en voĉo duone rida, duone trema, “Mi vere ne scias … eble mi trovas tion nekredebla, ke Sorto direktus min for de plaĉa Sfer, tra kaj arbaro kaj montkruto, en la nordan malplenejnon por ludi la rolon de kaŭranta viktimo. Malkredante tian malplenan sorton, mi kuraĝas.”

Li movis la ponardon dekstren kaj maldekstren, kaj ili vidis, ke ili estis ĉe la portalo de fortikejo, tranĉita el betonigita roko. Malantaŭe ĝi kondukis al nigra profundeco. Transirante rapide la plankon, Gajal surgenuiĝis kaj aŭskultadis.

Li aŭdis nenian sonon. Ŝierl, ĉe lia malantaŭo, fiksrigardis kun okuloj tiom nigraj kaj profundaj kiom la truo mem, kaj Gajal, turniĝante, ricevis subitan

malracian senton pri feino el la antikvaj epokoj — estulino malgranda kaj delikata, peza pro kvantego da ĉarmo, pala, dolĉa, pura.

Kliniĝante kun sia lumanta ponardo, li vidis frenezan aron de ŝtupoj kondukantaj malsupren en la mallumon, kaj lia lumo montris ilin kaj iliajn ombrojn en tiom konfuza aspekto, ke li palpebrumis kaj tiris sin malantaŭen.

Ŝierl diris, “Kion vi timas?”

Gajal leviĝis, turniĝis al ŝi. “Ni estas dummomente ne akompanataj ĉi tie en la Muzeo Homaro, kaj ni puŝiĝas antaŭen fare de diversaj povfontoj; vi fare de la volo de via popolo; mi, fare de tio kio estis min puŝanta ek de tiam, kiam mi unue gustumis aeron… Se ni estus restontaj ĉi tie ne estus refoje aranĝotaj laŭ harmonio je malamika desegno. Se ni antaŭenirus kuraĝe, ni eble alirus al pozicio de strategio kaj avantaĝo. Mi proponas, ke ni ekiru kun plena kuraĝo, subeniru tiujn ĉi ŝtupojn kaj serĉu la Kuratoron.”

“Sed ĉu li ekzistas?”

“La fantomo parolis fervore kontaŭ li.”

“Ni iru do,” diris Ŝierl. “Mi rezignis al sorto.”

Gajal diris gravmiene, “Ni iru kun la mensa stato de aventuro, agresemo, entrepreno. Tiel okazas, ke timo malaperas kaj la fantomoj fariĝas kreituloj de menso-teksaĵo; per tio nia vervo krevigos la teruron subgrundan.”

“Ni iru.”

Ili komencis subeniri la ŝtupojn.

Tien, reen, tien, reen, malsuprenire la ŝtuparojn laŭ diversaj anguloj, interplacetoj ĉe diversaj niveloj, ŝtupotraboj el diversaj altecoj kaj larĝecoj, tiel ke ĉiu paŝo estis afero por koncentrata atento. Tien, reen, suben, suben, suben, kaj la nigrastriaj ombroj moviĝis spasme laŭ strangaj manieroj sur la muroj.

La ŝtuparo finiĝis, ili staris en ĉambro simila al la enirejo supera. Antaŭ ili estis plua nigra portalo, polurita ĉe unu loko pro uzado; sur la muroj ambaŭflanke estis enkave lokitaj latunaj ŝildoj portantaj mesaĝojn en nekonataj literoj.

Gajal puŝis malferme la pordon kontraŭ premeto de malvarma aero, kio, blovante tra la aperturo, faris etan susuron, ĉesante kiam Gajal puŝis plue la pordon.

“Aŭskultu.”

Estis sono malproksima, klakado foje paŭzanta, kaj ĝi portis signifon sufiĉe malbonaŭguran por levi la haretojn ĉe la nuko de Gajal. Li sentis la manon de Ŝierl ekteni lian kun malvarmete malseka premo.

Malpliigante la lumon de la ponardo ĝis lumeto minimuma, Gajal trapasis la pordon, kun Ŝierl sekvanta poste. De malproksime venis la malbonega sono, kaj per la eĥoj ili sciis, ke ili staris en grandega halo.

Gajal celigis la lumon al la planko: ĝi estis el nigra elasta materialo. Poste al la muro: polurita ŝtono. Li permesis la lumon celi tiun direkton rekte kontraŭan je la sono, kaj malproksime je kelkaj paŝoj ili vidis masivan nigran ŝrankon, dissterniĝita de kupraj fostetoj, suprigita de malprofunda vitra pleto en kio vidiĝis komplika aro da metalaj aparatetoj.

Ĉar la funkcia celo de la nigraj ŝrankoj ne evidentiĝis, ili sekvis la muron, kaj dum ili marŝis similaj ŝrankoj aperadis, superstarantaj peze kaj malkare, laŭ regulaj interspacoj. La klakado mallaŭtiĝis dum ili marŝadis; poste ili alvenis angulon rektan, kaj turniĝante ĉe la angulo, ekŝajnis ke ili alproksimiĝis la sonon. Nigra ŝranko post nigra ŝranko preterpasiĝis; malrapide, striktapozaj kvazaŭ vulpoj, ili paŝadis, okuloj strebe serĉantaj por videbleco tra la mallumo.

La muro prezentis pluan angulon, kaj ĉi tie estis pordo.

Gajal hezitis. Sekvi la novan direkton de la muro devigus alproksimiĝon al la fonto de la sono. Ĉu estus pli bone malkovri la plejan malbonaĵon rapide aŭ ĉirkaŭesplori dum la irado?

Li proponis la dilemon al Ŝierl, kiu ŝultrolevis. “Ĉio ĉi estas unuo; aŭ baldaŭ aŭ poste la fantomoj flugetos malsupren por plekti al ni; tiam ni estos perditaj.”

“Ne dum mi ankoraŭ posedas lumon por ekrigarde dispecigi ilin en nubetojn kaj ŝiraĵojn,” diris Gajal. “Nun mi volas trovi la Kuratoron, kaj eble li troviĝas post tiu ĉi pordo. Tion ĉi ni malkovros.”

Li metis la ŝultron sur la pordon; ĝi puŝiĝis malfermiĝete kun trafenda strieto el ora lumo. Gajal enrigardis. Li suspiris, muflita sono de mirego.

Nun li malfermis la pordon plue; Ŝierl kroĉis al li je la brako.

"Jen la Muzeo," diris Gajal en tono fiksatenta. "Ĉi tie estas nenia danĝero… Li kiu loĝas inter belaĵoj el tia ĉi kvalito neniel povus esti alia ol benema…" Li puŝegis malfermege la pordon.

La lumo venis el nedistingebla fonto, el la aero mem, kvazaŭ likanta el individuaj atomoj; ĉiu elspiraĵo estis lumeta, la ĉambro ŝvebis plena de pliviviga lumado. Granda tapiŝo kovris fele la plankon, monstra ŝildo plektita el oro, bruno, du helecoj de verdo, griz-brune ruĝo kaj ruĝeta bluo. Belaj artaĵoj home faritaj dise prezentiĝis sur la muroj. En glora aranĝaĵo pendis paneloj el luksaj lignoj, gravuritaj, kavetigitaj, farbitaj; scenoj el antikvaj tempoj pentritaj sur plektita fibraĵo; formulaĵoj el koloro, desegnita por komuniki emocion anstataŭ realecon. Ĉe unu flanko pendis tabuloj el ligno interaranĝitaj kun tavoloj el sapŝtono, malakito, kaj jado en rektangulaj desegnoj, lukse diversaj kaj subtilaj, kun miniaturaj fendaĵetoj el cinabro, rodokrozito kaj koralo por doni varmetecon. Apude estis sekcio apartigita por montri diskojn el luma verdo, flagrantaj kaj fluoreskaj en diversaj bluaj maldikegaĵoj kaj moviĝantaj punktoj el skarlato kaj nigro. Jen estis reprezentaĵoj de tri cent mirindaj floroplantoj, floroj el epoko forgestita, ne plu vivanta sur malfortikiĝanta Tero; estis simila nombro da stelkrevaj desegnaĵoj, rigide normigita laŭ formo, sed ĉiu el subtila distingeco. Ĉiuj ĉi kaj multega kvanto da aliaj kreaĵoj, elektitaj el la plejaj bonegaĵoj de homara fervoro.

La pordo malfermiĝis kun mola frapo malantaŭ ili; fiksrigardante, kaj kun la haŭto piketanta surtute, la duopo el la fina tempo de Tero ekmoviĝis antaŭen tra la halo.

"Ie proksime devas troviĝi la Kuratoro," flustris Gajal. "Estas etoso de zorga konservado kaj granda strebado ĉi tie en la galerio."

"Rigardu."

Kontraŭ ili situis du pordoj, ŝarĝitaj kun senco de multa uzado. Gajal paŝadis rapide trans la ĉambro sed malkapablis observi metodon por funkciigi la pordon, ĉar ĝi portis nenian anson, ŝlosilon, tenilon aŭ fosteton. Li alfrapis per la

fingroartikoj kaj atendis; nenia sono respondis.

Ŝierl ektiris al li je la brako. “Ĉi tiuj estas privataj lokoj. Estas pli bone ne veturi tro malĝentile.”

Gajal turniĝis for kaj ili pluiris la galerion. Preter la vera esprimo de la plej brilaj sonĝadoj de la homaro ili paŝadis, ĝis la koncentriĝo de tiom multa faroj kaj animo kaj kreemo ilin miregigis. “Kiom grandegaj la mensoj kiuj nun kuŝas inter polvo,” diris Gajal en mallaŭta voĉo. “Kiel belegaj estis la animoj malaperintaj en la entombigitaj epokoj; kiom mirinde la kreituloj kiuj perdiĝis en la plej pasinta memoro… Neniam plu estos iuj similaj; nun en la finaj rapide pasantaj momentoj, homaro putras tromatura kiel putriĝanta frukto. Anstataŭ mastrumi kaj superregi nian mondon, nia plej alta celo estas trompe gajni pere de sorĉismo.”

Ŝierl diris, “Sed vi, Gajal — vi apartas. Vi ne estas tiel ĉi…”

“Mi volus kompreni,” deklaris Gajal kun sovaĝa emfazo. “Tratute mia juneco tiu ĉi dolora sopiro antaŭenpuŝadis min, kaj mi estis vojaĝinte de la malnova domego ĉe Sfer por lerni de la Kuratoro… Min malplaĉas la senmensaj sukcesaĵoj de la magiistoj, kiuj gajnis ĉiom da siaj scioj parkere.”

Ŝierl alrigardis lin kun mira esprimo, kaj la animo de Gajal pulsadis kun amo. Ŝi sentis lian tremon kaj flustris senzorge, “Gajal de Sfer, mi estas via, mi fandiĝas por vi…”

“Kiam ni sukcesos al paco,” diris Gajal, “poste nia mondo konsistos el ĝojeco…”

La ĉambro prezentis turnejon ĉe angulo, plivastiĝis. Kaj nun la klakada sono kion ili antaŭe atentis en la malluma ekstera halo revenis, pli laŭte, pli sugeste je malplaĉeco. Ĝi ŝajne eniris la galerion tra arkforma pordo transĉambra.

Gajal moviĝis kviete al tiu ĉi pordo, kun Ŝierl tuj sekvanta, kaj tiel ĉi ili enrigardis la postan ĉambron.

Grandega vizaĝo elrigardis la muron, vizaĝo pli alta ol Gajal mem, tiom alta kiom Gajal eble povus etendi kun la manoj suprentenataj. La mentono ripozis sur la planko, la krania supro etendiĝis kline malantaŭen en la panelon.

Gajal rigardadis fikse, ŝokita. Inter tiu ĉi paĝento de belaj objektoj, la groteska vizaĝo estis tia disaĵo kaj dissoneco kian eble kreus frenezulo. Malbela kaj naŭziga estis la vizaĝo, io el intesto-torda stulta obsceneco. La haŭto reflektetis blu-metale, la okuloj rigardis senfokuse el klinantaj faldaĵoj el verdeta histo. La nazo estis eta nodo, la buŝo estis naŭziga pulpeca tranĉtruo.

En subita malcerteco Gajal turniĝis al Ŝierl. "Ĉu tiu ĉi ne ŝajnas esti stranga kreaĵo por esti honorita ĉi tie en la Muzeo Homara?"

Ŝierl staradis kun la okuloj dolorigitaj kaj larĝe malfermitaj. Ŝia buŝo malfermiĝis, tremis, malsekeco striigis ŝian mentonon. Kun mano spasmantaj, tremantaj, ŝi ektenis lian brakon, ŝancelis retroen en la galerion.

"Gajal," ŝi kriis, "Gajal, venu for!" Ŝia voĉo altiĝis ĝis suprotono. "Venu for, venu for!"

Li alfrontis ŝin en surpriziĝo. "Kion vi diras?"

"Tiu hororaĵo en tie — "

"Ĝi estas nur la freneza artaĵo de antikva artisto."

"Ĝi vivas."

"Kiel tio ĉi!"

"Ĝi vivas!" ŝi balbutis. "Ĝi alrigardis min, poste turniĝis por alrigardi vin. Kaj ĝi moviĝis — kaj poste mi tiris vin for…"

Gajal skue maltenigis de si ŝian manon; en tuta malkredo li frontis antaŭen tra la pordejo.

"Ahhhh…" elspiris Gajal.

La vizaĝo jam ŝanĝiĝis. La torporo estis foriĝinta; la senfokuseco estis for de la okuloj. La buŝo tordiĝadis; siblo de ekspansianta gaso soniĝis. La buŝo malfermiĝis; grandega griza lango etendiĝis malstrikte antaŭen. Kaj de tiu ĉi lango ekiris ĉiro ŝlima de mukozaĵo. Ĝi finiĝis per kroĉa mano, kiu etendiĝis celante ekteni la maleolon de Gajal. Li saltis flanken; la mano maltrafis je sia ekteno, la

ĉiro heliciĝis.

Gajal, en ekstrema emocio, kun la intestoj kramfintaj pro naŭziga timo, risortis malantaŭen en la galerion. La mano ektenis Ŝierl-on, kroĉis al ŝia maleono. La okuloj brilis malseke; kaj nun la malstrikta lango ŝvele kreskis pluan elstaraĵon… Ŝierl stumblis, falis malstrikte, ŝiaj okuloj fiksrigardantaj, ŝaŭmo ĉe ŝiaj lipoj. Gajal, krieganta en voĉo kion li mem ne povis aŭdi, krieganta altvoĉe kaj freneze, kuris antaŭen svinge tranĉanta per sia ponardo. Li tranĉadis al la griza manradiko, sed lia tranĉilo risortiĝis for kvazaŭ la ŝtalo mem estis hororigita. Stomaka acido ĉe liaj dentoj, li ektenis la ĉiron; per fortega strebo li rompis ĝin kontraŭ sia genuo.

La vizaĝo spasmetis, la ĉiro ekis malantaŭen. Gajal saltis antaŭen, trenis Ŝierl-on en la galerion, levis ŝin, portis ŝin retroen, el de ĉira etendokampo.

Nun tra la pordejo, Gajal minace rigardis en kaj malamo kaj timo. La buŝo jam fermiĝis; ĝi ridetaĉe esprimis sian malesperiĝon kaj frustritan fideziron. Kaj nun Gaja vidis strangan aferon: el la malseketa naztruo eksudis nubeto blanka kio kirliĝis, baraktis, formiĝis en alta estulo en blanka robo — estulo kun longa vizaĝo kaj okuloj tiaj kiaj truoj en kranio. Dolor-ĝemetante kaj plor-ĝemetante en malŝato pro la lumo, ĝi ondetis antaŭen en la galerion, moviĝante kun strangetaj etaj paŭzoj kaj hezitoj.

Gajal staradis senmove. Timo jam eluzis la tuton de sia povo; timo ne plu havis signifon. Cerbo povus reagi nur ĝis la maksimumo de sia intenseco; kiel ĝi povus vundi lin nun? Li ĝin frape platigus per la manoj, disfrapus ĝin en suspiranta nebulon.

“Haltu, haltu, haltu!” venis nova voĉo. “Haltu, haltu, haltu. Miaj sorĉetoj kaj sorĉsigno, malbona tago por Tórsingol… Sed tamen, atentu, fantomo vi, reeniru la orificon, reen kaj atentu, atentu, mi diras! Iru, aŭ mi ekŝaltos la lumegofontojn; trapaso ne permesiĝas, pere de plej grava ordono de la Likúrgant; ja vere, la Likúrgant de Tórsingol. Atentu, jen tiel.”

La fantomo ondetis, paŭzis, fiksrigardante en subita pasiveco al la maljuna viro kiu jus lame eniris la galerion.

Revene al la ronkanta vizaĝo vagis la fantomo, kaj lasis sin esti ensuĉita en la naztruon.

La vizaĝo muĝetis vibrege malantaŭ la lipoj, poste malfermis la grandan grizan kavaĵon kaj ruktis blankan flagrantan nubon kiu kvazaŭis flamo sed ne estis flamo. Ĝi flagris vele, klapmovis al la maljunulo, kiu moviĝis neniom. El stango fiksita alte en la porda framo venis ĝiranta diskaĵo el oraj sparkoj. Ĝi altranĉis kaj disigis la blankan velaĵon, detruis ĝin tute ĝis atingi la buŝon de la vizaĝo, de kio nun etendiĝis nigra stango. Tiu stango etendiĝis al la giranta disko kaj sorbis la sparkojn. Estis momento de plena silento.

Poste la maljunulo venke kriis. “Ho, vi malbonega epizodo; vi provas interrompi mian deĵoron. Sed ne, estas nenia valideco en via celo; mia lerta bastono nuligas vian nenaturan sorĉaĵon; vi estas kvazaŭ nenio; kial vi ne ekmaltenu kaj retretu al Jeldred?”

La vibrado malantaŭ la lipegoj daŭriĝis. La buŝo malfermiĝegis: griza viskoza kaverno tiel montriĝis. La okuloj briletadis en kolosa emocio. La buŝo kriegis, muĝa ondo de malpaco, sono tiom granda ke ĝi frapetadas la aeron kaj martelas ŝokon kvazaŭ najlon en la menson de aŭskultanto.

La bastono ŝprucigis nebulon arĝentan. La sono kurbiĝis kaj centriĝis kaj alsuĉis la mensan nebulon; la sono estis kaptita kaj elsuĉita; ĝi fariĝis malaŭdata. La nebulo pilkiĝis, longiĝis por fariĝi sago, plonĝis kun ega rapido al la nazo, kaj penetris profunde en la pulpon. Estis peza sono, eksplodo; la vizaĝo ege spasmadis pro doloro kaj la nazo ekestis eksplodita malordaĵo el ŝiritaj grizaj plasmoj. Ili ondis kiel brakoj de asterio kaj kreskiĝis ripare, kaj nun la nazo estis pinta kiel konuso.

La maljunulo diris, “Vi disputemas hodiaŭ, mia demona vizitanto — malica trajto. Vi volus agaci kompatindan maljunan Kerlen dum liaj laboroj? Nu. Vi estas genia kaj neglektema. Do jen. Bastono,” kaj li turniĝis kaj fiksrigardis al la bastono, "vi gustumis tiun sonon? Ŝprucigu decan punon, ŝmiri la malbelegan vizaĝon per via nerezistebla repliko.”

Plata sono, nigra vipo kio kurbiĝis, frapis la aeron kaj batis vunde al la vizaĝo. Lumanta vundstrio ekaperis. La vizaĝo suspiris kaj la okuloj tordiĝis supren inter siaj faldaĵoj de verdeca histo.

Kerlen la Kuratoro ridis, akra blekado unutona. Li ekhaltis kaj la ridado malaperis kvazaŭ ĝi neniam komencis. Li turniĝis al Gajal kaj Ŝierl, kiuj staris

interpreme tuj apude en la pordejo.

"Kiel nun, kiel nun? Vi estas post la gongo; la horoj por studi jam delonge pasis. Kial vi restadas?" Li skuis admonan fingron. "La Muzeo ne estas loko por friponado; tion ĉi mi admonas. Do, ekiru for, hejmen al Tórsingol; venontfoje estu pli akurata; vi perturbas la establitan ordon…" Li paŭzis kaj tuniĝis rigardi timete trans sia ŝultro. "La tago malboniĝis; la Nokta Ŝlosilo-tenanto nepardoneble malfruas… Certe mi jam atendadis horon por la malakuratulo; la Likúrgant estos informata. Mi volas esti hejma ĉe litseĝo kaj fajrejo; jen estas malbona traktado por maljuna Kerlen, ke oni tiel deteni lin por la senzorgema stultulo de la nokta gardisto… Kaj plue, la trudado de vi du gemalfruuloj; for de mi nun, kaj foriru; eksteren en la krepuskon!" Kaj li antaŭiris, faranta direktajn gestojn per la manoj.

Gajal diris, "Mia Lordo Kuratoro, Mi devas alparoli vin."

La maljunulo haltis, alrigardis. "Eh? Kio nun? Je la fino de laboro de longa tago? Ne, ne, vi maldecas; reguloj devas esti observataj. Memprezentu al mia aŭskultejo je la kvara ciklo je morgaŭ matene; tiam mi aŭdos vin. Do iru nun, iru."

Gajal paŝis retroen konsternita. Ŝierl falis sur la genuojn. "Sinjoro Kuratoro, ni almozas por gajni vian helpon; ni havas nenian lokon por ke ni aliru."

Kerlen la Kuratoro alrigardis ŝin senesprime. "Nenian lokon por aliri! Kian plenan stultaĵon vi diras. Aliru vian hejmejon, aŭ al la Puberaĉambrego, aŭ al la Templo, aŭ al la Ekstercela Gastejo. En vero, Tórsingol estas donacema pri loĝejoj; la Muzeo estas nenia ordinara taverno."

"Mia lordo," kriis Gajal senespere, "ĉu vi aŭdos min? Ni parolas pro krizo."

"Parolu plu, do."

"Ia malicaĵo okazis por sorĉi al vi la cerbon. Ĉu vi konsiderus tion ĉi?"

"Ho, ĉu vere?" pripensadis la Kuratoro.

"Ne plu ekzistas Tórsingol. Restas nenio krom malluma senhomeco. Via urbo jam malestis je epoko pasinta."

La Kuratoro ridetis beneme. "Ah, kompatinde… Kompatinda kazo. Jen tiel

estas je tiaj ĉi junaj mensoj. La furioza instigo de vivo estas la Ĉefa Frenezigilo.” Li gestis kapnee. “Al mi la devo klaras. Lacaj ostoj, vi devas atendi la ripozon kion vi meritas. Laciĝo — malaperu; devo kaj simpla homaranismo ambaŭ postulas; jen frenezeco por esti kuracata kaj senigita. Kaj ĉiuokaze la Nokta Ŝolil-tenanto ne ĉeestas por mildigi mian tedecon.” Li gestis, ke ili sekvu. “Venu.”

Hezitante Gajal kaj Ŝierl sekvis lin. Li malfermis unu el siaj pordoj, trapasis murmurante kaj protestante kun dubo kaj garda atento. Gajal kaj Ŝierl venis poste.

La ĉambro estis kuba, kun planko el nebrila nigra materialo, kun muroj havantaj multegon da oraj ansoj ĉiuflanke. Kapuĉhava seĝo okupis la mezon de la ĉambro, kaj apud tio estis brust-nivele alta pulpito kies fronto surhavis kelke da ŝaltiloj kaj iks-kanelitaj radetoj.

“Jen la Seĝo de Scio de la Kuratoro mem,” eksplikis Kerlen. “Estante tio, ĝi funkcios, post ĝustigado, por devigi aferojn laŭ la Ŝablono de Hinómenerva Klareco. Do — mi postulas la ĝustan sómetsindika aranĝiĝo — ” li manipulis la regilojn “ — kaj nun, se vi pozus vin komforte, mi riparos vian halucinon. Tio ĉi preteras mian ordinaran devaron, sed mi estas kompata kaj ne volas esti priparolata por esti malbonvola aŭ malvolema.”

Gajal demandis maltrankvile, “Lordo Kuratoro, tiu ĉi Seĝo de Klareco, kiel ĝi efikus min?”

Kerlen la Kuratoro diris grandmiene, “La fibroj de via cerbo estas mise interplektitaj, elfrotitaj, kaj tial konektiĝas al maldecaj lokoj. Per la mirinda metiaro de niaj modernaj cerbologistoj, tiu ĉi kapuĉo reordigos al vi la sinapsojn laŭ la ĝustaj registraĵoj el la biblioteko — tiuj de normaleco, vi devas kompreni — kaj tiel ripari la interplektaĵon, kaj faru, ke vi refoje estu plena viro.”

“Post mi eksidiĝos en la seĝo,” Gajal demandis, “kion vi faros?”

“Simple fermu tiun ĉi kontaktilon, tiru tiun ĉi stangon, puŝu tiun ĉi ŝaltilon — post kiam vi stuporos. Post tridek sekundoj, tiu ĉi amplolo eklumiĝos, indikante la sukceson kaj pleniĝon de la kuracado. Poste mi renversigos la manipuladon, kaj vi stariĝos kiel estulo kun renovigita mensa sano.”

Gajal rigardis al Ŝierl. “Ĉu vi aŭdis kaj komprenis?”

“Jes, Gajal,” en mallaŭta voĉo.

“Memoru.” Poste al la Kuratoro: “Mirinde. Sed kiel mi devas pozi sidante?”

“Simple ripozu en la seĝo. Poste mi tiros antaŭen iomete tiun ĉi kapuĉon, por ŝirmi la okulojn de distraĵoj.”

Gajal kliniĝis antaŭen, rigardis timete en la kapuĉon. “Mi timete konfesas, ke mi ne komprenas.”

La Kuratoro saltis antaŭen senpacience, “Ĝi estas afero de la pleja facileco. Jen tiel.” Li sidiĝis en la seĝo.

“Kaj kiel estos la kapuĉo aranĝota?”

“Laŭ tiu ĉi maniero.” Kerlen ektenis la anson, tiris la ŝirmilon por kovri al si la vizaĝon.

“Rapide,” diris Gajal al Ŝierl. Ŝi risortis al la pulpito; Kerlen la Kuratoro faris moveton por retroirigi la kapuĉon; Gajal ektenis la delikatan korpframon, tenadis ĝin. Ŝierl ekfunkciigis la ŝaltilojn; la Kuratoro ekripozis, suspiris.

Ŝierl rigardadis al Gajal, malhelaj okuloj tiel larĝaj kaj likvaj kiel la granda akvo-flamulano de Suda Almerio. “Ĉu li — mortis?”

“Mi esperas , ke ne.”

Ili rigardadis sencerte al la ripozigita formo. Sekundoj pasis.

Sonora sono aŭdiĝis de malproksime — premego, tordiĝo, ĝojega muĝego, malplaj hup-sonoj de sovaĝa triumfo.

Gajal ekkuris al la pordo. Prancante, ondetante, glitante en la galerion venis multego da fantomoj; tra la malfermita pordo malantaŭ ili, Gajal povis vidi la grandegan kapon. Ĝi puŝis sin en la ĉambron. Grandaj oreloj aperis, parto de virbove dika kolo, ĉirkaŭita de purpuraj haŭtopendaĵoj. La muro fendiĝis, subenflekiĝis, dispecetiĝis. Granda mano trapuŝiĝis, antaŭbrako…

Ŝierl kriegis. Gajal, pala kaj tremanta, malfermegis la pordon tuj kontraŭ la

vizaĝo de la plej proksima fantomo. Ĝi ĉirkaŭfluis la randon, malrapide, nubeto post nubeto.

Gajal risortis al la podio. La ampolo montris malbrilecon. La manoj de Gajal treme moviĝis laŭlonge la regiloj. “Nur la konscio de Kerlen funkciigas la bastonon,” li anhelis. “Tiom el la afero klaras.” Li fiksrigardis en la ampolon kun doloriĝita urĝeco. “Lumiĝu ampolo, lumiĝu…”

Apud la pordo la fantomo enfluadis kaj ŝveliĝis.

“Lumiĝu, ampolo, lumiĝu…”

La ampolo lumiĝis. Kun akra krio Gajal renversigis la ŝaltilojn al neŭtraleco, subensaltis, tiris supren la kapuĉon.

Kerlen la Kuratoro sidis alrigardanta lin.

Malantaŭe la fantomo formigis sin — alta blanka estulo en blanka robo, kaj la malhelaj okul-truoj fiksrigardadis kiel elirejoj al malimagado.

Kerlen la Kuratoro sidis rigardanta.

La fantomo moviĝis sub sia robo. Mano tia kia piedo de birdo aperis, entenanta bulon de malpuraspekta materialo. La fantomo ĵetis la materialon al la planko; ĝi eksplodiĝis por formi nubeton da nigra polvo. La polveroj de la nubo kreskiĝis, fariĝis multego da tordiĝantaj insektoj. Kun unuanima volo ili ekiris trans la planko, kreskiĝantaj dum ili disvastiĝis, kaj fariĝis rapide rampantaj estuloj kun simio-kapoj.

Kerlen la Kuratoro ekmoviĝis. “Bastono,” li diris. Li tenis supren la mano. Ĝi tenis lian bastonon. La bastono kraĉis oranĝan verŝegon — ruĝa polvo. Ĝi nubetiĝis antaŭ la alrapidanta amaso kaj ĉiu polvero fariĝis ruĝa skorpio. Tiel komencis feroca batalo; kaj etaj krioj kaj insektaj sonoj supreniris de la planko.

La simio-kapaj estuloj mortigiĝis, forĉasiĝis. La fantomo suspiris, movis sian ungaran manon fojon plu. Sed la bastono elkraĉis lumstrion el la plej pura ruĝo kaj la fantomo elfandiĝis por fariĝi nenio.

“Kerlen!” kriis Gajal. “La demono enrompas la galerion.”

Kerlen malrapidegis la pordon, paŝis elen.

“Bastono,” diris Kerlen, “faru vian plejan volaĵon.”

La demono diris, “Ne, Kerlen, detenu la magion; Mi kredis, ke vi stuporis. Nun mi retretas.”

Kun granda tremegado kaj tirego de masivo li tiris sin retroen ĝis refoje nur lia vizaĝo montriĝis tra la truo.

“Bastono,” diris Kerlen, “estu gardema.”

La bastono malaperis el lia mano.

Kerlen turniĝis por fronti al Gajal kaj Ŝierl.

“Estas bezono nun por multaj vortoj, ĉar nun mi mortas. Mi mortas, kaj la Muzeo poste ripozos sola. Do nu parolu rapide, rapide, rapide…”

Kerlen moviĝis per feblaj paŝoj al portalo kio ekglitis flanken je lia alproksimiĝo. Gajal kaj Ŝierl, prognozantaj pri la probablaj direktoj de la sinteno de Kerlen, staris hezite ĉe la malantaŭo.

“Venu, venu,” diris Kerlen akre senpacienca. “Mia forteco elĉerpiĝas, mi mortas. Vi estis al mi la morto.”

Gajal moviĝis malrapide antaŭen, kun Ŝierl duona paŝo malantaŭa. Deca respondo al la akuzo evitis lian serĉon; vortoj ŝajnis esti sen konvinka povo.

Kerlen stude rigardis ilin kun malforta rideto. “Haltigu viajn bedaŭrojn kaj hastu; la necesaj aferoj plenumendaj en la tempo havebla por ili faras, ke la tasko similu al provi skribi la Libregoj de Kae per minimumo da inko. Mi fadas; mia pulsado venas por malfortaj tajdoj, mia vidkapablo flagras…”

Li gestis senespere per mano, poste, turniĝanta, kondukis ilin en internan ĉambron, kie li duonfale sidiĝis en granda seĝo. Kun multaj maltrankvilaj ekrigardoj al la pordo, Gajal kaj Ŝierl sidiĝis sur remburita longseĝo.

Kerlen moke ridis per febla voĉo, “Vi timas la blankajn fantomaĵojn? Pfa, ili

estas baritaj el la galerio per la bastono, kio limigas ĉiujn iliajn provojn. Nur tiam, kiam mi estas stupora el konscieco — aŭ mortinta — ĉesos la bastono je sia funkciado. Vi devas scii," li aldonis kun iom plia vigleco, "ke la energioj kaj dinamioj ne trairas el la kanelo de mia menso sed el la centra potenciejo de la Muzeo, kio estas ĉiama; mi nur direktas kaj ordigas la stangeton."

"Sed tiu ĉi demono — kiu aŭ kio li estas? Kial li venas por rigardi tra la muroj?"

La esprimo de Kerlen ŝanĝiĝis al senespera masko. "Li estas Blikdak, Estro-Diulo de la demono-mondo Ĝeldred. Li torde tiris truon cele por ensuĉegi la sciaron de la Muzeo en sian menson, sed mi haltigis lin; do li sidas atendante en la truo ĝis mi mortos. Poste li supersatos sin per erudicio je la granda malavantaĝo de homoj."

"Kial oni ne povas devigi tiun ĉi demonon por kaj forigi la truon?"

Kerlen la Kuratoro kapneis. "La fajroj kaj furiozaj povoj kiujn mi regas ne validas en la aero de la demono-mondo, kie substanco kaj formo estas el malsama esteco. Do, tiom multe kiom vi povas lin vidi, li estas portinta kun si la propran medion; ĝis tia grado li estas sekura. Kiam li provas eniri plue en la Muzeon, la povo de Tero dissolvas la estecon de Ĝeldred; tiam mi povas ŝprucigi al li per la prisma fervoro el la potenciejo… Sed atendu, sufiĉe pri Blikdak por la nuna momento; diru al mi, kiuj vi estas, kial vi ĉi tien veturis, kaj kio estas la novaĵo el Tórsingol?"

Gajal diris en haltema voĉo, "Thorsingol jam pasis el memoro. Nenio restas supere krom arida tundro kaj la malnova urbeto de la Saponedoj. Mi estas el la suda lando; mi vojaĝis multajn leŭgojn por alparoli vin kaj plenigi mian menson per scioj. Tiu ĉi knabino Ŝierl estas el la Saponedoj, kaj viktimo de antikva kutimo kio sendas belon al la Muzeo je la alvoko de la fantomoj de Blikdak."

"Ah," spiris Kerlen, "ĉu mi estis tiom sencela? Mi memoras tiujn ĉi belajn formojn kiujn Blikdak dungis por mildigi la tedecon de sia deĵoro… Ili fluge ekpasas tra mia memoro tiel kiel printempaj efemeroj preter panelo da vitro… Mi flanken ŝovis la aferon kiel kreituloj el lia propra naskado, proponitaj per lia propra imago…"

Ŝierl ŝultrolevis esprime de sia konfuzo. “Sed kial? Por kia utilo al li estas homaj estuloj?”

Kerlen diris malsprite, “Knabino, vi estas tute el ĉarmo kaj freŝeco; la monstraj urĝoj de la demono-lordo Blikdak preteras via imagkapablo. Tiuj ĉi gejunuloj estis lia ludado, sur kiuj li praktikas variajn kunigojn, koitojn, perversojn, sadismojn, naŭzojn, histrionojn kaj fine baraktojn ĝis la morto. Poste li sendas elen pluan fantomon por postuli pluan junecon kaj belecon.”

Ŝierl flustris, “Tiu estis la estonta sorto mia…”

Gajal diris konfuzite, “Mi ne komprenas. Tiaj agoj, laŭ mia kompreno, estas karakterecoj de la homaro. Ili estas antropaj laŭ la baza naturo de la funkciantaj sakoj, glandoj kaj orgenoj. Pro tio ke Blikdak estas demono…”

“Pripensu lin!” parolis Kerlen. “Liajn liniarojn, liajn aparatojn. Li estas nenio alia krom antropa, kaj tiel estas lia origino, kune kun ĉiu el la demonoj, fréjtoj kaj lumokulaj kreituloj kiuj infestas fin-tempan Teron. Blikdak, kiel la aliaj, estas el la menso de homoj. La ŝvita kondensaĵo, la fiodoro kaj naŭzindeco, la seksaj perfortoj kaj sodomioj, la feko-afrodiziaj kapricoj, la multoblaj ridaĉindaj lubrikaĵoj kiuj drene trafluadis la tutan homaron kune produktis grandegan tumoron; el tio Blikdak akiris sian estiĝon, do tiel li estas. Vi jam vidis la manieron laŭ kio li tenas sian estecon, do li samkvalite aranĝas siajn distraĵojn. Sed pri Blikdak, sufiĉe. Mi mortas, mi mortas!” Li faletis ripoze sur sian seĝon kun anhelanta brusto.

“Vidu min! Miaj okuloj varias kaj ŝanceliĝas. Mia spirado tiel malprofundas kiel tiu de birdo, miaj oscedoj estas kiel la medolo de maljuna grimpoplanto. Mi jam vivis pli longe ol memoro; en mia frenezeco mi ne sciis pri pasado de tempo. Kiam ne estas ajna scio tiam ne okazas somataj konsekvencoj. Nun mi rememoras la jarojn kaj centjarojn, la miljarojn, la epokojn — ili similas al rapidaj ekvidoj tra obturatoro. Do, per kuraci min de mia frenezeco, vi estas mortinta min.”

Ŝierl palpebrumis, kliniĝis malantaŭen. “Sed kiam vi mortos? Kio poste? Blikdak…”

Gajal demandis, “En la Muzeo Homara, ĉu ne troveblas informoj pri la ekzorcaĵoj necesaj por dissolve tiun ĉi demonon? Klaras, ke li estas nia unuranga kontraŭulo, nia plej tuja afero.”

“Blikdak devas esti detruita,” diris Kerlen. “Post tio mi mortos komforte; tiam vi devas alpreni la zorgadon de la Muzeo,” Li lekis siajn blankajn lipojn. “Antikva principo specifigas, ke por detrui substancon, oni devas determini la naturon de la substanco. Por diri mallonge, antaŭ ol ni povas dissolvi Blikdak-on, ni devas malkovri lian bazan naturon.” Kaj liaj okuloj moviĝis vitre al Gajal.

“Via deklaro validas preter disputo,” agnoskis Gajal, “sed kiel ĝi estu farata? Blikdak neniam permesos tian enketon.”

“Ne; necesas, ke estu artefikado, ia trompa metodo…”

“La fantomoj, ĉu ili estas same el la materialo de Blikdak?”

“Ja.”

“Ĉu la fantomoj povas esti baraktataj kaj obstaklataj?”

“Certe; en skatolo el lumo, kion mi povas efektivigi per nur penso. Jes, fantomon ni devas havi.” Kerlen levis la kapon. “Bastono! unu fantomon; enlasu fantomon!”

Momento pasis; Kerlen levis manon. Aŭdiĝis kvieta grato ĉe la pordo, kaj mola ĝemeto aŭdeblis de ekstere. “Malfermiĝu,” diris voĉo, plena de plorsonoj kaj ekpaŭzoj kaj tremetoj. “Malfermu kaj lasu eliri la junajn estulojn al Blikdak. Li trovas tedecon kaj lasecon en sia deĵoro; do lasu, ke la duopo venu antaŭen por nuligi lian malkomforton.”

Kerlen strebe levis sin por stari. “Jam farita.”

De malantaŭ la pordo aŭdiĝis malĝoja voĉo, “Mi obstakliĝas, mi kaptiĝis en bruliga brilado!”

“Nun ni malkovros,” diris Gajal. “Kio dissolvas la fantomon, tio dissolvos Blikdak-on.”

“Ja prave,” akordis Kerlen.

“Kial ne lumo?” demandis Ŝierl. “Lumo apartigas la ŝtofon de la fantomoj tiel kiel subita vento disŝiras nebulon.”

“Sed nur pro ilia maldureco; Blikdak estas akra kaj solida, kaj povas travivi la plej ferocan radiegon en sia demono-landa alkovo.” Kaj Kerlen pensadis. Post momento li gestis al la pordo. “Ni iros al la bildo-pligrandigilo; tie ni eksplodos la fantomon ĝis makroa dimensio; tiel ni trovos lian bazaĵon. Gajal de Sfer, vi devas subteni mian malfortecon; vere, miaj membroj malfortas kiel vakso.”

Sur la brako de Gajal li ŝancelis antaŭen, kaj kun Ŝierl tuj postsekvante ili atingis la galerion. Ĉi tiel la fantomo ploradis en sia kaĝo el lumo, kaj serĉis konstante por malluma aperturo tra kiu li povus eksudi sian esencaĵon.

Neniom antentanta lin, Kerlen paŝadis lambe trans la galerion. Post ili sekvis la skatolo el lumo kaj perforte la fantomo.

“Malfermu la grandan pordon,” kriis Kerlen en voĉo difektita de kraklado kaj raŭkeco. “La grandan pordon eniran al la Stokejo de Scioj!”

Ŝierl kuris antaŭen kaj puŝis forte kontraŭ la pordon; ĝi glitis flanken, kaj ili enrigardis la grandan malluman halon, kaj la ora lumo de la galerio grade malpliiĝis inter la ombroj kaj fariĝis nenio.

“Voku por Lumeno,” Kerlen diris.

“Lumenon!” kriis Gajal. “Lumeno, atentu!”

Lumo estiĝis en la granda halo, kaj ĝi montriĝis tiom alta ke la pilastroj sterniĝe situaj laŭlonge en la halo etendiĝis supren por fariĝi fadenoj, kaj tiom longa kaj larĝa ke viro povus perdi sian spirkapablon kuranta laŭlonge de ajna dimensio. Sternitaj po egalaj vicoj estis la nigraj ŝrankoj kun kupraj fostetoj kiujn Gajal kaj Ŝierl estis observintaj dum sia eniro. Kaj super ĉiu pendis kvin similaj ŝrankoj, precize fiksitaj, ŝvebantaj sen subteno.

“Kio estas tiuj ĉi?” demandis Gajal mirigita.

“Mi volas ke la propra sensufiĉa cerbo enhavus centonon da tio kion scias tiujn ĉi memoro-stakojn,” anhelis Kerlen. “Ili estas grandegaj cerboj plenplene ŝtopitaj de ĉio kio estas sciata, spertita, farita aŭ registrita de la homaro. Ĉi tie estas ĉiom da la perdita sciaro, frua kaj malfrua, la altaj imagaĵoj, la historio de dek milionoj da urboj, komencoj de tempo kaj la supozataj finiĝoj; la kialo de homa

ekzisteco kaj la kialo pri la kialo. Tage mi laboradis kaj strebis inter tiuj ĉi memoro-stakoj; mia sukcesaĵo estis resumo el la plej surfaca tipo: panoramo de larĝa kaj multeparta lando.”

Ŝierl diris, “Ĉu ne estus la metodo por detrui Blikdakon stokita ĉi tie?”

“Jes ja; nia tasko estus nur trovi la informon. Interne de kiu ŝranko ni serĉu? Konsideru la kategoriojn: Demono-landoj; Mortigoj kaj Mortmalsanoj; Ekspozicioj kaj Dissolvoj de Malbono; Historio de Granvilundo (kie simila estulo estis forigita); Logaj kaj Mallogaj Superordigoj; Terapio por Halucinigoj kaj Fantomo-prenistoj; Konstruada Ĵurnalo, instruo por regenerado de rompitaj muroj, sub-sekcio pri invado pere de demonoj; Metodaj Sugestoj je Tempo Riska… Ja, tiuj ĉi kaj mil pliaj. Ie estas scio pri kiel frapegi la abomenindan vizaĝon de Blikdak retroen al sia kvazaŭa-loko. Sed kie serĉi? Indekso Supra mankas; nenia krom la malsufiĉa resumo de mia propra kompilado. Tiu kiu serĉas specifan scion ofte devas esplori longatempe…” Lia voĉo grade fadis. Poste: “Antaŭen! Antaŭen tra la memorigiloj al la Meĥanismaro.”

Do ili iris inter la memoro-stakoj, kiel blatoj tra labirinto, kaj poste trenŝvebis la kaĝo el lumo kun la plorĝemanta fantomo. Finfine ili eniris ĉambron odoran je metalo; refoje Kerlen instruis al Gajal kaj Gajal vokis, “Servu nin, Lumeno, servu!”

Inter komplikaj meĥanismoj marŝis la triopo, Gajal perdita kaj mirigita preter demandokapablo, malgraŭ tio ke lia cerbo doloris pro la deziro por sciado.

Ĉe alta budo Kerlen haltigis la kaĝon el lumo. Vitra plato subeniris antaŭ la fantomo. “Observu nun,” Kerlen diris, kaj manipulis la aktivigilojn.

Ili vidis la fantomon, bildigita kaj projekciita: la flua robo, la marasma vizaĝaspekto. La vizaĝo pligrandiĝis, platiĝis; sekcio sube de la vaka okulo fariĝis krusta blanka loko. Ĝi apartiĝis en pustulojn, kaj sola pustulo ŝvelis plenige en la vitra ekrano. La kavo de la pustulo estis komplike malglata surfaco, plektaĵo kvazaŭ ŝtofo, trikita laŭ punteca interplekto.

“Jen!” diris Ŝierl. “Li estas aĵo teksita kvazaŭ el fadeno.”

Gajal turnis entuziasme al Kerlen; Kerlen levis fingron por havi silenton. “Vere, vere, bona penso, aparte pro tio ke ĉi tie apud ni estas rotoro el ega rapido,

uzata por bobeni la kognajn filamentojn de la ŝrankoj… Nun observu; mi etendas en tiun ĉi panelon, mi elektas maŝon, mi eltiras fadenon, kaj atentu! La maŝoj malstriktiĝas kaj disiĝas. Kaj nun al la bobeno sur la rotoro, kaj mi volvas la fadenon, kaj nun per tordeto ni ĝin ligas…"

Ŝierl diris dubeme, "Ĉu la fantomo ne observas viajn agojn?"

"Neniel," certigis Kerlen. "La plato el vitriéno muras inter li kaj niaj faroj; li estas tro agacita por atenti. Kaj nun mi dissolvas la kaĝon kaj li estas libera."

La fantomo vagis elen, kaŭranta for de la lumo.

"Iru!" kriis Kerlen. "Returnu al via fontulo; reiru, returnu kaj iru!"

La fantomo foriris. Kerlen diris al Gajal, "Sekvu; eksciu pri kiam Blikdak enflaros lin."

Gajal, ĉe sekura distanco, rigardis la fantomon sorbiĝi supren en la nigran naztruon, kaj revenis tien kie Kerlen atendis apud la rotoro. "La fantomo estas refoje fariĝinta parto de Blikdak."

"Nu do," diris Kerlen, "ni kaŭzas ke la rotoro turniĝi, la bobeno giri, kaj ni observos."

La rotoro giris ĝis nefokusebla rapido; la bobeno (tiom longa kiom la brako de Gajal) fariĝis survolvita de fantomo-fadeno, unuamonte el paŝtela ĉiokoloro, poste perlamoto, kaj poste el fajna lakta-eburo.

La rotoro giradis, po miliono da fojoj en ĉiu minuto, kaj la fadeno tirita nevideble kaj nesciate de Blikdak dikiĝis sur la bobeno.

La rotoro giradis; la bobeno pleniĝis — cilindro lumanta de rebrila silka reflektado. Kerlen malrapidigis la rotoron; Gajal surfiksis novan bobenon tiuloke, kaj la malplektado de Blikdak plufariĝis.

Tri bobenoj — kvar — kvin — kaj Gajal, observante Blikdak-on de malproksime, trovis la gigantan vizaĝon kvieta, la buŝo moviĝetanta kaj suĉanta, faranta tiun klakan sonon kiu je la komenco estis kaŭzinta maltrankvilecon por ili.

Ok bobenoj. Blikdak malfermis la okulojn, elrigardis konfuze ĉirkaŭ la ĉambro.

Dek du bobenoj: malsamkolora makulo aperis sur la subenfleksanta vango, kaj Blikdak tremis pro maltrankvilo.

Dudek bobenoj; la makulo plivastiĝis trans la vizaĝo de Blikdak, trans la klina antaŭa nodo, kaj lia buŝo pendis malstrikte; li siblis kaj baraktetis.

Tridek bobenoj: la kapo de Blikdak aspektis malfreŝa kaj putra; la blue metala rebrilo estis fariĝanta kolera brun-ruĝo, la okuloj ŝvelis, la buŝo pendis malfermita, la lango pendis elfale malstrikta.

Kvindek bobenoj: Blikdak kolapsis. Lia fronta nodego falis kontraŭ la febreca buŝo; liaj okuloj brilis kiel febraj braĝoj.

Sesdek bobenoj: Blikdak estis ne plu.

Kaj kune kun la dissolviĝo de Blikdak tiel ankaŭ dissolviĝis Ĝeldred, la demonolando kreita por la endomiĝado de malbonego. La fendo en la muro kondukis al nuda roko, sen rompo kaj rigida.

Kaj en la Meĥanismaro restis sesdek lumantaj bobenoj nete stakitaj; la malbonegeco tiel ĉi malordigita brilis en pureco kaj irizeco.

Kerlen faletis malantaŭen kontraŭ la muro. “Mi mortas; mia tempo nun venas. Mi gardis bone la Muzeon; kune ni reprenis ĝin for de Blikdak… Atentu min nun. En viajn manojn mi transdonas la kuratoradon; nun la Muzeo estas via deĵoraĵo por gardi kaj bonteni.”

“Por kiu celo?” demandis Ŝierl. “Tero mortas, preskaŭ kiel vi… Por kio servos scioj?”

“Pli nun ol ĉiam antaŭe,” anhelis Kerlen. “Atentu: la steloj brilas, la steloj belas; la memoro-stakoj scias benan magion por rapidigi vin al junajn klimatojn. Nun — mi iras. Mi mortas.”

“Atendu!” kriis Gajal. “Atendu, mi petegas!”

“Kial atendi?” flustris Kerlen. “La vojo al paco logas min; ĉu vi vokus min revene?”

“Kiel mi elprenu de la memoro-stakoj?”

“La ŝlosilo por la indekso estas en miaj ĉambroj, la indekso de mia vivo…” Kaj Kerlen mortis.



Gajal kaj Ŝierl suprenpaŝis al la supraj etaĝoj kaj staris ekstere de la portalo sur la antikva pavimita planko. Estis nokto; la marmoro rebriletis subpiede, la rompitaj kolumnoj staris altaj kontraŭ la ĉielo.

Trans la ebenejo la flavaj lumoj de Saponco briladis varmete inter la arboj; supere en la ĉielo briladis la steloj.

Gajal diris al Ŝierl, “Jene situas via hejmo; jen Saponco. Ĉu vi volas returni?”

Ŝi neis kapgeste. “Kune ni estis rigardantaj tra la okuloj de scio. Ni estas vidintaj malnovan Tórsingolon, kaj la Imperion de Ŝerredo antaŭ tio, kaj Golŭan Andraon antaŭa je tio kaj la Kvardek Kádoj eĉ pli antaŭaj. Ni estas vidintaj la militemajn verdulojn, kaj la saĝajn Fárilaojn kaj la Kléŭmbojn kiuj forlasis Teron por aliri la stelojn, kiel faris Merionefo antaŭ ili kaj la Grizaj Sorĉistoj eĉ pli antaŭe. Ni estis vidintaj oceanojn leviĝi kaj refali, la montojn krustiĝi supren, supriĝi kaj fandiĝi sub la alfrapado de pluvoj; ni estas alrigardantaj la sunon dum ĝi lumis varma kaj plena kaj flava… Ne, Gajal, ne estas loko por mi nun ĉe Saponco…”

Gajal, apoganta kontraŭ la vetere erodita kolumno, suprenrigardis al la steloj. “Scio estas nia, Ŝierl — ĉiom da sciebleco haveblas al ni. Kaj kion ni faru?”

Kune ili rigardis supren al la blankaj steloj.

“Kion ni faru…”



**aberaci/o** **1** Diferenco inter la ŝajna kaj la vera situo de astro. **2** □ Disperso de la lumradioj, kiu kontraŭstaras la formiĝon de preciza bildo. **3** ❤ Devio disde la normala tipo. **4** ⚕ Deflankiĝo disde la normala stato.

**abomen/i** **1** Malamegi pro fizike naŭzaj ecoj. **2** Malamegi pro morale tre malplaĉaj ecoj.

**acerb/a** **1** Adstringagusta, kiel nematura frukto. **2** (f) Kritike, ofendintence pika, morda.

**afekci/i** (tr) Estigi ŝanĝon en la animstato de ekzistaĵo

**afrodizi/o** ⚕⚥ Eksciteco de la seksorganoj.

**agat/o** Mineralo, variaĵo de kalcedono laŭzone diverskolora, uzata en juvelarto.

**agit/i** (tr) **1** Varbi por politika, sociala, religia ks celo, ekscitante la sentojn. **2** Naski en animo sinsekvajn sentojn, kiuj ĝin malkvietigas.

**aktini/o** Floro-aspekta mar-besto, vivanta unuope, fiksiĝinta sur ŝtonoj.

**alegori/o** ♧ Metafora parolo, kiu sub la propra senco aludas kaŝitan signifon pli profundan, plej ofte moralan.

**aler/o** Tegmenteto super domenireja pordo, destinita por ŝirmi precipe kontraŭ pluvo. *~EB 39/67*

**amfiteatr/o** Ronda konstruaĵo, kie seĝovicoj altiĝas unu poste kaj supre de alia ĉirkaŭ centra libera spaco, en kiu antikvuloj aranĝis diversajn spektaklojn *~EB 296/1-3*

**ampeplos/o** Genro de grimpaj lianoj kun forkaj ĉiroj sen alfiksiĝaj disketoj; 25 specioj el mezvarmaj kaj tropikaj regionoj de Azio kaj Ameriko.

**amulet/o** Objekto, kiu per supozata magia efiko gardas sian portanton kontraŭ danĝero, malsano, sorĉo ktp.

**antrop/o** Homo.

**apati/o** Stato de spirito, kiun nenio tuŝas, ekscitas aŭ suferigas

**apokrif/a** **1** ב✞ Ne akceptita en la kanono de la Biblio fare de judismo aŭ de iuj kristanaj eklezioj: ekzistas pluraj apokrifaj evangelioj. ☞ kanona. **2** Neaŭtentika: apokrifa dokumento, testamento. ☞ falsa.

**ardez/o** **1** ⊕ Petro fajne kristala, malforte metamorfa, fendiĝanta en platajn tavolojn, uzatajn inter aliaj por fari tegmentojn: ardezo estas blugriza. ☞ skisto, filito. **2** Tabuleto, pasintece el ardezo, uzata de junaj lernantoj por skribado per kreto aŭ speciala krajono. ☞grifelo.

**arĥitrav/o** La malsupra parto de entablemento, kiu kuŝas senpere sur la kapiteloj. *~EB 316/18; ~BeE 163/16,27*

**arkan/o** Θ Sekreta instruo aŭ rito, rezervita al inicitoj.

**arpeĝ/o** Akordo, kies tonoj sonas ne samtempe, sed en rapida sinsekvo.

**asket/o** Piulo, celanta animan perfektiĝon per korpaj rigoraĵoj

**asteri/o** Genro de ekinodermoj, en formo de kvinpinta stelo. ☞ orfiuro *~EB 340/23; ~BeE 176/43*

**aster/o** Genro de unu-, du- kaj plur-jaraj herboj, kies radiajn kapitulojn karakterizas flava aŭ purpura disko kaj granda, blanka aŭ okulfrape kolora krono; ĉirkaŭ 250 specioj, N-hemisferaj, multaj pororname kultivataj.

**aŭgur/o** **1** Signo, interpretata por antaŭvidi estontan okazaĵon. **2** (f) Antaŭsigno. ☞ aŭspicio, prognozo. **~i** (tr) **1** ♜ Diveni estontaĵon per observo de birdoflugo aŭ de ĉielaj fenomenoj. **2**Antaŭvidi kaj antaŭdiri per ia ajn rimedo. **3** (f) Antaŭimagi. **4** (f) Esti la antaŭsigno de io.

**aŭreol/o** Luma radiado ĉirkaŭ io, kutime sfera aŭ ringoforma.

**aŭr/o** **1** Sensaĵo (aŭda, vida k.a.), kiu anoncas al malsanulo baldaŭan atakon de epilepsio, histerio, astmo, kaj simile. **2** Spiriteca substanco, iom simila al lumo, povanta havi diversajn kolorojn, troviĝanta en kaj ĉirkaŭ vivanta korpo, de kie ĝi disradias; laŭ iuj kredoj ĝi estas videbla de inicitoj. **3** Etoso, disradiata de persono.

**aŭspici/o** Antaŭsigno pri la estonta evoluo de io.

**aven/o** 1 Genro de unujaraj herboj, unu specio el kio kultiviĝas pro ties grajnoj kiuj uziĝas kiel karakteriza nutraĵo por ĉevaloj, sed ankaŭ en diversaj formoj kiel manĝaĵo por homoj, aparte matena kaĉo.

**avid/a** Forte deziranta ricevi aŭ ekposedi ion. ☞ avara. Rim. avid estas ofte uzata suf-e, kun la senco de am, sed kun pli forta kaj ordinare malfavora nuanco. **~e** En avida maniero. **~i** (tr) Pasie deziri ekposedi aŭ ricevi.

**azil/o** Loko, kie persekutata homo estis, laŭ kutimo aŭ leĝo, sekura kontraŭ siaj persekutantoj:

**balkon/o** Plata elstaraĵo ĉe la fasado de domo, ĉirkaŭita per balustrado aŭ krado kaj komunikiĝanta kun la interno. *~EB 296/17,18 39/69 252/93 10/12*

**balustrad/o** **1** Vico da balustroj kun supra breto, ĉe la rando de teraso, balkono kaj simile. **2** Ĉia analoga barilo aŭ apogilo, starigita por eviti defalon. *~EB 39/9, 40/25 ; ~BeE 44/18, 276/22,50*

**barĝ/o** Platkarena, malalta, kargoporta barko aŭ ŝipo, uzata ordinare en riveroj, havenoj kaj kanaloj. *~EB 211/25, 220/20,22 ; ~BeE 375/87*

**basalt/o** Vulkana petro, nigra kaj nebrila, el kiu konsistas la plejparto de la terkrusto.

**baŭm/i** (ntr) Stariĝi sur la postaj piedoj, precipe pri ĉevalo kaj simile.

**bed/o** Plata aŭ nivelita peco de grundo, preparita por plantoj

**boben/o** Cilindra aŭ konusa peco el ajna materialo ĉirkaŭ kiu oni volvas longan, relative maldikan materialon kiel fadeno, drato, filmo, ktp. **~i** (tr) Volvi ĉirkaŭ bobeno. *~EB 233/60; ~BeE 253/29, 318/47*

**braĉ/o** ♜ Speco de pantalono, portata de gaŭloj, ĝermanoj kaj kelkaj Aziaj popoloj.

**braĝ/o** **1** Ardaj karbetoj restantaj, post kiam la ligno- aŭ karbo-pecoj ne plu ĵetas flamon. **2** Tiaj samaj karbetoj, estingitaj antaŭ forkonsumiĝo, kaj uzataj aŭ kiel

bruligaĵo, aŭ kiel elektrodo.

**brez/i** (tr) Kuiri per milda fajro, sen elvaporiĝo, por ke la kuiraĵo konservu ĉiujn siajn sukojn kaj bruniĝu.

**brod/i** (tr) ▦**1** Kudre ornami ŝtofon aŭ ledon per fadenoj. ☞ broki. **2** Desegni per tiaj fadenoj.

**brog/o** **1** Trempi en, aŭ surverŝi per bolanta akvo. **2** Ĵeti en bolantan akvon viandon aŭ legomojn, por ilin pretigi al posta kuirado aŭ depreni de ili ian akrecon. **brogaĵo** Akvo, en kiu oni bolkuiris viandon.

**brok/i** (tr) ▦ Interteksi sur la fono fadenojn el silko, arĝento aŭ oro, por aperigi desegnojn sur la ŝtofo. **~ado** Tia procedo de teksado. **~aĵo** Tiel teksita kaj ornamita ŝtofo.

**bronz/o** Alojo de kupro kaj stano (en proporcio ĉ 8/1), al kiu oni ofte aldonas en ioma kvanto zinkon aŭ plumbon: ŝildo, sonorilo, kanono, statueto el bronzo; aluminia bronzo (en kies alojo aluminio anstataŭas stanon). ☞ kupro, latuno, tombako.

**burlesk/a** Ekstravagance komika, kontrastiganta la noblecon de la temo kun la trivialeco de la stilo, aŭ male.

**cinabr/o** Ruĝa sulfido de hidrargo, uzata kiel kolorilo, HgS.

**citadel/o** Fortikigita loko en urbo, por defendi ĝian alirejon.

**col/o** Mezurunuo de longo. Proksime tiom longa kiom fingra artiko.

**ĉarnir/o** Ⓣ Metalaĵo, konsistanta el du platoj, kunligitaj per komuna akso, ŝraŭbitaj sur la fiksa parto de meblo, kofro kaj simile, respektive sur la pordo aŭ kovrilo, kaj ebliganta ties malfermon. ☞ pordhoko, kardino, pivoto.*~EB 134/57 ; ~BeE 293/56*

**dafodil/o** Specio de sovaĝa narciso (Narcissus pseudonarcissus) kun nur unu granda, senodora, ore flava floro, karakterizata de granda kromkorola tubo; hejma en Eŭropo, herbeja, pororname kultivata. Alimome 'trumpetnarciso' *~BeE 213/3* ☞ jonkvilo.

**damp/i** Mane aŭ ile malpliigi la vibradon, aŭ ŝanĝi obtuzige la sonkvaliton

**debat/o** Diskuto laŭ ordigita maniero en oficiala kunveno (kongreso, parlamento ktp) aŭ, porekzerce, en klaso.

**dekdenc/o** Komenco de ruiniĝo, de malfortiĝo, de malprosperiĝo.

**delir/i** (ntr) Esti en stato de nedaŭra psika malordo, kaŭzita de febro, malsano aŭ ebrieco, kaj karakterizata de halucinaj imagoj kaj nekonsekvencaj senkonsciaj paroloj.

**desapont/i** (tr) Ne kontentigi la esperojn de iu. **~iĝi** Iĝi seniluziigita en siaj atendoj aŭ deziroj.

**determin/i** (tr) Precize fiksi ion necertan, indikante la limojn, inter kiuj tiu io estas entenata.

**dig/o** **1** Remparo, starigita por ŝirmi lokon kontraŭ inundo de rivero aŭ maro. **2** Transversa muro, konstruita en rivero, por provizore haltigi, aŭ malakceli, la fluon, aŭ reguligi la nivelon. *~EB 212/49,57-64; ~BeE 370/3,64*

**dilat/o** Fenomeno, en kiu la amplekso aŭ la volumeno de gasa, likva aŭ solida substanco pligrandiĝas.

**dilem/o** **1** Rezono, prezentanta alternativon inter du malsamaj aŭ kontraŭaj asertoj, kiuj ambaŭ kondukas al sama konkludo. **2** Alternativo, enhavanta du kontraŭajn proponojn, inter kiuj oni nepre devas elekti.

**distil/i** (tr) Apartigi substancon de ĝiaj malpuraĵoj aŭ de kunkomponaĵoj, vaporigante per varmo ĝiajn vaporiĝemajn erojn kaj poste relikvigante la vaporojn per malvarmo. *Tie ĉi temas pri supernatura afero produktita en maniero analoga al distilado.*

**duilion/o** Grandega nombro, $10^{12}$.

**ebur/o** Blanka kaj malmola substanco, kiu konsistigas la dentegojn de elefanto, hipopotamo, kaj aliaj. *~EB 337/39; ~BeE 162/39*

**efemer/a** Mallongedaŭra; rapide pasanta: la diversaj novaj proponataj sistemoj

estas nur efemeraj ne pripensitaj provoj. ☞ kaduka, pasema, unutaga. **~o** **1** Efemeraĵo. **2** ♉ Genro de insektoj, kies larvoj vivas en sensala akvo, kaj kies fluganta plenkreskulo vivas nur tre mallongdaŭre (kelkajn horojn ĉe iuj sp-oj). *~EB 342/6; ~BeE 175/8*

**ekskvizit/a** Tre ege altkvalita laŭ artista desegno, materiala konstruo. Esprimanta la plej puran modon.

**ekspansi/o** Plivastiĝo, plietendiĝo de ies influo aŭ regado. **~i** (ntr) Prezenti tiun fenomenon.

**eksud/i** (ntr) ⚕ Eliĝi tra histo, simile al ŝvito: la sango eksudas iafoje tra poroj de haŭto. ☞ elŝvit(iĝ)i. **~o** Tia fenomeno. **~aĵo** Organika likvo, sereca, fibreca aŭ mukeca, kiu eksudas el inflamita histo.

**ekzalt/i** (tr) Tre eksciti, levante la sentojn ĝis alta grado de intenseco. **~iĝo** Ekstato de iu ~ita.

**ekzorc/i** (tr) Elpeli el vivanto malbonan spiriton, demonon ks, per magia formulo en formo de malbeno aŭ de preĝo.

**elast/a** Tia, ke ĝi facile kuntiriĝas, etendiĝas aŭ aliformiĝas pro premanta aŭ tiranta forto, kaj reprenas sian antaŭan formon,kiam tiu forto ĉesas.

**eliksir/o** **1** Likva medikamento, solvaĵo de unu aŭ pluraj substancoj en alkoholo. **2** Alkemia preparaĵo, por ŝanĝi metalojn en oron, aŭ por senfine daŭrigi la vivon aŭ simile.

**emajl/o** Vitrosimila diverskolora substanco, per kiu oni kovras potojn, fajencon, metalon per bakado je alta temperaturo.

**empiri/o** **1** Sperto, rigardata kiel bazo kaj kogna kriterio de filozofio kaj scienco. **2** Nescienca rutina metodo bazita sur nura praktika, nesufiĉe kontrolita sperto.

**ensembl/o** **1** Trupo de muzikistoj aŭ aktoroj kune ludantaj. **2** Tuto de la dekoracio, de la mebloj kaj de la ornamaĵoj de ĉambro, harmonie elektitaj kaj aranĝitaj. **3** Tuto de la diversaj pecoj de kostumo harmonie alfaritaj. **4** Tuto da konstruaĵoj, prezentantaj arkitekturan unuecon. **5** Imagita aro de similaj fizikaj sistemoj kies distribuo por iu(j) fizika(j) grando(j) estas proporcia kun specifa probablo; uzata

por doni fizikan interpreton al probabloj.

**epizod/o** **1** ♧ Akcesora agado, ne strikte ligita kun la ĉefa temo, en rakonto aŭ poemo: la lastaj ses libroj de Eneado estas plenaj de epizodoj. **2** Aparta kurioza fakto en historia aŭ grava okazintaĵo. ☞ incidento.

**erik/o** **1** Geno de plantoj—daŭrafoliaj arbustetoj, tufarbustoj kaj kelkaj trunkarbustoj, multaj pororname kultivataj. **2** Ĉiu arbusteto aŭ arbusto el la g. Erica kaj parencaj g-oj, precipe kaluno. *~EB 316/19; ~BeE 195/19*

**erudici/o** Multesciado pri detaloj kaj dokumentoj en ia faka scienco.

**falĉ/i** (tr) Detranĉi herbon aŭ grenon per falĉilo aŭ falĉileto. **~ileto** *~EB 66/17; ~BeE 208/8*

**fascin/i** (tr) **1** Senigi je ĉia povo de forkuro aŭ kontraŭstaro per intense fiksita rigardado. **2** Nerezisteble allogi, ravi.

**faz/o** **1** Perioda aspektoŝanĝo de astro: la fazoj de Luno. **2** Ĉiu el la difinitaj sinsekvaj statoj en la evoluado de fenomeno

**fe/o** Fabela estaĵo de malsupera rango, dotita per supernaturaj povoj

**filament/o** ⏚ Tre maldika drato en elektra ampolo aŭ elektrontubo, kiu, varmigata de kurento, produktas lumon aŭ favoras la elradiadon de elektrono.

**filigran/o** **1** Delikata aĵura teksaĵo el oraj aŭ arĝentaj fadenoj. **2** Ⓣ Travidebla desegno, marko en papero. *~EB 38/16, 101/30; ~BeE 254/30*

**flagr/i** (ntr) **1** Eligi tien kaj reen rapide moviĝantan lumon: la flamo de la kandelo flagradis en la aerblovo[Z]. **2** Intermite treme kaj skue brili.

**flakon/o** Boteleto por parfumoj, medikamentoj, likvoroj, plejofte fermita per ĝustege adaptita ŝtopilo el la sama materialo.

**flok/o** Peceto, tufeto el maldensa kaj malpeza materio, kiu ŝvebas en aero, malrapide falante.

**fluoresk/i** (ntr) □ Resendi laŭ pli longaj ondoj la ricevitan lumon, precipe la violan

kaj ultraviolan. ☞ lumineski.

**flut/o** 텺텥텯 Blovinstrumento, konsistanta el ligna aŭ metala tubo kun truoj. *~EB 302/31, 308/66, 366/47; ~BeE 161/47*

**fosforesk/i** Lumi dum kaj post prilumigo per alia lumfonto.

**fosili/o** ⊕ ⚒ Restaĵo, natura muldaĵo aŭ spuro de vivulo aŭ (vs.) de ties agado, konservata en petro (ĝenerale sedimenta) aŭ sedimento.

**fragil/a** (pecipe pri materio) Rompiĝema ĉe ekfrapo aŭ abrupta streĉo.

**fragmit/o** Iu el tri specoj de kanoj, kreskantaj ĉe rando de marĉoj kaj lagetoj. *~BeE 196-23*

**frakas/i** Perforte kaj brue disrompi, dispecigi.

**fret/o** Listelforma, ronda aŭ plata ornamo, konsistanta en kontinuaj kombinoj de rektaj linioj ortangule aŭ zigzage kunigitaj.

**fronton/o** Ornamaĵo ĉe la fronto de konstruo, super pordo aŭ fenestro. *~EB 316/3; ~BeE 9/14*

**fut/o** Mezurunuo de longo, triono de la distanco inter nazo kaj la fingropintoj de etendita brako.

**gabl/o** Supra triangula parto de muro, sur kiu sin apogas la firsta kaj mezaj patnoj, laŭ la deklivo de la tegmento. *~EB 39/15a, 116/3, 117/25; ~BeE 275/25, 44/11*

**gagat/o** Variaĵo de nigra, brila lignito, uzata por juveloj.

**galop/i** (ntr) **1** (pp ĉevaloj kaj simile): Kuri per la plej rapida kurmaniero, en kiu la kvar piedoj samtempe delasas la grundon ĉe ĉiu paŝego. ☞ ambli, paŝi, troti. **2** Rajdi tiamaniere: la dio de la dormo galopis antaŭen. **3** (f) Tre rapide iri.

**gaz/o** Teksaĵo, malpeza kaj travidebla, el silko, lino.

**gelaten/o** **1** Senforma, travidebla, flaveta, duonsolida substanco (proteino sub formo de ĝelo), fandiĝanta ĉ. 25°C, ricevata per agado de varma akvo sur bestajn

histojn (precipe ostojn). **2** Simila substanco, ekstraktata el iuj vegetaĵoj.

**gerani/o** Flora planto. *~EB 56/1; ~BeE 205/1*

**gir/i** (ntr) Rondire turniĝi.

**girland/o** Ornama kunplektaĵo el floroj kaj folioj, en formo de kurba ĉeno. ☞ festono.*~EB 289/17; ~BeE 124/14*

**glace/a** Ricevinta apartan brilan aspekton per polurado aŭ glatigado.

**gong/o** Sonorilo el vertikale pendanta metala disko, kiu forte resonas sub frapoj. *~BeE 117/46; PIV XXV/8*

**grajl/o** ❄ Speco de hajlo, kiu falas sub formo de tre malgrandaj kaj tre blankaj grajnoj. ☞ prujno.

**graŭl/i** (ntr) Kolermurmuri, grumbli, murmuregi. Minaci hunde per gorĝa sono kaj levo de lipoj por montri dentojn.

**granat/o** Frukto de granatujo; bero pomgranda, kun ledeca ŝelo, enhavanta multajn manĝeblajn, purpuretajn semojn, uzatajn por farado de granatsiropo. *~EB 368/19; ~BeE 202/19*

**granit/o** ⊕ Plutona petro, grajna, acida, precipe konsistanta el feldspato, kvarco kaj glimo. ☞ sienito, gnejso, porfiro.

**gruz/o** **1** Malsubtila sablo, miksita kun malgrandaj ŝtonetoj, precipe uzata por kovri park-aleojn, vojojn kaj simile. **2** Similforma dispecigita malmola substanco.

**nekrofaĝ/o** Tiu kiu nutras sin sur mortintaj uloj. Ordinare temas pri mikrobiologiaj aferoj, sed la aŭtoro kutimas uzi ĉi tiun terminon neologisme pri homoj. Leganto tial subtekste komprenas ke temas pri kulturo iom pli ol nur kanibala.

**érb/o** Danĝera arbar-loĝanta bestulo havanta kvar gambojn, fortan odoron kaj sensivan flarkapablon. Eble hibrido el urso, viro, lánk-lacerto kaj demono. Ĉasas naz-sekvante spurojn.

**relajs/o** Aparato, kiu ricevas malfortan efikon kaj kiu siavice resendas la saman aŭ

similan efikon fortigitan, aŭ kiu resendas diferencan efikon deziritan; la efikoj ricevataj kaj elsendataj povas esti mekanikaj movoj, elektraj kurentoj, pulso de lumo ktp.

**hant/i** (tr) Vizitadi tiel ke iu loko fariĝi timiga. Precipe (sed ne necese) temas pri fantomo.

**hiacint/o** Genro de herboj kun skvama bulbo, el kiu kreskas bazaj folioj kaj stara grapolo kun preskaŭ nuda pedunklo kun pendantaj, ofte bonodoraj floroj, havantaj malsupraduone kuniĝintajn tepalojn po 6; 3 sp-oj el U kaj C Azio, multe kultivataj, i.a. en Nederlando. ➞ jacinto.

**hibrid/o** Individuo, kies du generintoj apartenas al du diversaj specioj, subspecioj, varioj aŭ formoj.

**hipnot/o** ⚕ Konscio-stato, estigita per artaj procedoj, fizikaj kaj psikaj, karakterizata de alta sugestiemo kaj volo parte senkritikigita.

**histeri/o** **1** Kompleksa fizika stato, en kiu la nerva sistemo, danke al ĝis nun neklarigita kapablo, povas krei neŭropatiajn simptomarojn, plej variajn kaj plej mirigajn pro iliaj abruptaj apero kaj malapero. **2** Neŭrozo, karakterizata de ega intensigo de la emocia esprimado, akompanata de simptomoj ŝajne fizikaj aŭ de psikaj nekutimaj manifestiĝoj, kiel forta angoro, halucino, deliro kaj mitomanio.

**hul/o** Mara ondomovo estiĝanta sen ŝaŭmrompiĝo.

**hum/o** Kompleksa miksaĵo de organikaj substancoj, devenantaj el la malkomponiĝo de mortaj, precipe vegetaĵaj organismoj de grundoj.

**ĥul/o** Monstro kun homa formo kio loĝas ĉe tombejoj kaj manĝas la korpojn de mortintuloj, eble pretermorta homo aŭ mortinta homa korpo enloĝata de malbona spirito.

**iks-kanel/i** (tr) Fari malglata por pli facila tenado per ikse ordigitaj kruc-kaneloj kun rezulto ke estu (inter la krucaj kaneloj) multe da diamantformaj pintoj sur la tuto de antaŭe glata surfaco.

**improviz/i** (tr) **1** Tuj kaj senprepare produkti. **2** Senprepare organizi ion.

**imun/a** **1** ⚥⚕ (pp organismo) Denaske aŭ (jen spontane, jen estige) akirinte rezistecon kontraŭ aparta mikrobo, veneno aŭ tokso. **2** ⚖ Ne respondeca antaŭ la leĝo, ŝirmita per leĝa privilegio. ☞ eksterteritoria. ➞ tabua. **3** Ⓣ Ŝirmita kontraŭ ia difekto, danĝero ks pro sia konsisto, materialo, konstruiĝo aŭ antaŭpretigo.

**indig/o** Malhelblua koloraĵo, antaŭe ekstraktita el indigujo, nuntempe sinteze preparita.

**indukt/i** (tr) Φ Rezoni, konkludante el apartaj faktoj al ĝenerala leĝo, el specoj al specaro, el efikoj al kaŭzo.

**infest/i** (tr) Svarme invadi, pp ratoj ks en iun lokon, aŭ (⚕) precipe pri parazitoj en iun organismon.

**insolent/a** Ofende senhonta, malrespektema.

**intermit/i** (ntr) Periode interrompiĝi, kaj rekomenciĝi ordinare post egalaj intertempoj.

**interpret/i** (tr) Atribui difinitan sencon al io, kaj sekve

**iriz/a** Prezentanta tiajn kolorojn, kiuj sanĝiĝas laŭ la pozicio de la observanto.

**ĉir/o** **1** Maldika, volva organo de grimpaj plantoj, per kiu ili alkroĉiĝas.
**2** ♉ Fadenforma apendica palpilo ĉe diversaj senvertebruloj, inter aliaj poliketoj, krinoidoj kaj brankiostomo. ☞ barbfadeno.*~EB 59/4, 80/4; ~BeE 209/4, 211/32*

**jad/o** Mineralo. Densa, polurebla variaĵo de amfibolo aŭ pirokseno, kun koloro varianta de la hela grizverdo ĝis la blanko, uzata en Oriento por etaj art-objektoj.

**jard/o** Mezurunuo de longo, egala al tri futoj, iomete malpli longa ol metro.

**junk/o** Genro de unu- kaj plur-jaraj herboj kun longaj tigoj enhavantaj spongecan histon, kun trinombraj floroj kaj kun trikameraj kapsuloj. Kreskas ĉe akvobordoj kaj uziĝas de korbistoj. *~EB 130/28; ~BeE 289/28*

**kab/o** Pli-malpli altnivela pinto de terlando, kiu elstaras en la maro.

**kahel/o** Plato el bakita kaj glazurita argilo aŭ simila materialo, uzata por pavimi aŭ

tegi. *~EB 260/35 & 41/51*

**kalendul/o** Genro de unujaraj herboj kun integraj, longe elipsaj folioj, kun flavaj aŭ oranĝaj, radiaj kapituloj kaj kun senegretaj akenoj. *~BeE 203/33*

**kaŭlorap/o** Kultivita vegetaĵo, tigo-brasiko, aparte ĝia tubero. *~EB 59/26*

**kam/o** Rotacianta disko, kun elstaraĵo(j), kiu(j) ĉe ĉiu turno de la akso de la disko, puŝas pecon sin apogantan sur ĝi, kaj uzata por la regado de mekanikaj aŭ elektraj organoj. *~EB 184/60; ~EeB 343/5*

**kapriol/i** Kaprica, petola salto en kapra maniero.

**kapuĉ/o** Kapvesto, alkudrita aŭ alfiksita al mantelo. Se estus sufiĉe granda, obskurus ankaŭ la vizaĝon per sia ombro.

**karakol/i** (ntr) (pp ĉevalo aŭ rajdanto) Fari, dum irado, fantaziajn turniĝojn kaj saltetojn.

**kard/o** Plantoj el la tipo de karduo, t.e. pikilhavaj el la asteracoj kaj dipsakacoj. *~EB 63/32; ~BeE 214/32*

**karmezin/a** Brile malhelruĝa. **brun-karmezina** HTML koloro `#800000`, ruĝ-verd-blua 128,0,0.

**kask/o** Metala aŭ fortikleda kapŝirmilo por soldatoj, fajrestingistoj, ministoj ktp. *~EB 246/4, 308/10, 310/39-42 & 60; ~BeE 82/20*

**katapult/o** Malnova militmaŝino, funkcianta per streĉado kaj subita malstreĉo de ŝnuroj, kaj utiligata por antaŭenpafi ŝtonojn, ĵetarmilojn kaj aliaj.

**kitel/o** Vasta manikhava vesto el vulgara ŝtofo, kovranta la korpon de la ŝultroj ĝis la genuoj; longa bluzo. *~EB 32/19; ~BeE 35/49*

**klab/o** 1 Tubera bastono, pli dika ĉe unu ekstremaĵo ol ĉe la alia, servanta kiel kontuza armilo: la klabo de Heraklo. ☞ madzo. *~EB 94/8, 278/32 ; ~BeE 162/33***2** Speco de bastono, uzata por batĵeti pilkon en golfo. **3** Supro de la malantaŭa femuro de ŝafo aŭ porko. **~i** (tr) Frapi per klabo, precipe sur kapon.

**klan/o** Grupo de individuoj, kiuj rigardas sin parencaj unu al aliaj, sed kiuj rekonas ekskluzive tiun parencecon.

**klarion/o** Latuna blovinstrumento kun laŭta sono, uzata ofte en infanterio. ~*BeE 140/2*

**klimaks/o** **1** La lasta termo de gradacio. **2** Plej supra punkto, apogeo, zenito. **3** La lasta termo de progresa sukcesio.

**klink/o** **1** Tiu movebla peco de pordfermilo, kiu konsistas el metala dika lameno pivotfiksita ĉe unu fino, kaj kiun oni povas, levante aŭ mallevante, enigi en hokon fiksitan sur la pordokadro. **2** Analoga peco de aŭtomata fermilo, kies levo elklikigas serurmekanismon kaj ebligas malfermon de pordo. *~EB 199/60; ~BeE 49/32*

**koagul/i** (tr) Transigi de likva stato al la stato de ĝelo.

**kogn/i** (tr) Φ Rekoni, percepti, kapti (veron) helpe de logika konkludado. **~o** Fenomeno aŭ ago, per kiu oni perceptas veron. **~a** Rilata al kogno.

**koket/a** Penanta plaĉi, precipe al eventualaj seksaj partneroj, per elegantaj vestoj kaj logaj maniero. ☞ flirtema. ➞ galanta.

**kolizi/i** (ntr) Renkontiĝi kaj fortege tuŝegi sin reciproke.

**kolos/o** **1** Statuo de grandegaj dimensioj. **2** Giganta homo aŭ regno: la libereco elkovas kolosojnZ; Betoveno estas ia muzika koloso. **~a** Havanta eksterordinarajn proporciojn aŭ ecojn. ☞ elefanta, giganta, mamuta, titana.

**komplez/o** Ago, per kiu oni penas plaĉi al iu, helpante, farante servon aŭ havigante profiton.

**komuni/i** Plej specife temas pri kristana rito en kiu oni simbole trinkas la sangon kaj manĝas la korpon de Kristo. **Vance:** Temas pri la plej sankta rito de ajna religio, tiu je kio nur plene veraj membroj rajtas partopreni.

**kondens/i** (tr) Ⓚ □ Transirigi vaporon al la likva aŭ solida stato. ☞ faztransiro.

**kontempl/i** (tr) Longe kaj medite rigardi, per la korpaj aŭ la spiritaj okulo.

**kontrakt/i** (pri) Interkonsenti, per interŝanĝo de jure validaj deklaroj, pri difinitaj rajtoj kaj devoj de la respektivaj partioj: **~o** Jure valida interkonsento, laŭ kiu ĉiu partio ricevas difinitajn rajtojn kaj devojn.

**koral/o** Kalka, pli-malpli arborforma skeleto de diversaj kolonioj de kniduloj, ordinare fiksiĝinta al submaraj rokoj, el kiu oni faras ornamaĵojn.*~EB 340/35; ~BeE 176/19*

**krak/i** (ntr) Eligi sekan bruon, kiel de rompado aŭ krevado.

**kramp/o** Fera kurba peco, kun unu aŭ pluraj pintoj, kiu, en ĉarpentaĵoj aŭ masonaĵoj, servas por kunigi aŭ forte fiksi. **~i** (tr) **1** Fiksi per krampoj. **2** Forte alkroĉi

**krepit/i** (ntr) Aŭdigi kraketadon, serion da etaj sekaj eksplodbruoj.

**kret/o** **1** ⊕ Mara sedimenta kalkopetro, fajnagrajna kaj mola, precipe konsistanta el restaĵoj de mikroskopaj maraj vivuloj (☞ kokolito) kaj uzata plejofte sub pulvora formo: dekantita kreto (fajnigita, por purigi dentojn, arĝenton ktp). **2** Bastoneto el tiu substanco, aŭ el ia simila, uzata por skribi sur nigra surfaco.

**krust/o** **1** Ekstera parto de bakaĵo, malmoliĝinta pro kuirado. **2** Bakita pastaĵo en formo de ujo, por enteni iajn manĝaĵojn. **3** Malmoliĝinta parto, kiu formiĝas supraĵe de pli-malpli likvaj substancoj: la ŝlimo sub la suno kovriĝis per nigra krusto. **4** Patologia formiĝo el la sekiĝo de sero, puso, sango. **5** Terkrusto.

**kupol/o** Tegmento de konstruaĵo en formo de renversita kaliko. *~EB 318/43; ~BeE 153/72*

**kurator/o** **1** ⚖ Individuo, jure nomita por zorgi pri persono kaj havo de neplenaĝa orfo aŭ de iu, kiu ne posedas la personajn rajtojn. **2** Konservisto de muzeo aŭ biblioteko.

**kvast/o** unaĵo el mallongaj fadenoj lanaj aŭ silkaj, en formo de tufo aŭ peniko, kiu servas kiel ornamo por vestoj aŭ meblaro.

**laminari/o** Genro de maraj brunalgoj, kies talo konsistas el ronda tigo kaj lamenforma plato. *~EB 362/48; ~BeE 196/50*

**lampir/o** Genro (Lampyris) de insektoj el la ordo de koleopteroj, havantaj lumantajn organojn sur la abdomeno;

**lanc/o** Batalilo, konsistanta el longa ligna stango kaj akra ferpinto. *~EB 287/62, 308/20; ~BeE 128/17 & 29* **ĵet~** Lanco por esti ĵetata. *~EB 280/54; ~BeE 146/2*

**langvor/o** Malvigleco, malstreĉiĝo de la korpaj aŭ animaj fortoj, sen difinita kaŭzo. **~a** Malrapide moviĝanta, malema al ekzerciĝo, ne interesiĝanta al la ekstera mondo.

**lasciv/a** Avida aŭ instiga al amorĝuoj.

**latent/a** **1** Tia, ke ĝiaj simptomoj ne estas percepteblaj: latenta malsano. **2** Ne ekstere konstatebla, sed ekzistanta kaj aperigebla.

**latun/o** Ĉiaspeca alojo de kupro kaj zinko, flavkolora. **~a** Farita el ~o.

**lavang/o** Neĝ- aŭ ter-amasego, ruliĝanta de monto:

**lavend/o** Purpur-blua, bonodora floro, el kio estas farata parfumo.

**leŭg/o** Malnova mezurunuo de longo, la distanco kiun homo povas marŝi dum horo.

**letargi/o** **1** Stato, en kiu la psikaj funkcioj ŝajnas neniigitaj kaj la korpo profunde dormanta. **2** Plena inerteco kaj indiferenteco.

**libel/o** Granda insekto kun longa abdomeno, ofte metalkolora, kun kvar longaj, travideblaj flugiloj riĉaj je vejnoj, lerte fluganta. *~EB 342/3; ~BeE 175/5*

**liĥen/o** Simboizita kombino el fungo kaj algo, plejofte verde blua, kio povas vivteni sur nuda roko en preskaŭ ajna klimato.

**limak/o** Surtera molusko el la klaso de gastropodoj, relative granda besto sen konko, manĝanta precipe vegetaĵojn. *~BeE 234/44*

**lintel/o** Ŝtona, betona, ligna aŭ fera trabo, bloko horizontale metita sur la fostoj de fenestro aŭ pordo. ☞ sojlo. *~EB 39/25, 113/9,13, 115/57; ~BeE 44/14*

**litani/o** Preĝo, konsistanta el longa serio da mallongaj alvokoj al Dio aŭ sanktuloj.

**lot/i** (ntr) Konsulti la sorton per loto

**lubriki** (tr) Ⓣ Meti substancon speciale glitemigan inter du frotiĝantajn surfacojn, por faciligi la glitadon kaj malhelpi la rajpon. ☞ olei, ŝmiri.

**majstr/o** En la iamaj korporacioj, tiu, kiu pruvis sian sperton per tiucela ellaboritaĵo, estis akceptita de la aliaj korporaciestroj kiel egalulo, kaj rajtis dungi submajstrojn kaj metilernantojn.

**makabr/a** Terurelvoka, mortrikana.

**makro/** Prefikso, montranta: **1** grandegecon aŭ grandskalecon: makromolekulo, makrokosmo, makroanalizo, makrofotado. **2** (precipe ⚥⊕) ion nudokule videblan (makroskopan): makrofaŭno, makroorganismo. ☞ mikro/.

**malakit/o** Kupra hidrokarbonato, konsistiganta belan verdan polureblan ŝtonon, uzatan por fari juvelojn, ornamajn vazojn, ktp. $(CuOH)_2CO_3$

**mandragor/o** Planto kun homforma tubera radiko.

**manovr/i** **1** (ntr) Fari ekzerce movojn kaj direktoŝanĝojn laŭ komandoj aŭ plano: la eskadro, floto, regimento, aviadilaro manovras ĉiujare. **2** (ntr) (pp trupo, ŝipo, aviadilo ks) Fari laŭcelajn movojn kaj direktoŝanĝojn, por esti en la plej taŭga loko aŭ pozicio por plenumi sian intencon. **3** (tr. aŭ ntr). Lerte, artifike klopodi, por atingi celon.

**maŝ/o** Ĉiu el la nodoj, kiun formas la lanaj, silkaj kaj similaj fadenoj en trikita teksaĵo aŭ en reto. *~EB 125/25; ~BeE 323/30*

**marasm/o** Malsaneca ekstrema malgraseco kaj senvigleco. ☞ apatio, inerteco, kadukeco, paralizo.

**marmor/o** Tipo de ŝtono. Polurebla kalkpetro, tute grandkristala, ofte enhavanta kolorajn vejnojn pro malpuraĵoj, uzata en konstruado kaj skulpturo.

**marod/i** (tr) Ŝteli por sia propra uzo, diversaloke, laŭ oportuno.

**matric/o** **1** Gravurita metala peco aŭ muldilo. **2** Aro da nombroj aŭ aliaj elementoj aranĝitaj plur-dimensie (rektangule, kube, ktp) laŭ strikte regula ordo.

**matron/o** **1** ♜ Nobela patrino en antikva Romo. **2** (f) Maturaĝa, alte respektinda sinjorino.

**med/o** Alkohola trinkaĵo, farita el fermentigita mielo.

**medol/o** **1** ❤ (medulla) Pulpeca mola substanco, pli-malpli grasa, pli-malpli sangabunda, entenata en ĉiuj kavaĵoj de la osta histo. **2** (pp vaskulplantoj) La centra, mola, parenkima parto de tigo aŭ de radiko, ĉirkaŭita de cilindro el vaskulfaskoj: la spongeca medolo de sambuko; medola radio.*~EB 354/14; ~BeE 188/14*

**meger/o** Ruza, malica virinaĉo

**mejl/o** Mezurunuo de longo. Miloble tiu distanco inter unu dekstra paŝo kaj sekva dekstra paŝo. Alivorte, du mil paŝojn.

**meldu/o** Surplanta, ĝenerale blanka ŝimkovraĵo kaj la kun ĝi rilata plantmalsano, kaŭzata de askofungoj el erizifaloj, inter aliaj de ojdio. ☞ foliŝimo.

**membran/o** Maldika hista lameno, teganta iujn vegetalajn aŭ animalajn organojn. *~EB 75/53*

**ŝmir/i** (tr) Froti sur ion maldikan tavolon da grasa aŭ algluiĝanta substanco.

**mole/o** Ligna aŭ ŝtona digo, konstruita antaŭ enirejo de haveno, por ŝirmi ĝin kontraŭ la ondoj kaj sendanĝerigi la ŝipojn. *~EB 212/15, 16/48; ~BeE371/18, 380/42*

**monolit/o** Kolono aŭ monumento farita el nur unu bloko. *~EB 309/18; ~BeE 146/18*

**morter/o** Miksaĵo de kalko kun sablo, per kiu oni kunigas la ŝtonojn aŭ brikojn de muro, konstruaĵo kaj simile.

**mozaik/o** Desegnaĵo aŭ pentraĵo, kunmetita el diverskoloraj formtranĉitaj ŝtonetoj aŭ lignaj pecetoj, por ornami.

**mucid/a** Havanta ŝiman odoron aŭ guston.

**mukoz/o** Membrano, kiu tegas la kavajn organojn ka j juntiĝas kun la haŭto ĉe la naturaj aperturoj de la korpo.

**muld/i** (tr) Reprodukti objekton, enpremante moligitan materialon en ujon, kiu havas la deziratan formon: muldi medalon per vakso.. *~EB 154/15*

**musk/o** Klaso de herboj kun malgrandaj, foliecaj, ofte tufiĝantaj tigoj, mallarĝaj folioj dense sidantaj, kaj sur la pintoj de la ŝosoj kun krucformaj sporujoj. Ofte trovata ĉe subo de arbo, sur la flanko for de l' suno. *~EB 361/17*

**muzel/o** Elstara parto de la kapo de tiuj bestoj, ĉe kiuj la nazo kaj buŝo elpintiĝas el la vizaĝo.*~EB 71/4, 73/6-10, 74/10, 88/53; ~BeE 241/68, 223/4, 224/10*

**nan/a** Notinde malgranda kompare kun la normalaj individuoj de la specio

**nard/o** 1 ♜ Bonodora substanco, kiun la antikvuloj eltiris el la rizomo de nardo 2: mia nardo bonodora; funto da pura narda ŝmiraĵo. **2** = nardostakio. **3** Genro (Nardus el poacoj) de nur unu specio (N. stricta) de plurjara herbo el la montaraj herbejoj de Eŭropo kaj Azio.

**navig/i** (ntr) Vojaĝi, per tiucela veturilo, sur maro, lagoj, riveroj aŭ en aero.

**nav/o** Tiu parto de preĝejo, kiu etendiĝas de la pordego ĝis la ĥorejo, inter du paralelaj muroj aŭ kolonaroj. *~EB 316/62; ~BeE 153/76,77*

**neglekt/i** (tr) Lasi ne farita, ne atentata, ne zorgita.

**noĉ/o** V-forma entranĉo en eĝo aŭ konveksa surfacaĵo.

**obelisk/o** Monumento, plej ofte el unusola ŝtono, pritranĉita en formo de kvarangula pinta kolono.

**oblikv/a** Kliniĝanta for de la vertikala aŭ orta direkto. **~i** (ntr) Iri en oblikva direkto.

**obscen/a** (pj) Ofendanta la antaŭjuĝojn de puduloj. ☞ *malĉasta, maldeca.*

**obtur/i** (tr) Hermetike fermi (aperturon de la korpo, tubon de pafilo ktp). **~atoro** Fotoaparata obturilo. *~EB 111/44; ~BeE 266/33, 267/21*

**okult/a** Rilata al misteraj fenomenoj, kiujn iuj homoj kredas supernaturaj, kaj kiujn esploras diversaj doktrinoj kaj ties praktikoj (magio, elvokado de mortintoj kaj aliaj). **~ismo** Doktrina kaj praktika esplorado pri okultaj fenomenoj.

**opal/o** Juvelŝtonno. Mineralo, var. de silico sub formo de ŝajne nekristalaj amasetoj aŭ konkrecioj

**orgi/o** **1** Festo, dediĉita al kolektivaj kaj ekscesaj ĝuoj manĝaj, drinkaj, seksaj. **2** Okazaĵo, karakterizata de la abundeco de ĝuigaĵoj.

**orl/o** Rando de ŝtofo refaldita kaj kudrita tiel, ke la eĝo mem estas protektata kaj nevidebla. *~EB 102/2*

**pantofl/o** Hejma piedvesto, malpeza kaj oportuna, mola kaj komforta.

**pantomim/o** Teatraĵo, en kiu la aktoroj esprimas sin nur per gestoj.

**parazit/o** **1** Tiu, kiu kvazaŭ profesie manĝas konstante ĉe fremda tablo, flatante aŭ distrante la gastiganton. **2** Nenionfaranto, kiu ekspluatas la laboron de aliaj.

**pelerin/o** Pli-malpli longa, senmanika manteleto, kovranta la dorson kaj bruston ĝis la talio. *~EB 338/29; ~EeB 35/17*

**pent/i** (pri aŭ tr) Senti bedaŭron pro farita kulpo kun deziro ripari ĝin kaj plu ne rekulpi:

**perturb/i** (tr) Kaŭzi malordon.

**piedestal/o** Dika, memstara, foje kolonforma, masiva subtenilo desegnata por surmeti alian masivaĵon.*~EB 290/55; ~BeE 125/56*

**pigme/o** **1** Ano de nana gento, kiu akre batalis kontraŭ la gruoj. **2** Ano de malaltkreska negra gento, vivanta en la arbaroj de C-Afriko. **3** Tre malgranda homo. *~EB 337/31; ~EeB 162/41*

**pilastr/o** Prisma kolono, plejofte enigita en muro. *~EB 317/46; ~BeE 154/46*

**piĉ/o** La relativa alteco de mizika tono je voĉo aŭ instrumento.

**plasm/o** **1** Likva parto de sango, en kiu naĝas blankaj kaj ruĝaj globeroj. **2** Fluida interna parto de ĉelo. **ekto~o** Ekstera parto de ĉel~o. **endo~o** Interna parto de ĉel~o. **3** Substanco je tiom alta temperaturo, ke eletronoj disiĝas de la nukleoj. **4** Simila, sed preternatura substanco el kiu konsistas la korpo de fantomo.

**plet/o** Plato el ligno, metalo, plasto kaj aliaj, kiu servas por alporti telerojn, pladojn, glasojn, tasojn, kaj sisimile.*~EB 45/60, 260/19&54, 261/14; ~BeE 32/6*

**pob/o** Malantaŭa parto de boato aŭ ŝipo.

**poci/o** **1** ⚕ Likva medikamento, pokulere trinkota. **2** Simila afero, ofte drogo, miksita fare de sorĉisto por efektivigi diversajn rezultojn.

**podi/o** Kroma planko el tabuloj, altigita super la grundo aŭ planko de salono, aŭlo, koncertejo, halo kaj simile, por ke parolanto, eminentuloj, artistoj kaj aliaj estu pli videblaj kaj aŭdeblaj. *~EB 99/28, 249/11, 321/30; ~EeB 69/3, 157/30*

**pomel/o** **1** Globa ekstremaĵo de la tenilo de spado aŭ sabro. *~EB 277/54; ~BeE 11/54* **2** Elstara antaŭa parto de selo.

**ponard/o** Pinta ambaŭtranĉa mallonga pikarmilo, portata ĉe la zono aŭ laŭlonge de kruro. *~EB 266/46, 309/22, 336/44; ~BeE 125/41*

**popl/o** Genro de dioikaj, falfoliaj, ofte grandaj arboj kun longpetiolaj, larĝaj folioj, kun floroj en longaj, pendaj amentoj aperantaj antaŭ la folioj, kaj kun fruktoj enhavantaj lanugajn semojn po multaj. *~EB 355/15; ~BeE 189/15*

**portik/o** Galerio, kiu malfermiĝas, almenaŭ unuflanke, per kolonaro. *~EB 316/50,56; ~EeB 153/64*

**pseŭdo/** Prefikso, esprimanta **1** ŝajnecon. **2** falsecon, neaŭtentikecon.

**punt/o** Maldensa delikata plektaĵo el kotonaj, linaj aŭ silkaj fadenoj, kies maŝoj, aranĝitaj laŭ metoda trikado, prezentas artajn desegnaĵojn. *~EB 101/18,30*

**pustul/o** ⚕ Epiderma ŝvelaĵo, entenanta puson.

**rampl/o** Dekliva vojo, ebliganta al veturiloj atingi la suprajn etaĝojn de konstruaĵo. *~EB 114/41, 202/1; ~BeE 272/41*

**rapir/o** Longa glavo, precipe pinta, foje ankaŭ tranĉila, sed nur ĉe la pinto.

**refrakt/i** (tr> Ŝanĝi je difinita angulo la direkton de lumradio, kiam ĝi trairas de unu medio en alian de malsama densoj.

**replik/o** Respondo al tio, kion alia asertis aŭ postulis en diskutado.

**retret/o** **1** Ceda returniro de armeo, kiu forlasis pozicion sub la premo de la malamiko. **2** Retiriĝo for de la kortego, de la publikaj funkcioj, de la burĝa vivo. **~ejo** Izola domo en loko de natura belo.

**rezidu/o** **1** ⊕ Restaĵo el petroj, pasintece elmetataj al la agado de eksteraj fenomenoj, nek transportita nek sedimentita: rezidua arkozo, rezidua argilo (el argila reziduo de dissolvitaj kalkpetroj). **2** Ⓚ Restaĵo. **3** ⚖ Tio, kio restas el heredaĵo, post pagado de la ŝuldoj, impostoj kaj legacoj.

**rival/o** Tiu, kiu strebas por superi alian, precipe en la artaj aŭ amaj aferoj.

**riverenc/o** Respekta ĝentila movo de korpo, klino de la busto. **~i** (tr) Fari riverencon.

**rodokrozit/o** Mineralo, mangana karbonato, kun kemia enhavo $MnCO_3$. En ĝia (rara) pura stato, ĝi kutime estas roso-ruĝe kolora, sed nepuraj specimenoj povas koloriĝi laŭgrade rose ĝis pal-brune.

**ronk/i** (ntr) Eligi bruon dum dormi, plejofte pro vibrado de la plata velo.

**rotor/o** Ⓣ Rotacianta parto de dinamomaŝino. *~EB 331/78*

**run/o** Litero, desegnita por esti gravurita. Tie ĉi, antikva skribmaniero uzata en magiaj procedoj.

**sakrilegi/o** Θ Malrespekta ago kontraŭ sanktigita persono, objekto aŭ loko.

**sangvin/a** Riĉtemperamenta, gajhumora, optimista.

**sapŝtono** Kompakta aŭ fajngrajna talko, uzata en konstruarto, por skulptado, ktp. Sinonimo: steatito.

**sardon/a** Epiteto de speciala rido. **1** Ŝajna rido de iu kies vizaĝaj muskoloj kuntiriĝis pro toksiĝo aŭ malsano. **2** Mieno esprimanta vidpunkton de amara, iom sarkasma amuzeco.

**saten/o** Teksaĵo silka, nilona, lana, kotona, de kiu unu flanko estas glata kaj brila, ricevita per neegala nodado de la vefto aŭ de la varpo.

**saturnali/oj** Saturnaj festoj. Festnoktoj dum kiuj la ordinaraj leĝoj de deco kaj socia hierarkio estis interrompitaj.

**savan/o** **1** ☼ Tropika herba vegetaĵaro (vs ekosistemo), karakterizata de la plejkovreco de gramineoj 1—2m altaj, ĝenerale ankaŭ de disaj arboj kaj arbustoj. **2** Loko, ofte vasta ebenaĵo, kie kreskas savano. ☞ stepo.

**scintil/i** (ntr) **1** (pri fluoreska materialo) Fulmeti pro trafiĝo de altenergia partiklo. **2** (pp stelo) Brili treme koncerne helon kaj pozicion pro trairo de ĝia lumo tra la teratmosfero.

**sekt/o** Aro da personoj, havantaj la saman doktrinon, aŭ interne de religio, aŭ disiĝinte de sia origina religio.

**serpenten/o** Mineralo el magnezia, monoklina folisiliciato, uzata kiel ornamo en konstruarto pro ĝiaj verdaj lamenoj.

**sfing/o** Genro de grandaj noktpapilioj, kiuj dum ripozo tenas la flugilojn horizontale, kaj kies larvoj havas dorsan kornon sur la malantaŭa parto de la abdomeno kaj vivas sur diversaj plantoj. *~EB 348/9; ~BeE 175/61*

**sibl/i** Eligi sonon similan al longedaŭra ‘s’.

**silik/o** Ege malmola ŝtono, rompebla kiel vitro, uzata de prauloj por farbi sag-pintojn, hakilojn, ktp.

**siluet/o** Aspekto de objekto aŭ persono, vidata kontraŭ la lumo, tiel ke nur la konturoj estas distingataj. *~EB 298/28; ~BeE 21/48*

**sinaps/o** ⚥ Loko de kontakto inter la ekstremaĵoj de du nervoĉeloj aŭ inter nervoĉelo kaj muskol-, gland- aŭ senso-ĉelo.

**sintez/o** **1** Operacio, per kiu multeco estas reduktita al unueco, per kombinado aŭ kunigo. **2** Operacio, per kiu, kombinante elementajn komponantojn, oni ricevas novaspecan produkton, kun apartaj ecoj.

**sinu/o** Ĉiu el la kurbaĵoj, fleksoj de vojo, rivero kaj simile. **~i** Esti sinua, moviĝi serpente (sen antaŭeniro), kaj simile.

**skal/o** Serio de gradoj, sisteme kaj regule aranĝitaj. **muzika ~o** Serio de notoj, regule apartaj laŭ frekvenco. *~EB 299/47-50*

**skapol/o** Maldika plata triangula osto de la posta parto de la ŝultro. *~EB 18/23; ~BeE 19/32*

**skarlat/o** Brilega sangoruĝa koloro.

**skarp/o** **1** Longa peco de teksaĵo, kiun virinoj portas sur la ŝultroj kaj kies baskoj pendas ambaŭflanke antaŭ la brusto ĝis la genuoj: silka, indiena skarpo; (f) la skarpo de Iriso (ĉielarko). **2** Oficiala insigno, konsistanta el longa peco de teksaĵo, portata de viroj oblikve sur la brusto aŭ zone ĉirkaŭ la talio. **3** Longa peco de teksaĵo, surŝultre alligita kaj servanta por subteni vunditan brakon. *~EB 203/14; ~BeE 38/5*

**skem/o** Teoria simpligita figuraĵo, prezentanta maldetale ne la formon, sed la aranĝon kaj la rilatojn de io.

**skorpi/o** ♉ (kn) Artropodo el la klaso de araneoidoj, kun cefalotorako portanta paron da fortaj pinĉiloj kun 4 parojn da movaj membroj, kaj kun duparta abdomeno, antaŭ- kaj post-abdomeno, ĉi-lasta sessegmenta kaj finiĝanta per venena pikilo. *~EB 342/40; ~BeE 175/44*

**sodomi/i** (tr) Sekse kuniĝi tiel ke la peniso penetras ne la vaĝinon, sed ansataŭe aŭ la buŝon aŭ la anuson.

**solv/i** (tr) **1** Ⓚ Homogene kaj stabile miksi kun likvo solidon, alian likvon aŭ gason. ☞ emulsii, fandi. **2** Trovi la nekonataĵon de problemo, la respondon al demando, la rimedon al malfacilaĵo. **dis~** Disigi en solvo.

**~o 1** Ⓚ Ago solvi. **2** Respondo al dubo, demando; klarigo de problemo, de implikita situacio. **~aĵo** Tuto de la solvita(j) substanco(j) kaj de la ĝin (ilin) solvinta likvo.

**somat/o** ⚥ **1** Tuto de la ĉeloj de embrio kaj poste de individuo, kun escepto de la sekse reproduktiĝaj ĉeloj. ☞ĝermeno. **2** La tuta korpo, kontraste al la psiko.

**somnambul/o** Homo nerve malsana, kiu dum dormo senkonscie kaj senmemore iras, parolas kaj agas, kvazaŭ li estus maldormanta kaj konscia.

**spasm/o 1** Nevola kontrahiĝo de muskolo aŭ muskolgrupo: la spasmoj de la volupto. **2** Konvulsia kontrahiĝo de la visceraj muskoloj.

**staj/o** Fortika ŝnuro, kiu streĉite tenas maston vertikala. *~EB 214/10-15*

**stak/o 1** Alta amaso de grenpajlo, kunrastita fojno, garboj, dehakitaj ŝtipoj ktp. **2** Amaso da samformaj objektoj, metitaj unu sur la aliaj: stako da libroj, da teleroj. ☞ kolumno. **3** Datenstrukturo, konsistanta el vico de elementoj, ĉe kies unu fino oni povas aldoni aŭ forpreni elementon: surstakigi, elstakigi datenon; plenumstako (por teni lokajn variablojn kaj la revenadreson dum plenumado de proceduro); oni povas realigi stakon per listo aŭ per tabelo. **~igi** Fari stakon el iu materialo.

**sturm/i** (tr) Kurante aŭ alsaltante ataki.

**sufuz/i** (ntr) Elverŝiĝi el vaskulo (sango), el peritoneo (ascito), kaj disvastiĝi en la histojn. *Iom simile al 'mal-sorbi' sed tute interne, sen perdi el la histo.*

**sukub/o** Diablo, kiu alprenis la formon de virino, por kuniĝi kun viro.

**sulfur/o 1** Ⓚ Elemento, S, atomnumero 16, atommaso 32,07. **2** Ⓚ Nemetalo solida, helflava, senodora (en pura stato, sed forte ordora kiel sulfido), facile fandebla kaj brulema, kiun oni trovas en la vulkanaj elsputaĵoj aŭ ekstraktas el ercoj aŭ naturgasoj.

**supl/a** Malrigida, facile deformebla.

**susur/i** (ntr) Eligi sonon malfortan kaj iom sekan, kiel de sateno, silko, ĉifita papero kaj simile.

**svelt/a** Harmonie aŭ elegante maldika.

**sven/i** (ntr) Perdi dum kelkaj momentoj la konscion kaj movkapablon

**ŝakt/o** **1** Vertikala truo, ĝenerale profunda, kiun oni boras en tero por ekspluati minaĵon, karbon, nafton, salon kaj simile. *~EB 137/14; ~BeE 297/25 &32* **2** Spaco, en formo de vertikala truo, aranĝita en konstruaĵo por ricevi ŝtuparon aŭ lifton.

**ŝim/o** Mikroskopa fungo aŭ oomikoto, havanta bone rimarkeblan micelion aŭ sporaron.

**ŝlim/o** Akvomoligita tero aŭ simila substanco, demetiĝinta sur la fundon de akvujoj sen forta fluo.

**taburet/o** Tri- aŭ kvar-pieda seĝeto sen brakoj kaj dorsapogilo. *~EB 48/5, 314/11; ~BeE 157/25*

**taksus/o** Pingloarbo kun molaj pingloj kaj ruĝaj, unuopaj, beraspektaj semoj.

**talisman/o** Luksaĵeto, plejofte gemo gravurita per astrologiaj aŭ kabalaj signoj, kiu laŭ iuj kredoj gardas la portanton kontraŭ malbono.

**Tantal/o** Reĝo, kiu pro siaj krimoj estis kondamnita en Hadeso neniam povi satigi sian soifon kaj malsaton: tiele semis nepoj de Tantalo per plena man’ malbenon post malbeno. **tantaligi** Fari el iu kvazaŭ Tantalon, allogante, sed neniam kontentigante.

**tarantel/o** 텏텔텰 Vigle turniĝa itala danco, kaj ties muziko.

**tenden/o** Blankeca, fibreca muskolekstremaĵo, kiu alligas la muskolon plej ofte al osto. *~EB 20/48; ~BeE 21/48*

**teori/o** Supozo celanta klarigi ion, sed restanta en la sfero de la spekulativa penso.

**tindr/o** Spongeca, tre ekbrulema kaj ardema substanco, precipe el la bazidiujo de tindrofungo.

**ton/o** 텏텔텰 Muzika sono kun difinita alto. ☞ noto, sono, tembro.

**topaz/o** Mineralo, konsistanta el aluminia silikato, tre malmola pli-malpli diafana, plejofte flaveca, uzata kiel juvelŝtono. **~a** pale flavluma.

**torak/o** Brusto-kaĝo ĉe homoj, analoga korpoparto ĉe insektoj.

**torĉ/o** Malnova kruda lumigilo konsistanta el tordita ŝnuro aŭ ligna bastono ŝmirita per rezino, vakso aŭ peĉo. *~EB 306/38*

**tribun/o** Elstara podio, plejofte kun seĝo kaj pupitro, de kie parolas oratoro, precipe politika aŭ religia.

**tuber/o** **1** Ĉiuspeca bulforma elstaraĵo aŭ ŝvelaĵo sur la surfaco aŭ en la interno de korpo. **2** Bulforma aŭ ŝvela, rezervoplena parto de tigo.

**tundr/o** Malvarmklimata, precipe boreala malalta vegetaĵaro, karakterizata de arbustetoj, herboj, likenoj.

**tunik/o** Antikva mallongmanika vesto, vira aŭ virina, ordinare portata sub alio, atinganta ĝis la genuoj.

**turbul/i** (ntr) Flui tiamaniere, ke la diversaj tavoloj de la fluido miksiĝas unu kun la aliaj. **turbul(ad)o** Kirla movado en la aertavoloj.

**turment/i** (tr) **1** Kaŭzi al iu grandajn korpajn suferojn: eĉ muŝo sentas, kiam vi ĝin turmentas, **2** Kaŭzi al iu grandajn moralajn suferojn.

**ulcer/o** ⚕ Lezo de haŭto aŭ mukozo kun substancoperdo kaj malforta tendenco cikatriĝi.

**uleks/o** Genro de dornaj tufarbustoj kun folioj parte ŝanĝiĝintaj al apekse dornaj filodioj, kaj kun flavaj, unuope akselaj floro.

**unc/o** Mezurunuo de pezo, uzata en Britio (alilande por la oro aŭ iaj farmaciaj substancoj), kaj egalvalora plejofte al la dekduono de funto.

**ungvent/o** Medikamenta kun firmeco de pasto, kion oni aplikas aŭ ŝmiras sur la haŭton.

**ŝut/i** Elglitigi substancon nelikvan, konsistantan el multaj apartaj, ne kunigitaj eroj.

**~ilo** *~EB 221/66; ~BeE 365/32, 382/56*

**vampir/o 1** Mamulo simila al fluganta muso kiu manĝas plejparte insektojn kaj dormas pende de la piedoj, plejparte en kavernoj. **2** Fabela fantomo, eliranta nokte por suĉi sangon de dormantoj.

**velur/o** Silka, kotona aŭ lana ŝtofo, prezentanta unuflanke densan teksaĵon, kaj aliflanke molan supraĵon konsistantan el multaj mallongaj, rekte starantaj brilaj haroj

**verv/o** Inspira, fervora, vigla maniero de verkado, parolado, pentrado, komponado.

**vip/o** Batilo, konsistanta el ŝnuro aŭ rimeno, alligita al tenilo. *~EB 272/38; ~BeE 105/24*

**volb/o** Arkoforma plafono. *~EB 80/22; ~BeE 232/1*

## Atribuoj

La subaj homoj kontribuis al tiu ĉi traduko, ĉiuj en diversaj tempoj kaj lokoj. Kie mankas indiko pri lando, tio okazis en Usono.

- **Verkis:**
  - Jack Vance (1916-2013)
  - Anglalingva titolo: *T'sais*
- **Permesis:**
  - Jack & Norma Vance *(inter 1997 & 2013)*
  - John Vance & Spatterlight Press *(post 2013)*
- **Tradukis:**
  - Ĝan Ŭesli Starling, — *Usono*
  - Orlando Hernández — *Hispanio*
- **Ilustris:**
  - Paul Rhoads — *kovrilon & ses bildojn*
- **Kontrolis:**
  - *Pluaj kontrolistoj invitiĝas — Ĉu eble vi?*

Se vi volas kontribui per ilustri aŭ per plue kontroli, kontaktu epoŝte: gan@starling.us

Helpis ankaŭ la sube listitaj referenciloj. Se vi ne povas kontribui al nia projekto per kontroli aŭ ilustri, bonvolu pripensi monan donacon al unu el ili.

- html **Vortaro** — *reta vesio de PIV*
- html **Lingvohelpilo** — *projekto de E@I kaj ESF*

# Senpage Haveblaj

http://esperanto.us




## Fantasto — *La Mortanta Tero*

**Mazirien la Magiisto**
Ses interligitaj noveloj pri la fintempo de la Tero, kiam magio regas super scienco kaj la suno montras signojn de baldaŭa estingiĝo.

**La Sorĉisto Fejresm**
Kugel la Ruza manĝas ion nedigestablan.

**La Sakpleno da Songôj**
Kugel la Ruza konkursas en spektaklo de magiaj mirindaĵoj.

## Scienca Fikcio — *Diversaj*

**Trigamba Joĉjo**
Sur planedeto senaera du junuloj alfrontas beston nevenkeblan.

**La Luna Sfingo**
En kulturo kie ĉiuj portas maskojn, ĵus alveninta diplomato ĉasas murdiston.

**Domo de l' Se**
Post respondi al reklmao pri aventuro, viro ekfrontas multon pli ol antendite.

**Retretejo Ulvarda**
Kiam surtere estas 50 miliardoj da homoj, ĉu izoleco dezirindas pli ol ĉio?